Romesh Chandra

# LA JARO DE LA PACO

## Komune kontraŭ nuklea neniigo! Komune por pli bona mondo!

La decido de la Unuiĝintaj Nacioj, celebri la jaron 1986 kiel Internacian Jaron de la Paco, estas tutkore aprobata kaj subtenata de la registaroj same kiel de pac- kaj kontraŭmilitaj movadoj en la tuta mondo.
En tiu ĉi decido respeguliĝas la profunda zorgo, kiun la granda plimulto de la membroŝtatoj de la Unuiĝintaj Nacioj sentas vidalvide al la rapide kreskanta danĝero de eksplodo de nuklea katastrofo, en kies rezulto ĉiu vivo sur nia planedo povus esti plene neniigita. Tiu ĉi danĝero jam alprenis ĝis nun nekonatan dimension.
La decidon pri la Jaro de la Paco oni alprenis en tempo, kiam la pacmovado disvolviĝis pli larĝe kaj pli potence ol iam ajn antaŭe. La hodiaŭa pac- kaj kontraŭmilita movado estas sendube la plej granda amasa movado de la popoloj de ĉiuj tempoj. Ĝi ampleksas milionojn da simplaj homoj en ĉiuj landoj, mobilizas virinojn kaj virojn de la plej diversaj politikaj partioj kaj sociaj kaj religiaj unuiĝoj, sindikatojn, virinajn kaj junularajn organizaĵojn, batalantojn por nacia liberigo, demokratio, sociala kaj ekonomia progreso, fortojn, kiuj batalas kontraŭ koloniismo, novkoloniismo, rasismo kaj apartismo, malsato kaj mizero – en ĉiu lando kaj sur ĉiu kontinento.
Por la Jaro de la Paco la Unuiĝintaj Nacioj starigis precizan programon, kiu tute klare konsideras la fakton, ke la paco devas esti rigardata sub ĉiuj aspektoj kaj en ĉiuj siaj fundamentaj elementoj.
Malarmado, evoluo, nova internacia ekonomia ordo, homaj rajtoj, nacia sendependeco – tio ĉio estas imanenta en paco, kaj paco siavice estas la antaŭkondiĉo por la progreso en ĉiuj sferoj.
La batalo estas komuna batalo. Ĝi ampleksas ĉiujn individuajn penojn de la homoj, ĉiujn agadojn de la popoloj – ili ĉiuj estas nedisigeblaj eroj de la batalo por malebligi nuklearmilan militon, la plej grava tasko de ĉiuj popoloj.
Ĉiu kunveno, ĉiu konferenco, ĉiu seminario, simpozio kaj dialogo, ĉiu amasagado, ĉiu marŝo kaj ĉiu agado en la intereso de la homaro devas esti organizata sub la signo de la Jaro de la Paco kaj kontribui al ĝia sukceso.



*La prezidanto de la Monda Packonsilantaro Romesh Chandra*

Foto: Zentralbild

Kiun ĉefan celon havu tiu ĉi Jaro de la Paco? Ĉu sub ĝia signo oni nur daŭrigu aŭ eble plifortigu la kontraŭmilitajn kaj aliajn agadojn de la popoloj, en kiuj partoprenas jam nun la tuta mondo?
La Monda Packonsilantaro alvokis agi por ke la Jaro de la Paco fariĝu jaro por krei unuecon kaj kunlaboron en larĝa, ĝis nun nekonata dimensio – ĝi staru sub la signo de la plej noblaj celoj de la tuta homaro.
En tiu ĉi jaro oni devas meti finon al la konfronta politiko kaj al la malespera strebado de la Reagan-administracio al mondregado.
En tiu ĉi jaro oni devas doni decidan baton al la obskuraj provoj, kiuj per disvastigado de mensogoj kaj per kalumnioj celas fendi la pacfortojn kaj peli kojnon inter ilin.
Komune – tio estas la vorto, kiu elstaros dum ĉiuj internaciaj, regionaj, naciaj kaj lokaj aranĝoj okaze de la Internacia Jaro de la Paco.
Kelkaj danaj neŝtataj organizaĵoj kuniĝis kaj proponis la realigon de Monda Kongreso de la 15-a ĝis la 19-a de oktobro 1986 en Kopenhago, kiu prezentus la eblecon de dialogo kaj diskutado inter la plej diversaj organizaĵoj kaj fortoj. Tiu ĉi konferenco kontribuus garantii unuecon, kunlaboron kaj komunan agadon, kio hodiaŭ havas tiel grandan signifon por malebligi nuklean neniigon kaj krei pli bonan mondon.

*El „neue perspektiven" n-ro 1/86*
*Tradukis Renate kaj Dieter Berndt*

# La nuklea vintro

Novaj esploroj nun indikas, ke nuklea milito estus eĉ pli terura ol ni antaŭe imagis. Post la eksplodo de malpli ol 1 % de la nuna armilaro tiuj, kiuj postvivus la ekblovon kaj la radiadon, suferus tuttagan mallumon kiel noktomezon dum pli ol kvar semajnoj kaj severan malvarmon dum tri monatoj. Kaj pli grave, tio okazus ne nur sur la teritorio de la militantoj sed tra la tuta norda hemisfero kaj probable ankaŭ en la suda. Vere ne ekzistus sekura kaŝloko ie ajn en la mondo.

Tion malkovris grupo da eminentaj usonaj sciencistoj, kiuj kunvenis en Vaŝingtono en Oktobro 1983, kaj poste eldonis siajn konkludojn en la prestiĝa ĵurnalo „Science".* La komenco estas en la studado de la plej grandaj naturaj eksplodoj – la vulkanoj. Nun estas larĝe sciate, ke la fumo el vulkanoj povas ĉirkaŭi la terglobon kaj modifi la veteron. El tiu scio la sciencistoj povas prognozi, kion kaŭzus nukleaj eksplodoj.

La unua rezulto de nuklea milito uzanta eĉ nur 100 megatunojn (0,8 % de la armilaroj de Usono kaj Sovetio) estus fajregoj super multaj urbegoj kaj arbaroj. De tiuj leviĝus milionoj da tunoj da fumo kaj pulvoro kiuj rapide ĉirkaŭus la nordan hemisferon kaj formus „littukon" super ĝi. Tamen tiu littuko ne varmigus la mondon, sed malebligus la varmigan sunlumon atingi la tersurfacon. Tiel estus kreita nuklea vintro, dum kiu la temperaturo falus ĝis –20 °C, restus tie dum kelkaj semajnoj, kaj poste nur malrapidege plialtiĝus. Tiu ekstra vintro okazus en iu ajn parto de la jaro (aŭ Decembro aŭ Julio ŝanĝus ĝin nur malmulte). La marbordaj regionoj restus iom pli varmaj ol la centraj landopartoj, sed tio ne estus avantaĝo, ĉar la temperatura diferenco kreus fortegajn ŝtormojn, multe pli severajn ol kutime.

La tavolo de fumo kaj pulvoro super la tero sorbus ĝis 99 % de la videbla sunlumo, kaj tial la nuklea vintro estus tute malluma dum almenaŭ la unua monato, kaj la tuta norda hemisfero ricevus nur 50 % de la kutima lumo eĉ post ok monatoj. Tamen kiam la pulvoraj nuboj finfine disiĝus, la sorbado de ultraviola lumo en la atmosfero estus malpliigita, kaj dum pluraj jaroj kelkoble pli da UV-lumo atingus la surfacon ol kutime.

Antaŭe oni kredis, ke la efikoj en la suda hemisfero fare de nuklea milito en la norda ne estus teruraj. Sed ne plu. La sciencistoj ektrovis, ke la sudo suferus simile eĉ se ne tiel severe. La mallumo kaj malvarmo malpli daŭrus, sed la temperaturo povus resti monatojn sub 0 °C tra la tropikoj kaj sudaj mezlatitudoj.

Post la unua artikolo pri tiuj terglobaj konsekvencoj sekvas alia, kiu esploras iliajn efikojn sur la biosfero kaj homa civilizacio. Unue estus kompreneble la ekblovo kaj la radiado, pri kiuj ĉiu jam scias. Sed poste venus la ekstrema malvarmo, kiu mortigus la homojn, jam malfortigitajn de vundoj kaj radiado. Ankaŭ mortus la plimulto da bestoj aŭ pro la malvarmo mem, aŭ pro soifo post la frostigo de ĉiu freŝa akvo, aŭ pro malsato post la morto de la plantoj, kiujn ili kutime manĝas.

Se kelkaj homoj postvivus en la pli varmaj marbordaj regionoj, severe mankus al ili manĝaĵo, ĉar la agrikulturo en la norda hemisfero estus tute detruita, kaj la 24-hora mallumo malhelpus la manĝaĵ-serĉon. Krome la fortegaj marbordaj ŝtormoj mem povus mortigi la postvivantojn aŭ malebligi iliajn vivigajn taskojn. Post la profunda mallumo venus la troaĵo da UV-lumo, kiu difektus la okulojn de multaj, kaj mortigus la planktonon en la maro, sur kiu restas la tuta mara ekologia sistemo. Fine, tial la postvivantoj eĉ ne povus manĝi fiŝojn el la maro.

La temperatura falo en la tropikoj estus ne tiel severa kiel en la nordo, sed la nuklea frosto atingus eĉ tiun mondparton. La plantoj kaj bestoj, kiuj ne kutime suferas froston, mortus, kaj la postvivantaj homoj malfacile trovus manĝaĵon. La sama frosto atingus ankaŭ la sudajn mezlatitudojn, mortigante kaj bestojn kaj plantojn, kaj difektante la agrikulturon. La homa civilizacio eĉ tie estus profunde ĝenata.

Por konkludo, jen kelkaj vortoj el la artikolo mem: La loĝantara grandeco de homo sapiens povus esti malpliigita ĝis la niveloj de prahistorio aŭ eĉ malpli, kaj la malapero de la homa specio mem ne estas malebla.

*Frank Sharman, Britio*

* „Science", V. 222, N. 4630, 23 Dec. 83, p. 1283–1300

# La renaskiĝo de Dresden en nombroj

La granda centro de Dresden estis detruita sur areo de pli ol 15 km². Krome granda parto de la loĝejoj ankoraŭ ekzistintaj estis diversgrade difektitaj. Nur 20 % de la loĝejaro restis netuŝitaj. De 1945 ĝis la mezo de la 50aj jaroj oni forigis pli ol 20 milionojn m³ da ruinoj – ankaŭ helpe de libervola kunlaboro de civitanoj. La 22an de aprilo 1951 en la centro oni komencis la rekonstruadon de la loĝeja areo Grunaer Strato. 1955 oni komencis la novkonstruon de la Malnova Foiro kaj de la interna urba centro, al kiu aldoniĝis inter 1965 ĝis 1971 la areo Prager Strato, situata inter la Malnova Foiro kaj la ĉefa stacidomo. De 1971 ĝis 1975 ekestis 18 500, de 1976 ĝis 1981 36 000 nove konstruitaj loĝejoj. Dum majo 1984 oni transdonis al la luantoj la 100 000an konstruitan loĝejon en Dresden ekde 1945.

Samtempe oni komencis la rekonstruadon kaj modernigadon de malnovloĝejaj partoj. Paralele al la kreado de novaj loĝejoj oni komencis la rekonstruadon de mondfamaj kulturaj objektoj. De 1945 ĝis 1961 nove reaperis en sia originala formo Zwinger. La Pentraĵgalerio Malnovaj Majstroj estis rekonstruita 1956 kaj preta por enpreni la artaĵojn savitajn de pereo dank' al Sovetunio. Pluaj konstruaĵoj reestiĝintaj el la ruinoj estas: la Katolika Korta Preĝejo (1945–73), la Krucpreĝejo (1946/55), Johanneum (hodiaŭ muzeo pri trafiko, 1950–68), Albertinum – galerio Novaj Majstroj, Verda Volbaĵo kaj la kolekto de skulptaĵoj (1961–1969), la Nova Urbdomo (1962–65), kaj aliaj. Komence de 1985 reinaŭguriĝis la Semper-operejo, kies rekonstruado komenciĝis 1977.

# LA KRIO

**Adel Karaŝoli**

**Kiuj okuloj eligis ĝin,**
**tiun mutan krion**
**Patrino aŭ edzino**
**Kiu ankoraŭ vivas**
**Aŭ ĉu mi estis la krianto**

*Trad. Uwe Werner*

**Deklaro de Mihail Gorbaĉov (15.1.1986):**

# Por liberigo de la mondo de atomarmiloj


Foto: Zentralbild

*La nova jaro 1986 komenciĝis. Tio estos, oni povas diri, grava jaro de turniĝo en la historio de la sovetia ŝtato, la jaro de la XXVII-a partia kongreso de KPSU. La partia kongreso fiksos la ĉefajn etapojn de la politika, soci-ekonomia kaj spirita evoluo de la sovetia socio ĝis la venonta jarmilo. Ĝi decidos la programon pri akcelado de nia pacema konstruado.*
*Ĉiuj streĉoj de KPSU direktiĝas al tio, garantii pluan plibonigon de la vivo de la sovetia popolo.*
*Ankaŭ en la internacia areno necesas turniĝo al la plibono. Ĝi estas atendata, eĉ postulata, de la popoloj de Sovetunio, de la popoloj de la tuta mondo.*
*Elirante de tio, politburoo de CK de KPSU kaj la sovetia registaro decidis tuj komence de la nova jaro pri serio da grandaj eksterpolitikaj agoj de principa graveco. Ilia senco konsistas en tio, kontribui maksimume al la pliboniĝo de la internacia situacio. Ili estas diktitaj fare de la neceso, venki la negativajn, direktitajn al konfrontado tendencojn, kiuj plifortiĝis en la pasintaj jaroj, ebenigi vojojn al la ĉesigo de la nuklea vetarmado sur la tero kaj al ĝia malebligo en la kosmo, al ĝenerala malpligrandiĝo de la militodanĝero kaj al la kreo de konfido kiel neprirezignebla komponanto de la interŝtataj rilatoj.*

## I.

La plej grava el tiuj agoj estas konkreta, ekzakte fiksitan tempospacon ampleksanta programo por la kompleta forigo de la nukleaj armiloj en la tuta mondo.
Sovetunio proponas, paŝon post paŝo kaj konsekvence realigi kaj fini la proceson de liberigo de la tero je nukleaj armiloj dum la sekvontaj 15 jaroj ĝis la jarcentfino. La 20-a jarcento donacis al la homaro la energion de la atomo. Sed tiu granda atingaĵo de la spirito povas fariĝi por la homaro la rimedo de memdetruo.
Ĉu solveblas tiu kontraŭdiro? Laŭ nia konvinko: jes. Trovi efikajn vojojn al la likvidado de nukleaj armiloj estas realigebla tasko, se oni tuj eksolvas ĝin.
Sovetunio proponas, komenci ekde 1986 la realigon de programo por la liberigo de la homaro el la timo antaŭ nuklea katastrofo. Kaj la fakto ke tiu-ĉi jaro estas deklarita fare de UN Internacia Jaro de Paco, donas al tio pluan politikan kaj moralan stimulon. Ĉe tio gravas transsalti nacian egoismon, taktikajn konsiderojn, kverelojn kaj malakordon, kiuj estas nenio kompare al la konservado de la plej granda valoro, de la paco kaj de sekura estonto. Nuklea energio servu nur kaj senescepte al la paco. Por tio neŝanceliĝante pledos nia socialisma ŝtato ankaŭ estonte.
Estis ĝuste nia lando kiu jam en 1946 kiel unua starigis kaj la demandon pri malpermeso de produktado kaj uzado de nukleaj armiloj, kaj tiun de pacema uzado de nuklea energio por la bono de la homaro.
Kiel Sovetunio hodiaŭ imagas la proceson de reduktado de nukleaj armilaroj – kaj de portiloj, kaj de batalaj eksplodkapoj – ĝis ilia kompleta forigo? Entute niaj proponoj rezultigas jenon:

**Unua etapo.**

Dum la daŭro de kvin ĝis ok jaroj USSR kaj Usono reduktos je la duono la nukleajn armilojn kiuj povas atingi la teritorion de la alia. Por la restantaj al ili tiuspecaj portiloj, ili retenas ne pli ol po 6 000 batalaj eksplodkapoj.
Memkompreneblas ke tia redukto eblas nur ĉe ambaŭflanka rezigno de USSR kaj Usono pri evoluigo, testo kaj lokigo de kosmaj ofensivaj armiloj. Sovetunio ripete avertis pri tio, ke la kreo de kosmaj ofensivaj armiloj detruos la esperojn pri redukto de nukleaj armilaroj sur la tero.
Dum la unua etapo okazos kaj realiĝos decido pri la kompleta forigo de mezdistancaj raketoj de USSR kaj Usono en la eŭropa zono – kaj de la balistikaj, kaj de la flugilaj raketoj – kiel unua paŝo sur la vojo de liberigo de la eŭropa kontinento je nukleaj armiloj.
Ĉe tio Usono devas promesligi sin, ne liveri siajn strategiajn kaj mezdistancajn raketojn al aliaj landoj, Anglio kaj Francio devas promesi, ne plimultigi siajn analogajn nukleajn armilojn.
Dekomence necesas ke USSR kaj Usono interkonsentas pri ĉesigo de ĉiu nuklea eksplodo kaj turnas sin al la aliaj ŝtatoj kun la alvoko aliĝi kiel eble plej rapide al tiu-ĉi moratorio.
La unua etapo de la nuklea malarmado koncernas USSR kaj Usonon pro tio, ke ĝuste ili devas doni al la aliaj nukleaj fortoj ekzemplon. Tion ni klarigis tute malkaŝe al la usona prezidanto Reagan dum la Ĝeneva renkontiĝo.

**Dua etapo.**

En tiu etapo, kiu komenciĝu ne pli mal-

frue ol en 1990, kaj kiu daŭras kvin ĝis sep jarojn, la aliaj nukleaj potencoj aliĝas al la nuklea malarmado. Komence ili promesdevigus sin, neplimultigi ĉiujn proprajn nukleajn armilojn kaj neposedi nukleajn armilojn sur teritorioj de aliaj landoj.
USSR kaj Usono daŭrigas dum tiu-ĉi periodo la reduktadon, pri kiu ili interkonsentis dum la unua etapo. Ili realigas ankaŭ pluajn paŝojn al forigo de siaj mezdistancaj nukleaj armiloj kaj neplimultigas iliajn taktikajn nukleajn rimedojn. Post kiam USSR kaj Usono finis la reduktadon de siaj analogaj armilaroj je kvindek procentoj dum la dua etapo, estos farata plua radikala paŝo: ĉiuj nukleaj potencoj forigas la taktikajn nukleajn armilojn, tio estas la rimedojn kun efikdistanco (agoradiuso) de ĝis 1 000 kilometroj.
Dum tiu sama etapo la sovetia-usona interkonsento pri la malpermeso de kosmaj ofensivaj armiloj devus fariĝi multflanka, ĉe deviga partopreno de la ĉefaj industriaj potencoj. Ĉiuj nukleaj potencoj ĉesigus nuklearmilajn testojn.
Estus proklamata malpermeso pri evoluigo de nenukleaj armilaroj kiuj baziĝas sur novaj fizikaj principoj kaj kiuj similas laŭ sia detruforto al la nukleaj aŭ aliaj amasmortigaj armiloj.

### La tria etapo

komenciĝas plej malfrue en 1995, en ĝia daŭro estas finita la forigo de ĉiuj aliaj nukleaj armiloj. Fine de 1999 surtere jam ne estos nukleaj armiloj. Estos ellaborata universala interkonsento, por ke tiu armilo neniam plu reviviĝu.
Per tio estas dirite, ke estos ellaborataj specialaj proceduj por la neniigo de la nukleaj armiloj kaj por la malmuntado, alikonstruado aŭ neniigo de portiloj. Ĉe tio oni interkonsentos pri la nombro de la armiloj kiuj estos detruataj dum ĉiu etapo kaj pri la lokoj kie ili estos detruataj kaj pri alia.
La kontrolo pri la armilaroj kiuj estos detruataj kaj limigataj realiĝus kaj pere de naciaj teknikaj rimedoj kaj ankaŭ pere de inspektadoj surloke. USSR pretas interkonsenti pri ĉiuj ajn aliaj plusaj kontrolrimedoj.
La akcepto de la proponita de ni programo por nuklea malarmado sendube favore efikus sur la nuntempajn du- kaj plurflankajn intertraktojn. Ĝi fiksus klare difinitajn vojojn kaj orientadopunktojn, ĝi starigus konkretajn tempolimojn por la realigo de interkonsentoj kaj ties efektiviĝo kaj ĝi donus al la intertraktoj celdirekton kaj celkonscion. Per tio interrompiĝus la danĝera tendenco, ke la vetarmado pli rapide antaŭenmarŝas ol la intertraktoj donas rezultojn.
Kaj tiel ni proponas eniri en la trian jarmilon sen nukleaj armiloj sur la bazo de reciproke akcepteblaj kaj strikte kontroleblaj interkonsentoj. Se la registaro de la Unuiĝintaj Ŝtatoj, kiel ĝi plurfoje deklaris, havas la celon forigi la nukleajn armilojn komplete kaj ĉie, do estas donata al ĝi la praktika ebleco fari tion vere. Ĉu ne estas pli racie, anstataŭ disipi la sekvontajn dek ĝis 15 jarojn per la kreado de novaj, por la homaro ekstreme danĝeraj armiloj en la kosmo, kiuj laŭpretekste superfluigas la nukleajn armilojn, ekneniigi tiujn-ĉi armilojn kaj redukti ilin finfine ĝis nulo? Ĝuste tiun vojon, tion mi ripetas, proponas Sovetunio.
Sovetunio turnas sin kun la alvoko al ĉiuj popoloj kaj ŝtatoj, unuavice kompreneble al la nukleaj potencoj, subteni la programon por la forigo de nukleaj armiloj ĝis la jaro 2000. Por ĉiu senantaŭjuĝa homo evidentas ke per la realigado de tia programo neniu ion perdas, sed ĉiu gajnas. Temas pri problemo kiu havas signifon por la tuta homaro, kaj ĝi povas kaj devas esti solvata nur komune. Ju pli rapide efektiviĝos tiu programo per praktikaj agoj, des pli sekura fariĝos la vivo sur nia planedo.

## II.

Direktite per tiu alirmaniero kaj per la klopodo entrepreni kroman praktikan paŝon konekse kun la programo pri nuklea malarmado, Sovetunio faris gravan decidon.
Ni daŭrigas je tri monatoj nian unuflankan moratorion pri ĉiuj nukleaj eksplodoj, kies limigita tempo finiĝis la 31-an de decembro 1985. Tiu-ĉi moratorio estos efika ankaŭ poste, se Usono ankaŭ siaflanke finos la nukleajn testojn. Ni proponas al la Unuiĝintaj Ŝtatoj ankoraŭfoje, aliĝi al tiu-ĉi iniciativo kies signifo estas evidenta efektive por ĉiu en tiu-ĉi mondo.
Estas klare, ke estis tute ne facile por ni, fari tian decidon. Sovetunio ne povas ĝiseterne sin reteni unuflanke de nukleaj testoj. Sed la celo estas tro valora, la respondeco tro granda, ol ke ni ne entreprenus ĉiun eblan por efiki per la forto de ekzemplo sur la sintenon de la aliaj. Ĉiuj fakuloj, sciencistoj, politikistoj kaj militistoj konsentas pri tio, ke la ĉesigo de la testoj vere fidinde ŝtopas ĉiujn kanalojn por la perfektigo de nukleaj armiloj. Kaj tio estas unuaranga tasko. La redukto de la nuklearmilaj arsenaloj sole, sen malpermeso de la nuklearmilaj testoj, ankoraŭ ne estas eliro el la dilemo de nuklea danĝero, ĉar la restanta parto estas modernigata kaj restas la eblo krei ĉiam pli rafinitajn mortigajn nukleajn armilojn kaj testi novajn versiojn de tiuj armiloj en testregionoj.
Sekve la ĉesigo de la testoj estas praktika paŝo al la forigo de la nukleaj armiloj.
Antaŭe mi deziras diri jenon: Ebla atentigo pri la kontrolo kiel obstaklo por la enkonduko de moratorio pri nukleaj eksplodoj estas tute senmotiva. Ni deklaras kun tuta decideco: Kontrolo por ni ne estas problemo. Se Usono akceptas la ĉesigon de ĉiuj nukleaj eksplodoj sur reciproka bazo, la necesa kontrolo pri la plenumado de la moratorio estas plene garantiata per naciaj teknikaj rimedoj kaj ankaŭ pere de internaciaj proceduj, en necesaj kazoj ankaŭ per inspektadoj surloke. Ni invitas Usonon interkonsenti pri tio. USSR decide pledas por tio, ke la moratorio estu duflanka kaj poste multflanka agado. Ni pledas ankaŭ por tio, rekomenci la triflankajn intertraktojn (en kiuj partoprenas USSR, Usono kaj Grandbritio) pri ĝenerala kaj plena malpermeso de nuklearmilaj testoj. Tio povus okazi tuj, jam ĉimonate. Ni ankaŭ pretas komenci plurflankajn intertraktojn pri malpermeso de la testoj kadre de la Ĝeneva malarmada konferenco, en kiuj povas partopreni ĉiuj nukleaj potencoj.
La nealiancitaj landoj proponas organizi konsultadojn kun la celo pligrandigi la efikon de la Moskva kontrakto de 1963 pri la malpermeso de nuklearmilaj testoj en la atmosfero, en la kosma spaco kaj sub la akvo, inkludante nun ankaŭ subterajn testojn, kiujn tiu-ĉi kontrakto ne enhavas. Ankaŭ pri tio konsentas Sovetunio.
Ekde pasintjara somero ni alvokadas Usonon sekvi nian ekzemplon kaj ĉesigi la nukleajn eksplodojn. Vaŝingtono tion ne faris ĝis nun, kontraŭ la protestoj kaj la postuloj de la publiko, kaj kontraŭ la volo de la plej multaj ŝtatoj de la mondo. Per eksplodigo de ĉiam denovaj nukleaj ŝargaĵoj la amerika flanko daŭrigas la ĉason al la neplenumebla revo pri milita supereco. Tio estas senfrukta kaj danĝera politiko, politiko kiu ne indas je la nivelo de la civilizacio, kiun atingis la moderna socio.
Pro manko de pozitiva reago de Usono, la sovetia flanko havis la plenan rajton rekomenci nukleajn testojn jam ekde la 1-a de januaro 1986. Laŭ la ordinara „logiko" de la vetarmado, oni estus evidente devinta procedi tiel.
Sed ĝuste tia, mi pardonpetas, logiko devas esti decide venkata. Ni faras ankoraŭ unu provon en tiun-ĉi direkton. Aliakaze la proceso de milita vetkurado ŝanĝiĝas al lavango, ĉar ĉiu kontrolo pri la disvolviĝo de la eventoj fariĝus neebla. Ne estas permeseble akcepti la nuklean vetarmadon kiel naturan potencon. Ĉar tio signifus agi kontraŭ la voĉo de racio, kontraŭ la homa sento de sinkonservo. Necesas nova, kuraĝa alirmaniero, nova politika pensmaniero kaj nova, sagaciĝinta konscio pri la respondeco por la sorto de la popoloj.

Denove la usona registaro havas kroman tempon pripensi kaj pozitive respondi niajn proponojn pri la ĉesigo de nukleaj eksplodoj. Ĝuste tiu-ĉi reago de Vaŝingtono estas atendata en la tuta mondo.
Sovetunio sin turnas kun sia alvoko al la prezidanto kaj al la Kongreso de Usono, al la usona popolo. Estas eble haltigi la proceson de pliperfektigado de nukleaj armiloj kaj de evoluigado de novaj nukleaj armiloj. Tiu-ĉi ebleco ne devas resti neutiligata. La sovetiaj proponoj metas USSR kaj Usonon en saman situacion. Ili ne entenas provojn superruzi aŭ trompi la alian flankon. Ni proponas ekiri la vojon de raciaj, respondeckonsciaj decidoj.

## III.

Por realigi programon de reduktado kaj forigado de nuklearmilaj arsenaloj necesas movigi la tutan ekzistantan intertraktadan sistemon kaj garantii maksimuman efikecon de la malarmada mekanismo.
Dum tiuj-ĉi tagoj rekomenciĝas en Ĝenevo la sovetiaj-usonaj intertraktoj pri nukleaj kaj kosmaj armiloj. Dum la renkontiĝo kun la prezidanto R. Reagan en novembro de pasinta jaro en Ĝenevo ni havis malkaŝan interparolon pri la tuta problemaro kiu estas temo de tiuj-ĉi intertraktoj, tio estas pri la kosmo, pri la strategiaj ofensivaj armiloj kaj pri la mezdistancaj nukleaj armiloj. Ni interkonsentis plirapidigi la intertraktojn, kaj tiu interkonsento devas ne resti nura deklaracio.
La sovetia delegacio venas al Ĝenevo kun la komisio agi en strikta akordo kun tiu interkonsento. Ni atendas de la usona flanko same konstruivan aliron, precipe koncerne la problemon de la kosmo. La kosmo devas resti paca. Tien ofensivaj armiloj devas ne esti alportotaj, kaj ili devas esti eĉ ne evoluigotaj. Kaj estu kreota por tio la plej severa kontrolo, inkluzive la malfermo de laboratorioj por inspektadoj.
La homaro troviĝas en respondecplena etapo de nova kosma erao. Kaj estas tempo liberiĝi el la pensado laŭ la kategorioj de la ŝtonepoko, kiam la ĉefa zorgo konsistis en tio, havigi al si pli grandan bastonegon aŭ pli pezan ŝtonon. Ni estas kontraŭ armiloj en la kosmo. Niaj materiaj kaj spiritaj fortoj garantias al Sovetunio la eblon evoluigi ĉiun armilon, se oni devigas nin agi tiel. Sed ni ekkonas la tutan grandecon de respondeco por la nuna kaj venontaj generacioj. Laŭ nia profunda konvinko oni ne iru en la trian jarmilon kun la „stelmilita" programo, sed kun grandiozaj projektoj por pacema esplorado de la kosmo pere de la fortoj de la tuta homaro. Ni proponas komenci praktike tiajn projektojn kaj realigi ilin. Tio estas unu el la plej gravaj vojoj al la sekurigo de la progreso sur nia planedo kaj al la kreo de fidinda sistemo de sekureco por ĉiuj.
Ne allasi ke la vetarmado etendiĝas en la kosmon signifas ankaŭ forigi la obstaklojn por profunda reduktado de nukleaj armiloj. Sur la intertraktada tablo en Ĝenevo kuŝas la sovetia propono por la reduktado de la koncernaj nukleaj armiloj de USSR kaj Usono je la duono, kio estas grava paŝo sur la vojo al plena forigo de nukleaj armiloj. Malebligi la solvon de la problemo de la kosmo signifas ne deziri ĉesigon de la vetarmado sur la tero. Tion oni devas diri tute rekte kaj aŭdeble por ĉiuj. Ne estas hazardo ke la anoj de nuklea vetarmado estas ankaŭ fervoraj defendantoj de la „stelmilita" programo. Tio estas du flankoj de unu kontraŭhoma politiko.
Nun pri la eŭropa aspekto de la nuklearmila problemo. Eksterordinaran zorgon elvokas la fakto ke kontraŭe al la sana homa racio, kontraŭ la naciaj interesoj de la eŭropaj popoloj daŭras en kelkaj landoj de okcidenta Eŭropo la lokigado de usonaj unuafrapaj raketoj. Tiu problemo estas pritraktata jam ekde multaj jaroj. Sed la kondiĉoj por la sekureco en Eŭropo fariĝas dume pli kaj pli malbonaj. Estas tempo haltigi tiun evoluon de la eventoj kaj distranĉi tiun gordian nodon. Jam delonge Sovetunio proponas liberigi Eŭropon je nukleaj armiloj kaj mezdistancaj kaj taktikaj. Tiu ĉi propono restas valida. Kiel unuan, radikalan paŝon en tiun-ĉi direkton ni nun proponas ankaŭ, kiel mi jam diris, forigi jam dum la unua etapo de la proponita de ni programo ĉiujn balistikajn kaj flugilajn raketojn mezdistancajn de USSR kaj Usono en la eŭropa zono.
La atingo de praktikaj rezultoj dum la Ĝenevaj intertraktoj signifus disponigi al la proponita de ni programo pri plena forigo de nukleaj armiloj ĝis la jaro 2000 gravan materian enhavon.

## IV.

Sovetunio konsideras tute reala la taskon forigi ankoraŭ dum nia jarcento ankaŭ tiel barbaran amasmortigan armilon kiel estas la kemia armilo.
Dum la intertraktoj pri kemiaj armiloj kadre de la Ĝeneva malarmada konferenco montriĝis dum la lasta tempo certa moviĝo antaŭen. Sed tiuj-ĉi intertraktoj nepermeseble malakcelis. Ni pledas por pliintensigo de la intertraktoj pri interkonsento pri efektiva, kontrolebla internacia konvencio pri la malpermeso de kemiaj armiloj kaj pri la neniigo de ekzistantaj stokoj de tiuj-ĉi armiloj, kiel tio estas interkonsentita kun la prezidanto de Usono, Ronald Reagan, en Ĝenevo.
Koncerne la malpermeson de kemiaj armiloj estas postulata, kiel ankaŭ ĉe la aliaj malarmadaj problemoj, de ĉiuj partoprenantoj al la intertraktoj nova rigardo al la aferoj. Mi volas tute decide substreki ke Sovetunio estas por la plej baldaŭa kaj plena forigo de tiuj-ĉi armiloj kaj eĉ de la industria bazo por ilia produktado. Ni pretas garantii ĝustatempan konatigon de la lokoj de la entreprenoj por la produktado de kemiaj armiloj kaj la ĉesigon de la produktado de tiuj-ĉi armiloj, komenci ellaboradon de proceduroj por neniigi koncernan produktadan bazon, kaj mallonge post validiĝo de la konvencio ankaŭ komenci la neniigon de la stokoj je kemiaj armiloj. Ĉio-ĉi okazus sub severa kontrolado, inkluzive internacia prigardado surloke.
Ankaŭ kelkaj interpaŝoj kontribuus al la radikala solvo de la problemo. Tiel oni povus ekzemple, sur multflanka bazo, interkonsentiĝi pri nepludisvastigo de kemiaj armiloj al kiu ajn, pri ilia nelokigo sur la teritorio de aliaj ŝtatoj. Ĝuste Sovetunio ĉiam strikte lasis sin gvidi en sia praktika politiko de tiuj-ĉi principoj. Ni alvokas la aliajn ŝtatojn sekvi tiun ekzemplon kaj reteni sin sammaniere.

## V.

Kune kun la forigo de amasmortigiloj el la arsenaloj de la ŝtatoj, Sovetunio proponas ke konvenciaj armiloj kaj militfortoj fariĝu temo de komune decidotaj reduktoj.
La signalo por komenciĝo de moviĝo en tiun-ĉi direkton povus esti interkonsento dum la Vienaj intertraktoj. Nun konturiĝas certagrade la konturoj de ebla decido pri redukto de la sovetiaj kaj usonaj trupoj kaj pri la posta nepligrandigo de la trupofortoj de la reciproke kontraŭstarantaj grupoj en meza Eŭropo. Sovetunio, niaj aliancitoj en Varsovia kontrakto havas la firman volon atingi sukceson dum la Viena intertraktoj. Se ankaŭ la alia flanko vere alstrebas tion, la jaro 1986 povus fariĝi decida punkto dum la intertraktoj en Vieno. Ni eliras de la premiso ke ebla interkonsento pri trupo-reduktado kompreneble bezonas racian kontrolon. Je tio ni pretas. Koncerne la observadon de la sindevigo al nepligrandigo de la trupofortoj oni povus suplemente al la naciaj teknikaj rimedoj establi konstantajn kontrolpunktojn kiuj prigardas la translokadon de ĉiuj ajn trupokontingentoj en la reduktozonon.
Nun pri tiel grava forumo kiel la Stokholma konferenco pri konfidigaj kaj sekurecigaj paŝoj kaj malarmado en Eŭropo. Ĝi estas destinita certigi ke bariĝas la vojo al perforto kaj al kaŝita preparado al milito – ĉu surtera, ĉu surakva aŭ ĉu enaera. Eblecoj por tio konturiĝas. Laŭ nia opinio devas, precipe en la hodiaŭa situacio, esti reduktata la laŭnombra forto de trupoj kiuj partoprenas en grandaj militekzercoj, kiuj laŭ la fina akto de Helsinki devas esti anoncataj antaŭe.

Estas tempo efektive ektrakti ankaŭ nesolvitajn problemojn dum la konferenco. La kritika punkto tie estas konate la problemo de antaŭanonco de grandaj ekzercoj de la teraj, maraj kaj aeraj militfortoj. Tio estas kompreneble severaj problemoj, kaj ili devas esti fundamente solvataj en la intereso de pliprofundigo de la konfido en Eŭropo. Sed se nuntempe ni ne sukcesus solvi ilin komplekse, kial ne serĉi partajn solvojn? Ni diru, pritrakti nun la anoncadon de grandaj manovroj de surteraj kaj enaeraj militfortoj, sed prokrasti ĝis la sekvonta etapo de la konferenco la problemon de militaj aktivecoj surmaraj.
Tute ne estas hazardo ke konsiderinda parto de la novaj sovetiaj iniciativoj turnas sin rekte al Eŭropo. Ĉe fundamenta turniĝo al la politiko de paco, Eŭropo povus havigi al si apartan mision. Tiuĉi misio konsistas en tio, novstarigi la konstruaĵon de malstreĉiĝo.
Por tio Eŭropo disponas je la necesa, ne malofte unika historia sperto. Sufiĉas memorigi pri tio ke per komunaj streĉoj de Eŭropanoj, de Usono kaj Kanado realiĝis la fina akto de Helsinki. Tiu-ĉi historia dokumento povas esti aprezata multrilate kiel konkreta kaj videbla ekzemplo por novaj pensmaniero kaj politika psikologio ĉe aliro al la problemoj de paco, de kunlaboro kaj de internacia konfido.

## VI.

Por Sovetunio kiel unu el la plej grandaj aziaj potencoj estas la certigo de sekureco en Azio vivnecesa. La sovetia programo por forigo de nukleaj kaj kemiaj armiloj ĝis fino de nia jarcento respondas al la esperoj de la popoloj de azia kontinento, por kiuj la problemoj de paco kaj sekureco ne estas malpli aktualaj ol por la popoloj de Eŭropo. Oni ne povas ne memorigi pri tio ke Japanio, ĝiaj urboj Hiroŝimo kaj Nagasaki fariĝis viktimoj de la atombombo, kaj ke Vjetnamio fariĝis loko de apliko de kemiaj armiloj.
Ni alte taksas la konstruivajn iniciativojn de la aziaj socialismaj landoj, de Hindio kaj de aliaj ŝtatoj de la movado de nealiancitaj landoj. Ni opinias ankaŭ tre signifoplena la sindevigon de la du sur la azia kontinento situantaj nukleaj potencoj – USSR kaj Popola Respubliko de Ĉinio – ne kiel unuaj uzi nukleajn armilojn.
La realigado de nia programo ŝanĝus la situacion en Azio fundamente, liberigus la popolojn ankaŭ en tiu-ĉi parto de la terglobo je la timo antaŭ nuklea kaj kemia minacoj kaj levus la sekurecon en tiu regiono sur laŭkvalite novan ŝtupon.
Ni konsideras nian programon kontribuaĵo por tio, serĉi kune kun ĉiuj landoj de Azio multampleksan kaj kompleksan aliradon al la formigo de sistemo por sekura kaj daŭra paco sur tiu-ĉi kontinento.

## VII.

Niaj novaj proponoj estas adresataj al la tuta mondo. La transiro al aktivaj paŝoj por la ĉesigo de la vetarmado kaj por la armadoreduktado estas nepra antaŭkondiĉo ankaŭ por la solvo de ĉiam pli akraj tutmondaj problemoj – detruado de la ĉirkaŭaĵo de la homoj, neceso de serĉado je novaj energifontoj, lukto kontraŭ ekonomia neprogresinteco, malsato kaj malsanoj. La altrudita fare de militarismo principo „Armado anstataŭ evoluigo" devas esti anstataŭata per la principo „Malarmado por evoluigo". La sufokilo de bilion-dolara enŝuldeco, kiu nuntempe gorĝopremas dekojn da landoj kaj tutajn kontinentojn estas rekta sekvo de la vetarmado. La pli ol 250 miliardoj da dolaroj, kiuj estas elpremataj ĉiujare el la evolulandoj, estas sumo kiu en la praktiko kongruas kun la amplekso de la giganta armada buĝeto de Usono. Kaj laŭesence tiu-ĉi kongruo tute ne estas hazardo.
Sovetunio pledas por tio, ke ĉiu paŝo al limigo kaj redukto de armilaro, kaj ĉiu paŝo sur la vojo de liberigo je nukleaj armiloj donas al la popoloj pli da sekureco, sed ebligas ankaŭ disponigi pli da rimedoj por la plibonigo de la vivkondiĉoj de la homoj. La popoloj kiuj volas venki neprogresintecon kaj atingi la nivelon de industrie alte evoluitaj landoj ne hazarde ligas la perspektivojn por sia liberigo je ŝuldodependeco de imperiismo, elsuĉanta sian ekonomion, kun la limigado kaj likvido de armilaroj, kun malpligrandigo de porarmadaj elspezoj kaj kun la translokado de rimedoj por celoj de socia kaj ekonomia evoluigo. Tiu-ĉi temo sendube havos gravan lokon dum la baldaŭa internacia konferenco pri malarmado kaj evoluigo ĉisomere en Parizo.
Sovetunio estas kontraŭ tio, ke la realigado de malarmadaj paŝoj estas dependigata de tiel nomataj regionaj konfliktoj. Malantaŭ tio kaŝiĝas la nevolo iri la vojon de malarmado, kiel ankaŭ la strebado altrudi al suverenaj popoloj fremdan volon kaj tiajn ordojn kiuj ebligus konservi la plene kaj tute maljustajn kondiĉojn por la ekzistado de landoj je la kostoj de aliaj, por la eluzo de iliaj homoj, de iliaj naturaj, homaj kaj spiritaj eblecoj pro egoismaj kaj imperiaj celoj de unuopaj ŝtatoj aŭ agresemaj grupiĝoj. Sovetunio jam ĉiam estis kaj ankaŭ estonte estos kontraŭ tio. Ĝi estis kaj restos konsekvenca defendanto de la libereco de la popoloj, de paco, sekureco kaj de la firmigo de la internacia jura ordo. Ĝia celo estas ne eksciti regionajn konfliktojn, sed pere de kolektivaj streĉoj likvidi ilin sur justa bazo, ju pli rapide, des pli bone.
En niaj tagoj ne mankas solendeklaroj pri sindoneco al la afero de paco. Sed sentiĝas manko je konkretaj agoj por la firmigo de ĝia bazo. Tro ofte kaŝiĝas malantaŭ vortoj de pacemo politiko de preparado de milito kaj pozicio de forto. Ankoraŭ plu, desur altaj tribunoj aŭskulteblas deklaroj kiuj fakte estas direktataj al reforigo de tiu novo kiu hodiaŭ agrable karakterizas la internaciajn rilatojn – de la „spirito de Ĝenevo". Tio ne limiĝas al deklaroj. Estas entreprenataj agoj kiuj evidente celas inciton de malamikeco kaj malkonfido, renaskiĝon de la kontraŭo de malstreĉiĝo – la atmosferon de konfrontado.
Ni neas tian ag- kaj pensmanieron. Ni deziras ke la jaro 1986 ne fariĝu simple paca jaro, sed ke ĝi kreu ankaŭ la eblecon ke la 20-a jarcento finiĝu sub la stelo de paco kaj malarmado. Tiu proponita de ni komplekso de novaj eksterpolitikaj iniciativoj celas tion ke la homaron eniru la jaron 2000 sub pacema ĉielo kaj kun paca kosmo, ke ĝi ne timu nuklean, kemian aŭ iu ajn alian danĝeron de neniigo, kaj ke ĝi firme kredu al la propra postvivo kaj postekzistado de la homa gento.
La nun de Sovetunio entreprenitaj novaj, decidaj agoj por la gardo de la paco kaj por la sanigo de la tuta internacia situacio estas esprimo de la esenco kaj de la spirito de nia interna kaj ekstera politiko kiel ankaŭ de ilia esenca kunfandiĝo, de tiu fundamenta historia leĝeco kiun substrekis Vladimir Iljiĉ Lenin. La tuta mondo vidas ke nia lando pli alten tenas la standardon de paco, de libereco kaj de humanismo, kiun la Granda Oktobro levis super la terglobo.
Kiam temas pri la gardo de la paco, pri la protekto de la homaro kontraŭ la danĝero de nuklea milito, neniu rajtas resti flanke staranta aŭ nepartoprenanta. Tiuĉi afero koncernas ĉiujn kaj ĉiun. Ĉi-tie gravas la kontribuaĵo de ĉiu ŝtato, ĉu granda, ĉu malgranda, ĉu socialisma, ĉu kapitalisma. Ĉi-tie gravas la kontribuaĵo de ĉiu respondeckonscia politika partio, de ĉiu socia organizo, de ĉiu unuopa homo.
Ne estas pli grava, pli nobla kaj pli humana tasko ol tiu, unuigi ĉiujn streĉojn por atingi tiun altan celon. Tiun taskon la homoj de niaj generacioj devas majstri. Ili ne rajtas restigi ĝin por la posteuloj. Tio estas la ordono de la tempo, se oni volas diri tion tiel, la ŝarĝo je historia respondeco por niaj decidoj kaj agoj en la restanta ĝis komenciĝo de la tria jarmilo tempo.
La kurso de paco kaj de malarmado estis kaj restos la kerno de la ekstera politiko de KPSU kaj de la sovetia ŝtato. Sovetunio, kiu aktive sekvas tiun-ĉi kurson, pretas je multampleksa kunagado kun ĉiuj, kiuj agadas racie, kun bona volo kaj kun la konscio pri sia respondeco por la estonto de la homaro, por estonto sen militoj kaj sen armiloj.

*Trad. Ulrich Becker*

Adam Daniel Rotfeld

# La proceso de Helsinki: Signifo kaj perspektivoj

Centoj da libroj estas skribitaj pri la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo (KSKE), kaj la tuta KSKE-problemaro ampleksas bibliografion de ĉirkaŭ 20 000 publikaĵoj. Konsidere al la fakto, ke la intertraktadoj en la kadro de tiu ĉi proceso okazas malantaŭ fermitaj pordoj kaj neniuj protokoloj estis publikigitaj, la raportoj de rektaj ĉeestantoj havas specialan valoron. Sekve de tio konstante plimultiĝas la nombro de publikaĵoj de analizoj kaj dokumentaj raportoj kaj ankaŭ rememoroj de diplomatoj, kiuj partoprenis la KSKE-traktadojn. Libroj de tiu speco aperis en USSR, Usono, Pollando, Nederlando, Svisio, Jugoslavio, FRG, Hispanio kaj en aliaj landoj. La tezoj, kiujn ili enhavas, respondas en la regulo al la oficiala vidpunkto, kiun iliaj aŭtoroj esprimis kiel reprezentantoj de siaj landoj dum la intertraktadoj.

La akcepto de la Fina Akto de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo okazis kun la intenco „plene utiligi la rezultojn de la konferenco kaj certigi al siaj ŝtatoj kaj al la tuta Eŭropo utilon fluantan el ĉi tiuj rezultoj, kaj per tio la procedon de malstreĉiĝo plivastigi, pliprofundigi kaj certigi ĝian daŭrigon kaj fari ĝin daŭra" (el la antaŭparolo de la Fina Akto).

Sed la lastaj jaroj estis karakterizitaj de iompostioma, sed tamen progresanta malpliboniĝo de la rilatoj inter Oriento kaj Okcidento. Antaŭ tiu ĉi fono ŝajnas konvena la demando, ĉu la Fina Akto de KSKE haltigis la proceson de malpliboniĝo de la situacio en Eŭropo – kaj se tio sukcesis, ĝis kia grado – ĉar al plibonigo ĝi ne kontribuis.

Paŝoj konekse kun la efektivigo de la Fina Akto de KSKE estis enkondukitaj en diversaj landoj en Oriento kaj Okcidento tuj post la fino de la Konferenco de Helsinki, en aŭgusto 1975. En Pollando la Politika Buroo de la Centra Komitato de la Pola Unuiĝinta Laborista Partio kaj la Prezidio de la registaro decidis du tagojn post la reveno de la pola delegacio el Helsinki starigi tiucelan specialan programon. Post ĝia ellaboro kaj akcepto kiel decido de la Ministra Konsilantaro, la 20-an de marto 1976, tiu programo estis rigardata kiel ĉefa linio por la aktivecoj de la kompetentaj polaj instancoj ĉe la realigo de la principoj kaj rekomendoj de KSKE. La dokumento, direktita al ĉiuj ministroj kaj estroj de centraj instancoj, devigis ilin enkonduki en la lando mem kaj en ĉiuj sferoj de la internacia kunlaboro la necesajn paŝojn. Surbaze de tiu ĉi dokumento okazis ekzameno de la polaj leĝoj kaj ilia adapto al la devoligoj rezultantaj el la Fina Akto de KSKE, tie, kie adapto necesis. En komuna intertraktado kun preskaŭ ĉiuj partoprenintoj de la Konferenco komenciĝis la realigo de la principoj kaj decidoj en la sfero de duflankaj rilatoj. Ankaŭ aliaj socialismaj kaj kelkaj okcidentaj landoj, ĉefe membroj de la movado de nealiancitaj ŝtatoj faris similajn paŝojn. En la NATO-landoj gajnis superecon la opinio, ke la Fina Akto de KSKE estu uzata ne kiel rimedo por kunlaboro, sed kiel ilo de konfrontado kun la socialismaj landoj. Iuj difinoj (ĉefe iuj aspektoj de la homaj rajtoj kaj de la tielnomata korbo 3), estis apartigitaj el la bazaj principoj kaj el kelkcentoj da detalaj proponoj kaj utiligitaj kiel propagandilo. Max Kampelman (la nuntempa estro de la usona delegacio ĉe la intertraktadoj en Ĝenevo) diris pri tio tre malkaŝe en interparolo kun George Urban: „Nia tasko estas komprenigi al la mondo, ke la sovetiaj instancoj sentis sin devigitaj akcepti niajn ideojn pri la problemoj de la homaj rajtoj kaj de la rajto je memdeterminado de la popoloj, kaj utiligi en nia publika diplomatio tiujn ideojn plej vaste („Encounter", marto 1985, p. 29). Oni povas nur imagi la reagon de la usona registaro, se la estro de la sovetia delegacio farus similan deklaron, asertante, ke la usona administracio estus devigita akcepti sovetiajn postulojn, kaj utiligante tiun fakton por atingi maksimuman propagandan efekton.

La Fina Akto de KSKE ne prezentas kolekton de postuloj kaj de unu kaj de la alia flanko, sed estas komune akceptita dokumento, kiu enhavas samajn direktivojn kaj fiksas reguligojn por ĉiuj partoprenantoj. Tio rilatas ne nur la problemaron de homaj rajtoj. Laŭ la pritaksado de la usona registaro rilate la mandaton por la Konferenco en Stokholmo, fiksitan dum la renkontiĝo en Madrid, Usono kaj ĝiaj aliancanoj devas atenti pri tio, ke la taskoj de la konferenco „ne evoluu al vage formulita mandato por malarmado . . ." (Department of State Bulletin, Septembro 1983).

La oficiala nomo de la Stokholma Konferenco nun estas „Konferenco pri Konfidigaj kaj Sekurecigaj Aranĝoj kaj Malarmado en Eŭropo". Tamen oficialaj dokumentoj kaj la gazetaro en Usono uzas la mallongigon „CDE" (Konferenco pri malarmado en Eŭropo), kio sugestas, ke temas pri konferenco ekskluzive pri malarmado. Tio okazas, ĉar en Usono oni

*En la „Finnlanda Halo" en Helsinki okazis 1975 la Konferenco pri kunlaboro kaj sekureco en Eŭropo.* Foto: Zentralbild



rigardas la tutan KSKE-proceson ekskluzive el la vidpunkto de ĝia uzebleco por propagandaj celoj (nomata „publika diplomatio") respektive kiel rajtigo kontroli la socialismajn ŝtatojn.
Fakto tamen estas, ke la Fina Akto de Helsinki al neniu donis la rajton ekzameni kaj prijuĝi la politikon de iu ŝtato fare de iu alia. Tiu ĉi tasko estis nek komisiita al iu, nek oni fiksis tiurilate iun ajn procedon. Malgraŭ tio la usona Kongreso nomigis unu jaron post la fino de KSKE, la 3-an de junio 1976, la Komisionon pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo, konata kiel Fascell-komisiono (laŭ ĝia prezidanto Dante B. Fascell).
La rezolucio 94-304 difinis la taskojn de la komisiono jene: „La komisiono estas rajtigita kaj instrukciita observadi tiujn agadojn de la subskribintaj ŝtatoj, en kiuj esprimiĝas aŭ la plenumado de la Fina Akto de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo (KSKE) aŭ la malobeo al ĝi, kaj farante tion ĝi devas ĉefe direkti sian atenton je disponoj pri la kunlaboro en la humanisma sfero."
La kreado de tiaj organoj estus akordigebla kun la decidoj de KSKE, se ili starigus al si la taskon pritaksi la realigon de la Fina Akto de Helsinki kaj krei konvenajn kondiĉojn por tio en Usono mem. En vero la komisiono okupiĝis bedaŭrinde nur ekskluzive pri la situacio en la socialismaj ŝtatoj, kaj la rezultoj de ĝia laboro estas publikigataj ĉiujn ses monatojn en specialaj raportoj de la usona prezidanto (ĝis nun aperis 18 tiaj raportoj). La usona administracio provis leĝigi tiun ĉi interpretadon de la KSKE-proceso dum la renkontiĝoj en Beograd kaj Madrid kaj ankaŭ antaŭ nelonge en Ottawa. Tiu ĉi agmaniero kaŭzis pli altan streĉitecon kaj pli akran polemikon kaj konfrontadon. Sekve de tio la beograda renkontiĝo povis akcepti formalan komunikajon, en kiu estis certigita nur la daŭrigo de la KSKE-proceso. En Ottawa eĉ ne estis eble akcepti tian dokumenton.
La evidenta realismo en Madrid kaj la tie montrita preteco al kompromiso kreis favoran klimaton por komunaj opinioj pri multaj bazaj demandoj, ankaŭ pri la decida demando, ĉu plivastigi la KSKE-proceson al aspektoj de armea sekureco. La principoj kaj decidoj de KSKE direktas sin ne nur al unusola ŝtatogrupo, sed estas same devigaj por ĉiuj 35 partoprenantoj de la proceso. La renkontiĝo de Madrid akceptis, laŭ pola iniciativo, proponon por plialtigi per ĉiuj rimedoj kaj jure kaj praktike la efektivecon de la aplikado de la dek principoj. Tio koncernas la fortigon de la principo de netuŝebleco de la landlimoj, kio necesigos konformajn aldonojn en la leĝoj konforme al la praktiko kaj la procedoj en ĉiu lando. (Fina dokumento de la rekontiĝo de Madrid, p. 6.) Paŝoj en tiun direkton flanke de la registaro kaj de la Federacia Parlamento de FRG sendube plialtigus la kredindecon de la deklaroj, donitaj de politikistoj de tiu ĉi lando.
Ofte oni povas renkonti la ege plisimpligitan opinion, ke la disiga linio en la KSKE-proceso pasas inter Oriento kaj Okcidento. Sed tio ne estas ĝusta, eĉ se la Unuiĝintaj Ŝtatoj pere de NATO penas, por ke iliaj okcidenteŭropaj aliancanoj akceptu la linion ellaboritan de Washington. Estas fakto, ke nek unu registaro de Usono kapablis kompreni la realigion de la KSKE-rezolucioj kiel profitigan por la naciaj interesoj de Usono. Kontraŭe tion opinias la plimulto de eŭropaj ŝtatoj en Oriento kaj Okcidento, de la membroŝtatoj de la Varsovia Kontrakto same kiel de la membroŝtatoj de la Nord-atlantika Pakto kaj de la nealiancitaj ŝtatoj. Tio estis konfirmita dum la renkontiĝo de la ministroj pri eksterlandaj aferoj el 35 ŝtatoj, en Helsinki, de la 30-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 1985. Dum tiu ĉi renkontiĝo la ministro Stefan Olszowski faris sekvan deklaron en la nomo de Pollando: „Hodiaŭ ni denove substrekas nian decidemon insisti pri la KSKE-proceso. En ĝi esprimiĝas la nedisegebla sorto de la eŭropaj nacioj kaj la konscio pri la neceso de kunlaborado. Pollando plenumas serioze siajn devigojn, sed ni atendas la saman seriozan sintenon flanke de niaj partneroj."
La nova sovetia ministro pri eksterlandaj aferoj Eduard Ŝevardnadze diris en Helsinki: „Por realigi siajn ampleksajn planojn USSR bezonas daŭran pacon en Eŭropo kaj en la mondo. La popoloj de aliaj landoj direktas la saman postulon al siaj registaroj."
En siaj deklaroj la plimulto de la ministroj, kiuj partoprenis en la renkontiĝo en Helsinki, firmigis tiun ĉi opinion.
Sub la „ŝirmilo" de KSKE la evoluo de la rilatoj inter ambaŭ germanaj ŝtatoj plifaciliĝos. Al la neŭtralaj ŝtatoj ĝi ebligas aktivan partoprenadon en la eŭropa politiko. Por Malto la demandoj de Mediteranio estas signifaj. La „Sankta Trono" vidas en ĝi garantion de la religia libereco. Jugoslavio kaj Rumanio, Cipro kaj Turkio havas siajn proprajn interesojn en la proceso. Ĉiuj partoprenantoj havas siajn interesojn, nur Usono estas la plej malmulte interesata ŝtato. Tio vidigas sin en la pozicio, kiun defendis la ministro pri eksterlandaj aferoj George Shultz. En sia parolado li koncentriĝis denove al iuj aspektoj de la homaj rajtoj el la sfero de la interna ŝtata jurisdikcio de la ŝtatoj; aliflanke li ignoris la ĉefajn problemojn de sekureco kaj kunlaboro, kiuj formas la karakteron de la KSKE-proceso.
En la plej multaj paroladoj regis tamen la konvinko, ke la renkontiĝo de 35 ministroj pri eksterlandaj aferoj kondukos al redukto de la konfrontado kaj al plivigligo de la kunlaboro. La renkontiĝo ne havis nur simple formalan karakteron, ĉar ĝi prezentis forumon por duflankaj interparoloj (la pola ministro havis 18 tiajn renkontiĝojn).
La nova sovetia ministro pri eksterlandaj aferoj Eduard Ŝevardnadze, kiu unuafoje partoprenis multflankan KSKE-renkontiĝon, interparolis kun ministro George Shultz.
Ambaŭ ministroj pri eksterlandaj aferoj samopiniis pri tio, ke la interparoloj estis interesaj, utilaj, sinceraj, objektivaj kaj fekundaj.
La sovetia decido proklami unuflankan moratorion pri atomarmilaj testoj, validan de la 6-a de aŭgusto 1985 ĝis la 1-a de januaro 1986, estis grava kontribuo al plibonigo de la rilatoj inter Oriento kaj Okcidento. Ekzistas la ŝanco, ke la haltigo de atomarmilaj testoj estos plilongigita sen tempa limigo, se ankaŭ aliaj ŝtatoj posedantaj atomarmilojn rezignos pri tiaj testoj.
Dum la renkontiĝo de 35 ministroj en Helsinki la plej multaj partoprenantoj en la KSKE-proceso esprimis sian politikan volon daŭrigi tiun ĉi proceson. Ministroj el Oriento kaj Okcidento kiel ankaŭ iliaj kolegoj el nealiancitaj ŝtatoj montris sian intereson alpreni pluajn decidojn kaj ĉefe disvastigi la KSKE-proceson tiom, ke ĝi influu al la rilatoj en armeaj sferoj, al la finigo de la armilarkreskigo kaj la redukto de armeaj aktivecoj. La aplikado kaj strikta respektado de la principoj kaj rekomendoj de KSKE fare de senescepte ĉiuj partoprenantoj havas decidan signifon por la atingo de tiuj ĉi celoj.

*El „neue perspektiven" n-ro 1/86*
*Tradukis Renate kaj Dieter Berndt*

## RERIGARDO

**Viva somero foriĝis,**
**antaŭ mi aŭtuna vesper'.**
**Kvankam multjaroj prestiĝis**
**ne ĉesis militoj, mizer'.**

**Ŝajne printemp' paradizis,**
**– memoras mi sen nostalgi'. –**
**Malgraŭ aŭtuno ekgrizis**
**pli plaĉas nuntempo al mi.**

**Spite al nokt' senespera**
**aŭroras jam ĉe l'horizont'.**
**Vojo montriĝas libera**
**al paca, feliĉa estont'.**

**Venko post luktoj sovaĝaj,**
**finfine nuliĝis fatal',**
**veras la revoj junaĝaj,**
**praviĝas dumviva batal'.**

*Erich Würker*

Ralf Stöhr

# Eŭropo devas fariĝi regiono sen kemiaj armiloj

La kemiaj armiloj apartenas tuj post la nukleaj armiloj al tiuj amasneniigiloj, kiuj havas la plej grandan teritorian efikecon. En kazo de milita apliko, ĉefe en dense loĝataj regionoj de nia Tero, unuavice suferus la civila loĝantaro, infanoj, malsanuloj kaj aĝuloj. Kredeblaj armeaj taksadoj eliras el tio, ke ĉe apliko en Eŭropo la proporcioj inter venenitaj civilaj personoj kaj trafitaj armeanoj estus proksimume 10 al 1 ĝis 20 al 1. Ankoraŭ pli grandaj danĝeroj rezultus el la apliko de novspecaj, multe pli venenaj kemiaj batalrimedoj.

La nuntempe konataj kaj en la usona armeo stokataj batalgasoj posedas jam nun enormajn, por la plej multaj civitanoj preskaŭ neimageblajn venenajn efikojn. Sufiĉas jam 5 ĝis 10 miligramoj da batalgaso „Sarin" (laŭ la kodigo de usona armeo „GB-gaso") por mortigi neŝirmitan homon dum kelkaj minutoj post kiam li enspiris ĝin kun la aero. Laŭ informoj de diversaj gazetoj kaj laŭ publikigo de la SIPRI-pacesplora instituto en Stokholmo kelkaj miloj da tunoj de kemiaj armiloj, plenigitaj per tiu ĉi batalgaso troviĝas nur en la deponejo Fischbach ĉe Pirmasens en la FRG-lando Rheinland-Pfalz.

Le kemia batalgaso „VX-gaso", kiu same estas stokita en okcidenta Eŭropo por ekuzo, estas 3–5foje pli venena. Ĝi efikas eĉ al la nelezita homa haŭto kaj povus kaŭzi, ke post ĝia apliko la trafita teritorio fariĝus netrapasebla por pli longa tempo.

### La „K-armila-programo" de Pentagono

Laŭ la decido de prezidanto Reagan, kiun li faris la 8-an de februaro 1982, ekfunkciis tielnomata programa linio por pligrandigi la kemian armilaron. Tiu programo antaŭvidas novan amasproduktadon de kemiaj municiunuoj (bomboj, grenadoj, ŝprucigiloj por aviadiloj kaj ankaŭ kemiaj ŝarĝaĵoj por raketoj) ĝis la jaroj 1987/88. La meztemplima plano antaŭvidas la stokadon de pli ol 5 milionoj da pecoj de tiuspecaj municioj. Por la budĝeta jaro 1986 la Kongreso asignis 124,5 milionojn da dolaroj por K-armiloj. Por plivastigi la produktadon kaj organizi la „antaŭpretigon" 522 milionoj da dolaroj estu elspezotaj ĝis 1987. Tio estas grandegaj dimensioj, pri kiuj ni ankoraŭ pli konsciiĝas, se ni konsideras, ke la antaŭproduktoj de unu kilogramo da Sarin ja kostas nur proksimume 5 dolarojn.

Per tiu ĉi programo Pentagono celas preskaŭ duobligi la provizon de K-armiloj de Usono. Tiuj ĉi armiloj estu antaŭ ĉio lokigotaj sur la teritorio de la okcidenteŭropaj NATO-aliancanoj de Usono. Same kiel ĉe la lokigo de Pershing II kaj de flugilraketoj de granda agaddistanco ankaŭ ĉe tio ĉi denove montriĝas la malica intenco de Vaŝingtono elmeti la teritorion de siaj aliancanoj al kontraŭbato. K-armiloj prezentas do pluan fonton de minacanta danĝero en la dense loĝataj landoj de okcidenta Eŭropo. La usona registaro portas la plenan respondecon pri tio.

La usona programo pri binaraj armiloj ne estas nova. Jam dum la dua mondmilito oni provis en usonaj porarmeaj laboratorioj, ekzemple en „Edgewood-Arsenal" en la usona ŝtato Maryland, metodojn kaj rimedojn por plenigi kemiajn bombojn ne plu per la pretaj batalgasoj, sed per du antaŭproduktoj – tial la nomo binaraj armiloj –, kiuj estas necesaj al ilia fabrikado. Tiamaniere la fina ŝtupo de la proceso, dum kiu ekestas la veneno, estus translokota en la aplikrimedojn. Jam en la 50-aj jaroj okazis la unuaj evolulaboroj kun la celo eluzi la „binaran principon" por sendanĝere stoki kaj transporti la municion por la altgrade venenaj batalrimedoj Sarin, Soman kaj poste por la V-substancoj.

Sed la nuntempaj esplorplanoj ege superas tiun ĉi celon. Unuflanke oni provas industrie prepari novajn venenajn substancojn por la porarmea produktado kaj aliflanke evoluigi municispecojn por kemiaj bataliloj, kiuj estas taŭgaj por pli larĝa skalo da venenaj substancoj. La brita eksperto Frank Barnaby atentigis en sia publikaĵo „Future War", aperinta en 1984 en Londono, ke la tielnomataj duciklaj kemiaj batalgasoj kaj polipeptidoj estas preparataj kaj testataj en Usono por la produktado.

Duciklaj fosfororganikaj kombinaĵoj estas ekstreme venenaj, kaj ĝis nun ne ekzistas iuj ajn kontraŭrimedoj, kiuj povus esti aplikataj ĉe akuta venenigo de homoj. Tio estas vere krimaj evoluceloj. Ĉi tie oni direktas sin konscie kontraŭ homojn kiel celgrupon, kiuj tute ne aŭ nur iomete povas esti ŝirmataj.

Polipeptidoj estas proksimume 100foje pli efikaj ol la ĝis nun stokitaj batalgasoj kaj evidente pli danĝeraj ol la hodiaŭaj kemiaj binaraj armiloj. Ilia efiko similas al tiu de toksinoj, kiuj estas malpermesataj de la internacia juro laŭ la „Konvencio pri B-armiloj" el la jaro 1972. Por tiuj kaj pliaj novaj batalgasoj oni intencas uzi „plurkomponantajn teknologiojn", kiuj permesas varian utiligon de municio.

Temas ĉi tie pri municitipoj, kiuj taŭgas kaj por eksplodigaj plenigaĵoj, por plurkomponantaj nebuligaĵoj kaj por sistemoj kun alte toksaj efikoj. Variaj sparkaj kaj reakciaj mekanismoj por ekfunkciigi la enplenigitajn „antaŭproduktojn" plialtigu la universalan aplikgradon. El tio rezultus tute nova situacio rilate la kontrolon de sukcesplenaj malarmadaj penoj. Tia evoluo, nun komenciĝanta, devas ĝustatempe esti haltigota en la intereso de sekureco de la homaro.

### Antaŭkondiĉoj kaj eblecoj por internaciaj interkonsentoj

La aserto, ke la socialismaj ŝtatoj estas kontraŭ kontrolo, estas glata malvero. Jam en la dudekaj kaj tridekaj jaroj Sovetunio ekprenis la iniciativon por prezenti taŭgajn kontrolproponojn pri ĉiuflanka malpermeso de kemiaj armiloj. Sed la gvidaj kapitalismaj ŝtatoj malebligis la realiĝon de plena malpermeso de kemiaj armiloj.

Ankaŭ la proponoj de Sovetunio kaj de aliaj socialismaj ŝtatoj post la dua mondmilito rilate al konvencioj pri malpermeso de kemiaj armiloj ĉiam enhavis elementojn de kontrolaranĝoj. Sed unue oni devas fiksi, kio estos malpermesata en internacia kadro aŭ per du- aŭ multflankaj interkonsentoj por poste kaj kunlige kun tio interkonsenti prudentajn kaj celkonformajn kontrolojn.

Jam en la fina dokumento de la 1-a Ĝenerala Asambleo de UN pri malarmado en julio 1978 oni deklaris: „Kie tio estas konvena, oni uzu kombinaĵon de pluraj metodoj de konstatado kaj ankaŭ aliajn metodojn por kontroli la plenumadon."

La socialismaj ŝtatoj konsentis al tio. La kontrolaj aranĝoj nepre devas garantii la suverenecon de la ŝtatoj, respekti la principojn de egaleco kaj de sama sekureco por ĉiuj flankoj kaj elimini definitive industrian spionadon.

Kiel ankaŭ okcidentaj ekspertoj devis

konstati, la proponoj de Usono el la jaro 1984 pri nura kontrolo de ŝtataj entreprenoj kaj de entreprenoj laborantaj kun ŝtataj kontraktoj tute ne taŭgas por permesi samspecajn reciprokajn kontrolojn. Pli realaj kaj certe pli facile realigeblaj estas taŭgaj kombinaĵoj de internaciaj kaj naciaj kontroloj.
La socialismaj ŝtatoj aprobas ankaŭ traktadojn pri interkonsentataj lokaj inspektadoj, ekzemple ĉe neniigo de kemiaj armiloj kaj ĉe malobeoj al reguloj de kontraktoj pri zonoj sen K-armiloj. Tiaspecaj kontroloj, kiuj en principo jam estas praktikataj de la Internacia Atomenergia Komisiono, povus esti modelaj ekzemploj ankaŭ por mondvastaj malpermesoj de K-armiloj.

### Regionaj zonoj sen K-armiloj

Regionaj interkonsentoj pri malpermeso aŭ neniigo de kemiaj armiloj povas esti gravaj paŝoj al mondvasta kaj ampleksa malpermeso de kemiaj armiloj. Kiel oni povas facile ekkoni, ili estas pli rapide kaj pli facile efektivigeblaj. Komence partoprenus ilin nur malmultaj ŝtatoj. Malgraŭ tio, ke la interesoj diferencas laŭ la cirkonstancoj, tiaj interkonsentoj povus koncerni ankaŭ pli malmulte disputeblajn punktojn. Certaj komplikaj teknikaj detaloj aŭ armilteknikaj restrikcioj povus esti regulitaj plirapide kaj pli efike ol en mondvasta konvencio.
Ni nomu ĉi tie nur unu ekzemplon: La kontrolo de produktejoj, kiuj troviĝas malproksime de zonoj sen K-armiloj, povus komence resti ekster la konsideroj, kaj nur pli poste, en la kadro de diskretaj intertraktadoj, oni inkludos ĝin en la limigojn.
La kontrolaj aranĝoj por regione limigitaj teritorioj estas ankaŭ pli facile realigeblaj, ĉar ekzistas pli malmulte da kontrolendaj objektoj. Ankaŭ interkonsentoj pri mallongtempaj internaciaj kontrolaranĝoj interne de tiuj zonoj estas pli malmultekostaj kaj malpli problemŝarĝitaj. Fine evidentiĝas pli favoraj aspektoj por posta mondvasta kontrolo, ĉar konfidstimulaj kontrolaj interkonsentoj por unuopaj regionoj povas krei ekzemplojn por mondvastaj reguligoj kaj kreskigi la konfidon. Ili povas pruvi la uzeblecon de naciaj teknikaj kontrolrimedoj.
Krome: La respektado de interkonsentoj pri regiona malpermeso de K-armiloj ankaŭ fare de aliaj ŝtatoj, kiuj mem ne troviĝas rekte in la koncernataj zonoj, sed en la najbareco aŭ pli malproksime, plivastigus la internaciajn rilatojn sur la bazo de reciproka konfido. Se oni sukcesas interkonsenti pri regiona malpermeso de kemiaj armiloj kaj akordigi taŭgajn kontrolaranĝojn, tiam eblas apliki tiun ĉi interkonsenton ankaŭ por aliaj armilspecoj aŭ uzi ĝin kiel ekzemplon, de kiu povus profiti ankaŭ aliaj regionoj de nia Tero.
Ĉar oni ne povas ekskludi tiajn eblecojn, oni devas konsideri ilin ĉe la fiksado de reguloj por konformaj regionaj interkonsentoj. Tamen tiuj ĉi eblecoj neniel malpliigas la signifon de regionaj solvoj por la malpermeso de K-armiloj. Ĉi tie oni devas unue konstati, ke nuntempe la plej granda parto (laŭtakse pli ol 80 %) de usonaj K-armilaj provizoj konsistas el municio por taktike aplikeblaj rimedoj, kiuj efikas en distancoj de 20 ĝis 12 kilometroj. Ankaŭ la nun pli kaj pli produktataj „binaraj artileriaj grenadoj" por la haŭbizoj de NATO-armeoj apartenas al la „taktikaj aplikrimedoj" kun relative mallonga efikdistanco.
Forigo de kemia municio el la interkonsentita zono, kiu estu libera de kemiaj armiloj, reduktus esence ĝian rapidan disponeblecon. Tio kontribuus al la sekureco en tiuj ĉi teritorioj.

### Eblecoj de „enpafado" de kemiaj batalgasoj en zonojn sen K-armiloj

En la traktadoj kaj diskutadoj pri zonoj, kiuj estas senigitaj de certaj armilspecoj (tio do validas ne nur por K-armiloj) oni eliras ĝenerale el tio, ke aliaj ŝtatoj respektos la statuson de tiuj ĉi zonoj dum paco kaj ankaŭ dum tempoj de streĉiteco aŭ dum armeaj batalagadoj. Zonoj sen K-armiloj prezentus do klarajn sekurigajn barilojn kontraŭ la aplikado de kemiaj armiloj en tiu ĉi teritorio. Tamen necesas jam nun agi por tio, ke la evoluigo de armiloj por longdistance efikaj sistemoj de K-batalgasoj estu stopota kaj malebligota.

### Aplikado de kemiaj armiloj – parto de la usonaj militdoktrinoj

La pli novaj deĵorregularoj de la usona armeo kaj la „Operational Concept for the Air Land Battle and Corps Operation 1986" kiel ankaŭ la militgvidaj konceptoj, kiuj etendiĝas ĝis en la 90aj jaroj, ekzemple „Air Land Battle 2000", enhavas la aplikon de kemiaj armiloj kiel integran elementon. Enfluhavaj rondoj de la milit-industria komplekso de Usono esperas havi eblecojn por minaci kaj ĉantaĝi la socialismajn ŝtatojn, havi pli favorajn kondiĉojn por ofensiva militado kaj kompreneble atingi amasan profiton per la kreskigo de kemia armilaro kaj per la preparado de la trupoj al „kemia milito" antaŭ ĉio en Eŭropo.
Dum ĉiuj NATO-manovroj de la lasta tempo oni ekzercis la aplikadon de kemiaj armiloj sur la eŭropa „militscenejo". El tio estas videbla, ke „Air Land Battle" ekde la komenco antaŭvidas la aplikadon de kemiaj armiloj kaj batojn en la „koron de la teritorio de la Varsovia Kontrakto".
Tiaj armeaj doktrinoj, jam elprovitaj en manovroj, plialtigas la danĝeron de eksplodo de armeaj agadoj en Eŭropo kaj rekte enkalkulas plivastigi la aplikadon de armiloj. Ili ankaŭ plialtigas la riskon, ke kemiaj armiloj estos aplikataj en streĉitecŝarĝitaj situacioj.

### Eblecoj de la pacfortoj

Mi pensas, ke la interparoloj, okazintaj en la lastaj jaroj inter reprezentantoj de ŝtatoj kun diferenca sociordo, de ŝtataj kaj neŝtataj organizaĵoj kaj institucioj plejparte demonstris, ke eblas trovi komunajn opiniojn kaj proponojn por armadhaltigo kaj malarmado, se ekzistas reciproka bona volo kaj realisma pritaksado de la situacio.
Al tio apartenas ankaŭ la komuna iniciativo de SUPD (Socialisma Unueca Partio de Germanio [GDR]) kaj SPD (Socialdemokratia Partio de Germanio [FRG]) por interkonsento pri la kreado de zono en Eŭropo, kiu estu libera de kemiaj armiloj. Tiu ĉi iniciativo, kiu dumtempe akiris mondvastan atenton kaj konsenton, esprimas ankaŭ la kreskintan influon de la pacmovado en Eŭropo kaj en la mondo kaj plifortigas la optimismon, ke per komuna uzo de ĉiuj fortoj en koalicio de prudento kaj realismo eblas deturni la danĝeron de nuklea kaj kemia militoj, finigi la vetarmadon kaj ekfari konkretajn paŝojn por malarmado.
La prezentita propono formas konkretan bazon por rezultorientataj traktadoj je registara nivelo pri zono en Eŭropo, libera de K-armiloj. Kiel konate, Sovetunio, GDR kaj ĈSSR jam konsentis pri la komenco de tiaj traktadoj.
La 14-an de septembro 1985 la Ĝenerala Sekretario de la Centra Komitato de SUPG kaj Prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro de GDR, Erich Honecker, sendis leteron al la Federacia Kanceliero de FRG kun la propono komenci traktadojn je ŝtata nivelo kiel kontribuon al paco kaj malstreĉiĝo. En tiu letero tekstas: „La registaroj de GDR kaj ĈSSR opinias, ke ekzistas realaj eblecoj por la forigo de kemiaj armiloj, ĉefe por kreado de zono sen kemiaj armiloj en Eŭropo. Tiamaniere oni povus atingi likvidadon de la provizoj je kemiaj armiloj disponeblaj sur tiu ĉi teritorio kaj ekskludi, ke estu lokigotaj sur eŭropa teritorio novaj, eksterordinara danĝeraj specoj de tiaj armiloj, antaŭ ĉio binaraj armiloj."
Regiona kaj radikala malpermeso de kemiaj armiloj en Eŭropo povus fariĝi elirpunkto al mondvasta neniigo de kemiaj armiloj kaj estus preskaŭ netrotaksebla kontribuo al pluaj paŝoj kontraŭ la nuklea militdanĝero, por armadhaltigo kaj iompostioma malarmado. Tio estas en la intereso de la tuta homaro.

*El „neue perspektiven" n-ro 1/86*
*Tradukis Renate kaj Dieter Berndt*

S. Dhawan

# Armadkontrolo kaj militizado de la kosmo

De 40 jaroj pendas nun jam super la homaro la damoklea glavo de nuklea amasneniigo. Kvankam ĝis nun eblis eviti nuklean militon, la danĝero ne malgrandiĝis. Eĉ se ĝis nun ne eksplodis nuklearmila milito, oni ne forgesu, ke la mondo post 1945 registris 130 konfliktojn, dum kiuj mortis pli ol 25 milionoj da homoj, plej multe el landoj de la tria mondo. Dum la problemoj, kiuj kaŭzas malsaton, malriĉecon kaj mizeron por preskaŭ du trionoj de la homaro, urĝe postulas solvon, oni elspezas sumegojn por la maŝinaro de morto kaj neniigo. La grandaj fortoj, pri kiuj la modernaj scienco kaj tekniko disponas por solvi la problemojn kaj garantii pli bonajn vivkondiĉojn al ĉiuj, estas profunde ĝenataj de dividita mondo, kie la scioj kaj la talentoj de la sciencistoj estas utiligataj por devigi la mondon, ke ĝi post la timiga „ekvilibro de teruro" nun eniru en novan eraon de ekstreme malstabiligaj armiloj en la kosmo. La konfrontado inter la grandpotencoj stimulas la ekonomian malcertecon kaj politikan malstabilecon en la mondo. En la nomo de la homaro ni devas postuli, ke oni finigu tiun ĉi frenezon.

La pacamaj popoloj kaj registaroj en la tuta mondo bonvenigas tial la sovetiaj-usonajn intertraktadojn. Ili prezentas grandan eblecon haltigi la vetarmadon, ĉesigi la invadon de la kosmo kun armiloj kaj inversigi la armadplimultigon sur la Tero. Oni devas profiti de tiu ĉi ŝanco malebligi nuklean militon helpe de internacia interkonsento. La kosmo estas heredaĵo de la tuta homaro kaj devas esti rezervata ekskluzive al pacaj celoj.

Ni rememoru, ke dum dek jaroj – de la mezo de sesdekaj ĝis la mezo de la sepdekaj jaroj – mondvastaj diskutoj kaj intertraktadoj ebligis fari pli ol 10 multflankajn kaj duflankajn kontraktojn pri armadkontrolo, i.a.

– Teststopan kontrakton (1963)
– Kontrakton pri kosmo (1967)
– SALT I-Konvencion (1972) kaj
– ABM-Kontrakton (1972).

Bedaŭrinde la situacio malpliboniĝis en la lasta jardeko (1975–1985), kaj oni atingis nur malmultajn progresojn. Kvankam START (Intertraktadoj pri reduktado de strategiaj armadoj), INF (Mezdistancaj armiloj), MBFR (Intertraktadoj pri ambaŭflankaj kaj ekvilibraj malplimultigoj de trupoj en Meza Eŭropo) kaj diversaj aliaj proponoj troviĝas sur la tagordo, ekzistas neniu progreso, sed nur senfinaj kaj plej ofte incititaj interparoladoj.

### La minaco de kosmaj armiloj

Dumtempe la arsenaloj de nukleaj armiloj kreskis kaj la militizado de la kosmo fariĝis vera danĝero. Tiu ĉi evoluo okazis, kvankam la partoprenintaj landoj de la UNISPACE-konferenco en 1982 en Vieno esprimis sian maltrankvilon pri tio kaj la Ĝenerala Asembleo de UN akceptis rezolucion pri la malebligo de la vetarmado en la kosmo. Sed ŝajnas, ke oni ignoras la maltrankvilon de la plimulto de la popoloj.

La Kontrakto pri la Kosmo el la jaro 1967 temas pri la aktivadoj de la unuopaj landoj en la kosmo. En ĝi oni postulas de la membroj „surorbitigi neniujn objektojn, kiuj portas nukleajn armilojn aŭ aliajn specojn de amasneniigaj armiloj kaj lokigi neniujn tiajn armilojn sur astroj aŭ en la kosmo". Sed tiu ĉi kontrakto malpermesas ne *ĉiujn* armeajn aktivadojn en la kosmo. En la kontrakto (Paragrafo III) estas menciita kaj akcentita la utiligo de la kosmo „en la intereso de la konservado de la mondpaco kaj de la internacia sekureco": „La esplorado kaj utiligado de la kosmo . . . okazas por la bonfarto kaj en la intereso de ĉiuj landoj . . . kaj estas afero de la tuta homaro."

### La disvastigado de porarmeaj satelitoj

La plivastigita reĝimo, kiu rezultas el la difinoj de la Kontrakto pri la Kosmo donas juran protekton al porarmeaj satelitoj kontraŭ ĝenaj agoj. Tiu fakto akcelas ilian vastan aplikadon. Pli ol 2000 porarmeaj satelitoj estis surorbitigitaj dum la lastaj 25 jaroj. Tiuj satelitoj laboras antaŭ ĉio sur tri gravaj kampoj: gvatado kaj observado, komunikado kaj navigado kaj geodezio.

Kiel helpilo por kolekti kaj kontroli informojn utilajn por la konvencioj pri armadkontrolo, estas vere, ke tiuj ĉi elkosmaj aktivecoj vere ludis tre favoran rolon en la pasinteco kaj ke ili ebligis tiamaniere la subskribon de interkonsentoj pri gravaj paŝoj en la malarmado. Nun la situacio plej verŝajne malpliboniĝos.

### ASAT-armiloj – nova danĝero

La sufiĉe sinistra rolo, atribuata al la kontraŭsatelita sistemo (ASAT), dramece ŝanĝis la scenejon. En la lastaj jaroj la UN-Komisiono pri Paca Utiligo de la Kosmo (COPUOS) kun siaj teknikaj kaj juraj subkomisionoj energie penis pri tio, starigi tiun ĉi demandon sur la tagordon kaj serĉi vojojn kaj rimedojn por kompletigi la Kontrakton pri la Kosmo per specialaj paŝoj, rilate al tiaj problemoj kiel ekzemple la ASAT-armiloj, kiuj minacas la pacan utiligon de la kosmo por ĉiuj ŝtatoj. Bedaŭrinde el tiuj ĉi valoraj penoj rezultis ĝis nun nur seniluziiĝo. Dum la Luno kaj aliaj astroj dank' al la Kontrakto pri la Kosmo estas liberaj de armiloj, en la kosmo – ĉefe en la terproksimaj tavoloj troviĝas porarmeaj satelitoj de Usono kaj de Sovetunio, kiuj kontrolas kaj observas ne nur siajn reciprokajn aktivecojn, sed ankaŭ tiujn de aliaj ŝtatoj. Oni do interpretis la kontrakton tiel, ke iam prudentaj aktivecoj nun minacas la pacon en la mondo.

Jam ekde la komenco de la 70-aj jaroj oni evoluigas kontraŭsatelitajn armilojn, komencante per relative primitivaj sistemoj kaj eksperimentoj kun nukleaj eksplodkapoj. Hodiaŭ oni jam testas komplikajn sistemojn kun orbitobservado kaj aerbazitaj ASAT-precizarmiloj. Tiuj novaj ASAT-armiloj kaj ilia forta kaj rekta ligo al kontraŭbalastikaj raketsistemoj evidente inversigas la iaman „neagresivan" porarmean rolon de la satelitoj, transformante ilin en „agresivajn" ekbatajn armilojn, kiuj ŝanĝos la kosmon en partan batalkampon de nuklea milito sur la Tero.

ASAT-armiloj estas danĝeraj kaj de malstabila efiko, ĉar ili ebligas al ĉiu flanko, malfunkciigi la „elektronajn okulojn, orelojn kaj voĉojn" de la kontraŭulo. Estas grave ekkoni, ke la eksplodkapoj aŭ komponantoj, kiuj atingos la kosmon, estas dependaj de la surteraj kontrolaj stacioj, kiuj siaflanke estas ligitaj al kosmaj retoj por observado kaj komunikado kaj ankaŭ al startsistemoj, kiuj en ĝia tutaĵo formas la ASAT-BMD-sistemojn. En la debaton pri kontrolo kaj finfina forigo de ASAT-sistemoj oni devas tial inkludi ĉiujn armilojn kaj instalaĵojn, kiuj estas kapablaj neniigi surterajn kontrolstaciojn, terbazitajn gvid- kaj kontrolstaciojn por satelitoj

kaj startsistemojn. Krom tio la malpermeso devas inkludi la pli novajn radiadarmilajn sistemojn (DEW-sistemoj), kiuj funkcias surbaze de elektromagnetaj impulsoj (EMP), altenergiajn laserojn kaj korpuskloradiadajn armilojn.
Hodiaŭ ni devas ekkoni, ke armadkontrolaj konvencioj kaj interkonsentoj, kiuj enhavas la sindevigon, ne malutili al tielnomataj naciaj teknikaj rimedoj de kontrolo, ne povas kontentige garantii la pacon en la kosmo. Se oni uzos satelitojn kaj kosmajn staciojn por eksplodigi militon sur la Tero, tiam oni eĉ ne miru pri tio, ke ili fariĝos armeaj celoj kaj provokas malstabiligajn reagojn.
Tial do, estas ege paradokse, ke la ekzistantaj kontraktoj kiel la Kontrakto pri la Kosmo, la ABM-kontrakto kaj ambaŭ SALT-konvencioj protektas armeajn satelitojn, dum satelitoj por civilaj celoj estas tute neprotektataj. Tiun ĉi mankon oni devas forigi per internacijuraj interkonsentoj.

### Malpermeso de ASAT-armiloj

La tutmonda publiko devas unuanime influi la grandpotencojn, ke ili subskribu kiel eble plej baldaŭ kontrakton pri malpermeso de testado kaj posedo de ASAT-armiloj. Kelkaj praktikaj paŝoj povus esti la plivastigo de la Kontrakto pri la Kosmo, por protekti la satelitojn de ĉiuj landoj, aŭ la interkonsento de la grandpotencoj pri proklamo de dumtempa moratorio konsidere al la testado de ASAT-armiloj, kiel ankaŭ deklaro rezigni ekuzi kosmajn armilojn kiel unua.
Tia kontrakto sindevigus la subskribintojn komenci intertraktadojn pri malpermeso de posedo de ASAT-armiloj, tuj post kiam la testhaltiga kontrakto estos plene solvita.
Ĉiuj satelitoj estu registritaj ĉe la Unuiĝintaj Nacioj kun tute klaraj indikoj ekzemple pri datoj, starttempo kaj loko kaj orbitaj parametroj. Krome oni devus certigi la ekskluzive pacan utiligon.
Necesas senprokraste kunvoki internacian konferencon pri konfirmado, kontrolado kaj plenumado de kontraktoj.
Oni ne devas neglekti, ke la demando de kontrolado kaj plenumado estus de kompleksa naturo. Eblus, ke dum la transira tempo naciaj teknikaj rimedoj – kompletigitaj de interkonsentitaj kunlaboremaj paŝoj – povus alkonformigi sin al la kondiĉoj, kondiĉe, ke ekzistas la necesaj bona volo kaj internacia kunlaboro.
Kelkaj defendantoj de la „defendaj sistemoj" uzas senhezite kaj tute konscie la argumenton, ASM- kaj BMD-sistemoj formus „ŝirmilon". Estas karakterize, ke iamaj defendantoj de la MAD-doktrino (reciproke certigita neniigo) malkovris nur antaŭ nelonge, ke tiu doktrino estas „malutila kaj malnoviĝinta" kaj devus esti anstataŭigita de defendaj sistemoj – konkrete de kosmaj armiloj!

### Malpermeso de ĉiuj nukleaj armiloj

Tamen nekontestebla estas la fakto, ke ĉiuj nukleaj armiloj same kiel ĉiuj portilaj sistemoj kaj logistiko – ĉu sur la Tero aŭ en la kosmo – estas sinistraj, celas kontraŭ la interesoj de la homaro kaj devus esti malpermesataj kiel neleĝaj. Doktrinoj kiel „timigo" kaj „certigita transvivo" montriĝas kiel sistemoj de pozitiva retrokuplo, kiuj pliintensigas la vetarmadon kaj minacas la pacon.
La konkero de la kosmo komencis novan eraon en la historio de la homaro – ne nur per la teknologia progreso kaj la novaj ekkonoj pri la universo, sed ankaŭ per la freŝige nova rigardo al nia komuna planedo Tero. El la kosma vido ekzistas neniuj politikaj limoj, nur oceanoj, kontinentoj kaj la miraklaj atestoj de la vivo sur la Tero manifestiĝintaj dum pli ol jarmilionoj. La satelitoj jam revoluciis la komunikadon kaj kunigis la homaron pli proksimen ol iam ajn antaŭe. La kosmo prezentas unikajn eblecojn por esplori meteologiajn, oceanografiajn kaj geofizikajn fenomenojn en la tergloba kadro, kiuj havas grandan ekonomian kaj socian utilon. La unika potenco de satelitoj por subteni landvastan klerigadan sistemon en la evolulandoj, malkovri naturajn riĉaĵojn kaj observi la medion povas esti eksterordinare utila por ĉiuj landoj.

### La militizado de la kosmo povas skui la mondan ekonomion

La evoluado kaj testado de novaj armilaj sistemoj kaj ilia pli posta lokigo troviĝas en kontraŭdiro kun la kreado de nova kaj justa ekonomia kaj politika ordo. Per tia sinteno oni evidente akiru absolutan potencon kaj hegemonion, kio pekas kontraŭ la spirito de la kunlaboro, egaleco, justeco kaj honesteco. Konsidere al la grandegaj problemoj de la Tria Mondo, en kiu vivas la grandega plimulto de la homoj kaj en kiu estas malfacile provizi la milionojn da homoj per nutraĵoj, vestaĵoj kaj loĝejoj kaj doni al ili klerigadon, la enormaj kostoj por militizado de la kosmo povas skui la ankoraŭ tre sporadajn internaciajn helpprogramojn kaj la mondan ekonomion.
La nuntempaj problemoj de la monda ekonomio estus multobligitaj kaj plikritaj. La nekontrolitaj sekvoj de tiuj ĉi evoluoj povus ruinige efiki al la ekonomioj de la evolulandoj batalantaj jam nun pri sia transvivo. Anstataŭ uzi la promesplenan potenceblecon de la kosmo por klerigado kaj evoluo, la kosmo ruinigus tiujn landojn kaj ilian loĝantaron.
Nuklea milito, ASAT- kaj BMD-sistemoj ne estas iu necesa malfeliĉo. Eviti nuklean militon, vere starigas problemojn, sed ekzistas neniu konspiro de la naturo, neniuj diablaj fortoj ekster la influsfero de la homoj, kiuj malebligus la solvadon de la problemo. La homoj de ĉiuj landoj – ĉefe sciencistoj kaj inteligentuloj – devas zorgi pri tio, ke iliaj registaroj agu responskonscie kaj kontribuu al finigo de la krizo.
Al la militizado de la kosmo ni devas kontraŭi per energia NE.

*(El „Neue Perspektiven" 5/85 tradukis Renate kaj Dieter Berndt)*

M. J. Lermontov

## PROFETO

**De kiam la Juĝisto-Di'**
**al mi profetan donis saĝon,**
**en hom-okuloj legas mi**
**malico- kaj malvirtopaĝojn.**

**Mi proklamadis laŭ destin'**
**ideojn de la am' kaj vero, –**
**kaj miaj proksimuloj min**
**ŝtonumis en rabikolero.**

**Kun frida cindro sur la vert'**
**eskapis mi de l'urboplacoj,**
**kaj jen mi vivas en dezert',**
**samkiel bird', per Di-donacoj;**

**laŭ Eternula testament'**
**obeas min terbestoj ĉiuj,**
**kaj steloj aŭdas en kunsent',**
**ludante ĝoje per radioj.**

**Sed kiam foje kun amar'**
**mi hastas tra la stratoreto,**
**olduloj diras al idar'**
**kun ambicia mokrideto.**

**„Edifu ĉi-ekzemplo vin!**
**De ni li fuĝis pro l' fiero:**
**stultul' persvadi volis nin,**
**ke lia vorto – Dia vero!**

**Rigardu do, infanoj, lin:**
**kiel li morna, magra, kruda!**
**Kiel li pala, povra, nuda,**
**kiel malŝatas ĉiuj lin!"**

*Trad. N. M. Fedotov*

Jürgen Rennert:

# Longa amkanto pri la kurtviva homo

La homoj, tion sciu vi,
iome ŝajnas en ebri',
ŝancele ti- kaj jenon volas,
senĉese tra la viv' petolas.

La homoj, ilin amu vi,
jungitas kaj pelatas pli,
sciante ne: de kie – kien?
eĉ serĉas sencon en ĉi „ien".

Al homoj, tion hatu vi,
kelkfoje mankas emoci',
se vidas ili: en sufero
aspiras iu el mizero.

La homoj, tion pensu vi,
humanaj estas laŭ misi'
se sindonad' ilia sorto,
kaj ne la genuig-perforto.

Humana, tion lernu vi,
estas homa ambici':
La alian nek repuŝi,
nek elsuĉi, trompe tuŝi.

La homo, tion aŭdu vi,
subpremante agas fi
se aliajn li turmentas,
en la fajron por si sendas.

La homoj, tion legu vi,
herois ankaŭ kun pasi'
batale en unua vico
kontraŭ mavo kaj malico.

Malicon, certe restos ĝi,
per hat' ne pereigos ni.
Nur korkuraĝa intelekto
estiĝos kontraŭ ĝi protekto.

La homoj, restos ankaŭ ti',
lernadas ĉiam plu kaj pli,
ne volas resti celtabuloj,
ĉi tion lernu de l' spertuloj.

La homo, darfas pensi vi,
humanas ja plejparte li.
Se bonularo ne ekfeblas
la malbonuloj ne videblas.

La homoj, tio tuŝos vin,
beliĝas, kiam ili sin
tenere palpas; eĉ febluloj
fariĝas fortaj post stimuloj.

La homo, tion kredu vi,
ol pac-kolombo saĝas pli.
Komprene trovas li la faron:
forigu ni la armilaron!

*trad. Wilfried Hofmann*

Glosoj:

| | |
|---|---|
| kurta | = mallonga |
| jungitas | = estas jungitaj |
| pelatas | = estas pelataj |
| hati | = malami |
| agas fi | = fiagas |
| mavo | = malbono |
| febla | = malforta |

Matthias Biskupek

# Nigra-blanka rakonto

Iutempe saĝa homo havis tion, kion saĝaj homoj ĉiam havas, nome ideon. Cerbumante li travivis multajn nigrajn noktojn, ĝis finfine venis la rezulto: ŝpari la bluan koloron. Tiam en tiu lando ĉiuj ŝparis, kaj pro tio oni ĝojis, ke oni nun ankaŭ povus ŝpari koloron. Do, oni forŝparis ĝin.
Kaj la saĝulo ricevis ĝojige atentindan monpremion. Kaj ĉiu homo, kiu kunhelpis ŝpari la bluan koloron, same ricevis ĝojige atentindan premion. Baldaŭ ne ekzistis bluaj aŭtomobiloj kaj bluaj floroj kaj blua fumo. Nur la ĉielo de tempo al tempo estis blua, sed plej ofte ĝi partoprenis la movadon de blu-ŝparantoj kaj grizblankiĝis.
Tamen oni opiniis, ke oni devus etendi la ŝparadon. Alia saĝa homo tial havis la ideon, ŝpari ruĝon, kaj alia elpensis la ŝparadon de verdo, kaj ankoraŭ alia tiel longe cerbumis, ĝis li eltrovis la ŝparadon de flavo, kaj tre diligenta homo senlace laboris eĉ en scienca centro kun la celo, ŝpari la violan koloron. Nun ĉiuj havis ideon, kiun koloron oni povus forŝpari, kaj oni ne forgesis eĉ la plej malgrandan kolornuancon, sekve ĉiu povis helpi ŝpari kolorojn, kaj ĉiu ricevis ĝojige atentindan premion.
Ekzistis nur nigraj stratoj kaj blankaj domoj, kaj blankaj herbejoj kaj nigraj arboj. La virinoj blankigis siajn lipojn kaj nigrigis siajn brovojn. Oni nur rigardis nigrajn-blankajn filmojn, kaj la infanoj ludis per blankaj musoj aŭ nigraj ŝafoj. Ĉiuj pentristoj pentris laŭ la moderna nigra-blanka maniero, kaj la paroj, kiuj intencis geedziĝi, vestis sin kiel en malnovaj tempoj: la viroj nigre, kaj la virinoj blanke. Kaj tie, kie oni ne povis rezigni pri la koloroj, kiel ekzemple en la trafikaj lucernoj, oni simple skribis per nigra farbo sur la lucernojn: ruĝa, verda aŭ flava.
Tiel ĉiu povis legi nigre desur blanka fundo, pri kiu koloro temis.
Nun ĉiuj homoj havis ĝojige atentindajn monpremiojn, sed ili ne ĝojis pri ili. Volonte per tiuj premioj ili iomete kolorigus sian vivon, sed la kolorojn oni jam forŝparis. Pro tio kelkaj homoj ĉagreniĝis nigraj, kaj la ceteraj blankiĝis por kolerego.
Sed ekzistis sur la mapo de tiu-ĉi lando blanka makulo. Tio estis malgranda, malnova farbovendejo. Ĝi ne troveblis sur nigra listo, ĉar oni forgesis ĝin dum la ŝparado. Kaŝe la homoj portis siajn ĝojige atentindajn premiojn al tiu loko por aĉeti farbojn. Oni nomis tion „nigra komerco", kaj tio estis la kaŭzo, ke ĝi ne rimarkeblis en tiu nigra-blanka lando.
Baldaŭ ĉiu homo tie aĉetis ĉiujn farbojn, kiujn oni antaŭe forŝparis. La homoj buntpentris ĉiujn aĵojn, kiuj venis en iliajn kapojn, kaj tiuj aĵoj abundis.
Komence ili kaŝe faris tion, sed baldaŭ neniu kaŝis siajn kolorojn, ĉar ĉiu elspezis la premion por aĉeti ion koloran. Okazis, ke la virinoj denove kreskigis siajn harojn en multaj koloroj, la viroj denove svingis buntajn flagetojn de futbalkluboj kaj la infanoj denove sonĝis en ĉiuj koloroj.
La ĝojige atentindaj permioj nun mankis al la homoj, sed ili posedis ĉiujn kolorojn.
Sed kiam multajn tagojn poste saĝa homo proponis forŝpari la kolorojn, ĉies kapo ruĝiĝis pro indigno.
Ili vestis lin per kostumo kun nigraj kaj blankaj strioj, enkarcerigis kaj devigis lin fabriki blankajn papersaketojn, ĝis li iĝis nigra.

*Trad. Helmar Koch*

Boris Ionas, Moskvo

# EĈ LA VORTO IĜIS ARMILO

## (el notoj de milita tradukisto)

*Estis tia neordinara profesio dum la milito – tradukistoj-propagandistoj. Ĝuste ĉe la frontlinio kun mikrofono enmane tiuj homoj parolis en la germana lingvo al la kontraŭuloj, klarigante al ili la fatalecon de la hitlera milita aventuraĉo, la neeviteblan fiaskon de faŝismo. Dum la tuta milito estis ĉe diversaj partoj de la fronto la milita tradukisto Boris Ionas, nun doktoro de ekonomikaj sciencoj, merita aganto de scienco de RSFSR. Ni proponas al la legantoj epizodojn de lia milita biografio.* *la red.*

Somero de la 1942a. Sud-okcidenta fronto. El stabo de la bataliono la kombato[1]) vespere direktis min kun la komunikisto en la roton. Tie necesis „megafoni". Iom poste vi komprenos, kion tio signifas. En la plotonon ni iris tra la komuniktranĉeo. Al la germanaj tranĉeoj ni estis tre proksime, ĉirkaŭ 150 metrojn. Min mirigis foresto de la homoj en la tranĉeoj.

– La homoj ripozas, kaj ne tiom multe da ili restis, – kurte kaj severe klarigis la leŭtenanto. – Mi donos al vi du soldatojn. Vi devas iri laŭ tiu fosaĵo. Estu atentaj! Ne montru la korpon! La fosaĵo estas senminigita! Ĝis la germanoj restos 45–50 metroj. La megafonon oni alportos al vi. Vi sidiĝu sur la fundon kaj la sontubon metu sur randon de la tranĉeo. Komencu, – la leŭtenanto rigardis la horloĝon, – ĝuste post 20 minutoj kaj mi iros ordoni. Bonon de viaj vizitoj ni ne atendas.

Baldaŭ alvenis du soldatoj kaj ambaŭ ne kaŝis sian malkontenton. „Maltrankviligos ili la germanojn. Poste ili foriros kaj ni havos malagrablaĵojn". Ni enŝoviĝis en la fosaĵon, kiu kondukis al la germanaj tranĉeoj. Fleksiĝinte, penante ne brui ni iris proksimume sepdek paŝojn. La avanulo haltis kaj mallaŭte diris: „Plu ne eblas – minoj, drato, ankaŭ per grenado oni povas trafi."

La megafono estis ordinara – longa tubo je homa alteco kun larĝa konuso, kiel tiu de gramofono. La instrumento estis sufiĉe peza kaj neoportuna. Mi metis la tubon sur la randon de la tranĉeo, direkto al la germanoj, apogis la dorson al la termuro, sidiĝis oportune.

Ĝis komenco de la parolo restis dek minutoj. La pasintan fojon mi parolis vintre en tute aliaj cirkonstancoj. Al ni, en la Unuan gvardian, Lenin-ordenitan, pafdivizion venis potenca laŭtparolila aparato. Ĝi estis muntita en kamiona lignoplakaĵa dometo. Ĝi havis 4-personen ekipon: komisaro, stiristo, mekanikisto kaj tradukisto. La sontubo de la aparato estis portebla kaj oni metis ĝin 150–200 metrojn for, ĝis kiom sufiĉis la longeco de la drato. Mi parolis el la aŭto, sed la voĉo sonis el alia loko, tial trovi la voĉon kaj silentigi ĝin estis malfacile. Tamen, tiu aparato, kiu venis al nia divizio, estis sufiĉe eluzita. Jam kioman fojon trafis ĝi sub la bombardon. La tradukisto estis mortpafita kaj la sontubo – difektita. Nun oni muntis ĝin ĝuste sur tegmento de la aŭto. Paroli el la aŭto signifis voki pafadon al si mem. La estraro ordonis al mi, ne sen la kompato, ke dum la aparato estas ĉi-tie, mi parolu el ĝi.

La parto de nia defendlinio troviĝis ĉe la rando de densa arbaro, ja la germanoj estis en la vilaĝo. Absolute proksime. Iliaj laringecaj kriordonoj estis tre bone aŭdeblaj. Peza, farĉita per la ilaro, la aŭto pene rampis tra mallarĝa, kovrita per neĝo, arbara vojo. Finfine la loko estis elektita, ni kun malfacilaĵoj parkis la aŭton. La komisaro de la grupeto kaj la stiristo foriris al la rotestro. Ĉefserĝento Petrenko gardis la aŭton de ekstere. Restis mi kaj la radiisto, duope.

La aŭto estis svarme ĉirkaŭita per pinoj. En la aero ŝvebis silento. La germanoj, certe, delonge fikse aŭskultis nian bruon kaj sonoron, tamen ne montris signojn de la vivo. Mi altabliĝis, elpoŝigis la preparitan tekston. La parolisto instalis la laŭtparolilon, sonigis la diskon kaj diris: „Komencu, tuj post la ĉeso de la muziko!" Li turnis iun ŝaltilon kaj jen la arbaron, la kampojn, la malproksimajn ĉirkaŭaĵojn plenigis ĉarmegaj ritmoj de Straŭsa granda valso. Kvazaŭ miraklo okazis. La arbaro estis kvieta kaj solena. Ŝajnis, ke la milito estas for. Poste oni diris, ke la disaŭdigon oni aŭdis je distanco de kvar kilometroj. Finfine la valso ĉesis. La parolisto ekrigardinte min, signis per la mano – ek!

„Achtung! Achtung! Atenton! Parolas fronto! Aŭskultu la freŝajn novaĵojn!" Mi trankvile legis la bultenon de l'Informburoo. Ĝi entenis informojn pri la faŝistaj perdoj dum la vintra moskva ofensivo, poste pri la stato en la aliaj frontoj. Tiel daŭris proksimume sep minutojn. En la aŭto ritme zumis la aparato, sed subite de ekstere aperis sonoj, similaj al frapado de granda hajlo en fenestron. La parolisto rapide malŝaltis la mikrofonon, malfermis la pordon kaj elsaltis eksteren post-tirante min. Mi saltis al la pordo kaj ekvidis, ke ĉirkaŭe estis hela lumo – ĉie festenis fajro. En la ĉielo ŝvebis lumraketoj, flugaĉis torentoj de lumspuraj kugloj, sonis mitralpafoj, eksplodis obusoj.

Strange, sed dum la atako neniu estis eĉ vundita. Kelkaj difektoj nur aperis en la aparato. La aŭton oni eltiris el la arbaro nur matene.

Unufoje en la frontoparto, kie ni elpaŝis, okazis kurioza epizodo. Germanoj faris esploradon por batalo kaj sendis surskian trupon. Mi pensas, ke ili esperis trovi en la avangarda rando pafdifektitan aŭton. La grupo estis pripafita de niaj soldatoj. Du skiistojn oni faligis ĉe la arbara rando. Tien rampis nia soldato. Imagu lian miron, kiam li, palpesplorante la germanon, subite ekaŭdis lian malfacilan spiron kaj renkontis lian rigardon. La skiisto evidentiĝis esti altega kaj fortega bubo. Tum la interparolo evidentiĝis, ke antaŭneloge li estis studento de arkitekta fakultato, naskiĝis en Hamburg. Dum pli proksima konatiĝo mi eksciis, ke la militkaptito estas homo realisme pensanta, des pli arde kontraŭanta la militon. Tion ni decidis uzi, proponinte al li radie elpaŝi antaŭ la samlandanoj. Li senhezite konsentis.

Sekvantnokte ni forveturis por disaŭdigi. Jam kun la germano militkaptita. Ni veturigis la aŭton sur la saman lokon. Mi eltiris la tekston, sed li, ridetante proponis al mi la propran planon, kaj diris:

– Sinjoro ĉefleŭtenanto, permesu al mi paroli dum tri minutoj kun miaj kunuloj sen la skribaĵo. Vi, ja nenion riskos. Vi povas en ajna momento malŝalti min. Kaj por puni min, se mi diros ion malĝustan, vi min poste mortpafos.

La argumentoj estis konvinkigaj. Kaj mi

ordonis „Komencu!“ La germano komencis, ridetante, kaj tiun-ĉi rideton eblis klare senti en lia voĉo.
„Knaboj, – diris li, – aŭskultu min, tio estas mi, Richard. Ĉu vi rekonas mian voĉon? Tio estas mi, honestan vorton, mi. Viva. Mi trafis al la rusoj. Mi mem eĉ ne pensis, ke tiel okazos, sed dank' al Dio, tiel okazis. Nun mi estas tre kontenta. Ĝenerale, oni tro multe fimensogas al ni pri ili. Sed nun la afero estas tute alia. Mi hastas dum nia, konata de vi stultulo, ne ordonis pafi. Mi deziros diri kelkajn vortojn al nia ĉefleŭtenanto von Korn. Li estas frenezulo. Necesas ja esti absoluta idioto, por tage elkonduki la trupon de skiistoj sub la pafadon de la rusoj. Mi esperas, ke kolonelo Schulze, nia estro de la regimento, konsideros, ke ne indas doni al tiuj idiotoj la estrarajn postenojn. Ĉi-tie, kontraŭ mi, sidas rusa ĉefleŭtenanto. Laŭ mia opinio, li estas germano, kvankam li ne konfesas tion. Li parolas germane bonege. Li deziras iom rakonti al vi pri la eventoj apud Moskvo, ĝuste tion, kion oni kaŝas antaŭ ni. Tie oni nin sufiĉe batis. Ĝenerale, mi konsentas kun la rusoj, la milito estas teruro, kaj ni vane ĝin komencis. Nu, bone, la tempo mankas, mi transdonas la tubon al la ruso. Adiaŭ, aŭ pli bone – ĝis revido. Mi deziras al vi ĝisvivi la finon de la milito.“
La germano subŝovis al mi la mikrofonon. Mi eĉ ne sukcesis komenci mian informon pri la eventoj apud Moskvo, kiam komenciĝis tia apokalipso, ke la eventoj de la pasinta nokto ŝajnis palaj, kaj tio daŭris duoble pli longe. Ni denove kuŝis sub la aŭto. Sed, feliĉe, al ni refoje bonfartis.
Nun jam estas komenco de somero, sed ĉion suferitan en la neĝkovrita arbaro mi rememoris kvazaŭ la hieraŭan eventon. Pasis la dudek minutoj, disponigitaj al mi de la leŭtenanto. Mi ekkriis en la sontubon kutiman komencon: – Achtung! Achtung! (Atenton!)
Mia disaŭdigo daŭris dum kvin minutoj. Mi salutis ilin kaj demandis, ĉu ne finmanĝis ilin pedikoj kaj kiam ili la lastan fojon vizitis banejon. Poste mi demandis, kion oni skribas al ili el la hejmo, kaj ĉu estas vero, ke tie okazas granda bombardo. Ĉu estas vero, ke la lokaj leiter-oj[2]) kaj führer-oj[3]) vivas lukse kaj tentas la edzinojn de soldatoj dum iliaj edzoj mortadas ĉi-tie. Poste mi diris, ke mi laciĝis krii, kaj ĉefe mi volus scii – ĉu ili aŭdas min, aŭ mi vane perfortas mian voĉon: „Se vi aŭdas, pafu supren per lumkugloj.“
– Tuj ni ekscios, ĉu ili aŭskultas aŭ ne – diris mi al miaj akompanantoj. Kaj tuj, preskaŭ super ni, per hela strio soris la lumspuraj kugloj.
– Rigardu, ja ili aŭskultas, – vigliĝis la soldatoj.
Tio-ĉi ankaŭ min inspiris kaj mi dankante diris, ke se ne estus ĉi-terura milito, mi plezure regulus ilin per kruĉo da biero kun la kolbasetoj. Sed nun ĉemane eĉ io forestas, krom grenadoj, tamen mi ne volas regali per tiuj la bonajn knabojn. Post tio mi rimarkis, ke oni nutras ilin tre aĉe, kaj malfronte, oni diras, ĝenerale mankas manĝajo. La Führer, certe, eraris, kiam li komencis ĉi-militon. La „Blitzkrieg“[4]) ne okazis. En la moskva fronto al ĉiu, kiu restis viva, oni donis medalon de „frostigita viando“. Fino de la milito ne baldaŭas, la viktimoj plimultiĝas. D-ro Goebbels vane ne babilaĉu. Ja neniu volas ricevi truon en la kapon aŭ kuglon en la ventron. Fine mi denove petis pafi supren per lumspuraj kuglovicoj . . .
Kiam mi foriris de la tranĉeo, la steloj jam komencis kvazaŭ degeli.

*Tradukis: M. Lineckij, M. Mamedov, A. Krasuckij*

| | |
|---|---|
| 1) Kombato | – batalionestro |
| 2) Leiter | – direktanto |
| 3) Führer | – gvidanto, der Führer – La Gvidanto, titolo de Hitler |
| 4) Blitzkrieg | – fulmrapida milito |

Canko Murgin

# Lasta aspiro de la partizano

Postmorte mi revenos por ĝui sub la sun'
simile al la greno, semita en aŭtun'.

Samkiel ĝi fieras dum kresko en printemp'
mi ankaŭ reaperos en la estonta temp'.

Mi kreskos en la arboj, plantitaj kun plezur' –
mi vivos en la farboj de bildoj el natur'.

Mi kreskos kaj aŭskultos la kanton de l'arbar'
pri la bataloj multaj de l' monda proletar'.

Fortondros la ribelo kaj floros la liber' –
triumfos nia celo: Justeco kaj la Ver'!

Gefiloj tre feliĉaj . . . Ja en aŭtun-maten'
el manoj fortoriĉaj rompiĝis la katen'.

Kaj hom' libera fortas, li estas nur venkant' –
en kor' li sunon portas, je lipoj sonas kant'.

Li bridos eĉ vulkanon, ventegon jungos li –
per sia ŝtala mano fulmegojn kaptos li.

Li plugos dum la tago sur Mars' aŭ Jupiter',
vespere kiel sago li flugos al Vener' . . .

Li tie nur promenos kaj en malfru-vesper'
denove li revenos al la patrino Ter'.

Sen havi dian benon la vivo estos vers' . . .
Konstruos li edenon tra tuta univers'.

Ho, certe mia nepo kaj ĉiu homa frat'
kunkantos al birdpepo, rajdante sur la Fat'.

(1961)

Wolfgang Borchert

# TIAM NUR EBLOS

Vi. Viro ĉe la maŝino kaj viro en la metiejo. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi ne plu produktu akvotubojn kaj ankaŭ ne kuirpotojn – sed ŝtalkaskojn kaj maŝinpafilojn, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Knabino malantaŭ vendotablo kaj knabino en oficejo. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi plenigu grenadojn kaj muntu cellornojn por pafiloj de cel-pafistoj, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Posedanto de fabriko. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi disvendu pulvon anstataŭ pudron kaj kakaon, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Esploristo en laboratorio. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi esploru novan morton kontraŭ malnova vivo, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Poeto en via ĉambro. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi ne kantu amkantojn, sed kantojn de malamo, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Kuracisto ĉe malsanula lito. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi konfirmu la taŭgecon de viroj por militservo, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Pastoro sur ambono. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi benu la murdon kaj deklaru la militon sankta, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Kapitano sur vaporŝipo. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi ne plu transportu tritikon – sed kanonojn kaj tankojn, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Piloto sur flug-kampo. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi portu bombojn kaj fosforon sur la urbojn, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Tajloro sur via kudrista skabelo. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi formtranĉu uniformojn, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Juĝisto en via talaro. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi juĝu en milita tribunalo, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Viro en stacidomo. Se ili morgaŭ ordonos al vi, ke vi donu signalon por ekveturo de municiotrajno kaj transporto de trupoj, tiam nur eblos:

Diru NE!



Vi. Viro en vilaĝo kaj viro en urbo. Se ili morgaŭ venos kaj donos al vi ordonon pri soldatiĝo, tiam nur eblos:

Diru NE!

Vi. Patrinoj en Normandio kaj patrinoj en Ukrainio, vi, patrinoj en Frisko kaj Londono, vi, borde de Hoangho kaj Misisipo, vi patrinoj en Napolo kaj Hamburgo kaj Kairo kaj Oslo – patrinoj en ĉiuj mondpartoj, patrinoj de la mondo, se ili morgaŭ ordonos, ke vi nasku infanojn por ke estu flegistinoj por militlazaretoj kaj novaj soldatoj por novaj batalegoj, patrinoj de la mondo, tiam nur eblos:

Diru NE! Patrinoj, diru NE!

Ĉar, se vi ne diros NE, se VI ne diros ne, patrinoj, tiam:
tiam:
En la bruantaj vaporajaj havenurboj grandaj ŝipoj ĝemege mutiĝos kaj, kiel titanaj mamutkadavroj, ili akvokadavre inerte balancos kontraŭ mortajn soliĝintajn kajomurojn la pli frue tiom trembrilantan zumegan korpon, nun per algoj, fukoj kaj konkoj tegitan, tombeje fiŝputre fetorantan, molan, kadukan, mortintan –
la tramoj estos kiel sensencaj senbrilaj vitro-okulaj kaĝoj, stulte premkavigitaj kaj senfarbiĝintaj apud konfuzitaj ŝtalskeletoj el dratoj kaj trakoj, kuŝantaj malantaŭ kadukaj remizoj kun truoj en la tegmentoj, en stratoj solecaj, per krateroj multfenditaj –
iu ŝlim-griza dikkaĉa plumbeca kvieto alruliĝos, manĝoavida, kreskanta, kaj ĝi kreskegos en la lernejojn kaj universitatojn kaj en la dramteatrojn, en la sport- kaj infanludejojn, horore kaj avide, nehaltigeble –
sunumitaj sukoriĉaj vitoj putros ĉe kadukaj vitejoj, la rizplantoj sekiĝos en sekiĝinta tero, la terpomoj frostmortos sur nekultivitaj agroj kaj bovoj metos siajn mort-rigidajn piedojn ĉielen kiel renversigitaj melktaburetoj –
en la institutoj acidiĝos geniaj eltrovaĵoj de eminentaj kuracistoj, ili putros, funge ŝimantaj –
en la kuirejoj, ĉambretoj kaj keloj, en fridigejoj kaj vartenejoj la lastaj sakoj da faruno, la lastaj konservaĵoj da fragoj, kukurboj kaj ĉerizosuko putriĝos –
pano sub renversitaj tabloj kaj sur dissplitigitaj teleroj ŝime verdiĝos kaj elfluinta butero fiodoros kiel ŝmirsapo,
greno sur kampoj estos sinkinta apud rustintaj plugiloj kiel iu mortbatita armeo, fumantaj kamentuboj el brikoj kaj kamentuboj de loĝdomoj kaj kamentubegoj de pistantaj fabrikoj estos kovritaj per eterna herbo, ili dispecetiĝos – dispecetiĝos – dispecetiĝos –
tiam la lasta homo, kun disŝiregitaj intestaro kaj truigita pulmo, erarvagos senresponde kaj solece sub venen-arda suno kaj sub ŝanceliĝemaj astroj, solece inter nesuperrigardeblaj amastombejoj kaj fridaj idoloj de gigantaj, blasfemanta kaj plendanta – kaj lia terurega plendo: KIAL? perdiĝos neaŭdite en la stepo, estos blovanta tra krevintaj ruinoj, estos iom post iom fluanta en la ŝtonrompitaĵojn de la preĝejoj, bataĉi kontraŭ altaj bunkroj, estos falanta en lagetojn el sango, senaŭdite, senrespondite, lasta bestokrio de iu lasta besto ‚homo' –
ĉio ĉi okazos, morgaŭ, morgaŭ eble, eble jam hodiaŭ nokte, eble hodiaŭ nokte, se – se – –
se vi ne diras NE.

*(Wolfgang Borchert, naskiĝis 20. 5. 1921 kaj mortis 20. 11. 1947, 26-jara. Ĉi-supra tekstaĵo estas lia lasta. Li skribis ĝin, havante antaŭ siaj okuloj la teruron de Hiroŝima.)*

*Trad.: Joachim Schulze*

# USONO kontraŭ

*„. . . ĉar militoj havas sian originon en la cerboj de la homoj, oni devas starigi la ŝildon de paco en la pensado de la homoj."*

Tiujn vortojn skribis antaŭ kvardek jaroj Clement Atlee kaj Archibald Mac Leish, la unua brita ĉefministro, la alia usona lirikisto kaj portempa konsilisto de prezidento Roosevelt. Ili enkondukas la antaŭparolon de la konstitucio de UNESKO. Kiel ajn oni interpretu ilin filozofie, ili tamen unusence esprimas la postulon, kontribui al paco per spiritaj metodoj. Post la misuzo de la pensado de la homoj kaj la malpurigo de la intelektula medio fare de la faŝismo en la tridekaj kaj kvardekaj jaroj tia postulo estis grava. Ĝi estis rigardata tutmonda alvoko.

Male hodiaŭ iuj politikistoj en okcidento parolas pri „neeltenebla politikigo" de UNESKO, kiam tiu plej granda speciala organizaĵo de UNO rememoras pri tiu konstitucia tasko kaj vide al pliiĝantaj internaciaj streĉoj kaj minacanta nuklea katastrofo entreprenas agadojn por aktive kontribui al la defendado de paco per siaj specifaj spiritaj-kulturaj iloj.

Unuiĝintaj Ŝtatoj de Ameriko eliris el UNESKO je la 1a de januaro 1985. Grandbritio anoncis la saman paŝon por la 1a de januaro 1986. Ĉu estas ironio de historio, ke estis ĝuste usona kaj brita civitanoj, kiuj skribis tiun admonan enkondukan frazon de la UNESKO-konstitucio? Kiom la regaj politikistoj en Washington kaj London malproksimiĝis de la idealoj de Atlee kaj Mac Leish, ke ili eliras el tiu signifa organizaĵo de la UNO-sistemo?

Ni rigardas tiun eliron elemento de la usona konfronta politiko, kiu direktiĝas kontraŭ samrajta internacia kunlaboro. Ĝi estas provoko kontraŭ la funkcianta interplektiĝo de internaciaj rilatoj kaj la ordo de interpopolaj rajtoj.

Sed: Tian politikon oni povas rezisti. Kvardek jaroj post la venko super faŝismo hodiaŭ tutmonde ekzistas fortoj, kiuj povas garantii pacan kaj samrajtan kunvivon kaj kunlaboron de popoloj kaj ŝtatoj ankaŭ en la agadsfero de UNESKO. La socialismaj ŝtatoj vidas en UNESKO gravan forumon de internaciaj rilatoj kaj emfaze subtenas tiun organizaĵon. La evoluaj landoj komune sin starigis antaŭ UNESKO. Eĉ la plejmulto de kapitalismaj industriaj ŝtatoj sin konfesis al UNESKO.

Tiel la eliro de Usono vidigas la krizon de la konfronta politiko. La Reagan-administracio ne sukcesis ĉantaĝi tiun organizajon de 160 ŝtatoj devii de sia politiko.

## UNESKO hodiaŭ

UNESKO estis fondata je la 4a de novembro 1946 kiel UN-specialorganizaĵo pri edukado, scienco kaj kulturo.

Tiam al ĝi apartenis 20 ŝtatoj, hodiaŭ ĝi havas 160 membroŝtatojn. Ĝi estas la plej granda speciala organizaĵo de UNO. Laŭ artikolo 1 de ĝia konstitucio ĝia celo estas „kontribui per la subteno de kunlaboro inter la popoloj en la fakoj de edukado, scienco kaj kulturo al la konservo de paco kaj sekureco cele al fortigo de respekto pri justo kaj rajto, la homaj rajtoj kaj fundamentaj rajtoj tutmonde por ĉiu homo sendepende de raso, sekso, lingvo aŭ religio, kiel tion antaŭvidas la ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj por ĉiuj popoloj".

Dum la lastaj 15 jaroj oni dediĉis apartan atenton al tiu artikolo. Sekve de la malstreĉiĝo komence de la sepdekaj jaroj UNESKO pli kaj pli sukcesis sin turni al la bazaj demandoj en la evoluado de homo kaj socio kaj efike partopreni en ties solvoj kadre de siaj fakoj. Tio okazis ĉefe dank' al la laboro de multaj progresemaj fortoj inkluzive de socialismaj landoj kaj evoluaj ŝtatoj. Ili plej konsekvence insistas, ke UNESKO plene agu en la senco de la konstitucia tasko pri la fundamentaj problemoj de la hodiaŭa mondo.

Kiam komence de la okdekaj jaroj la plej agresemaj rondoj de la monopolkapitalo aranĝis turniĝon de kunlaboro al konfrontiĝo, UNESKO sukcesis konservi sian kurson direktitan al paco kaj interkompreniĝo kaj resti loko de racio kaj dialogo.

La aktivada spektro de UNESKO estas larĝa. Ĝi inkluzivas batalon kontraŭ senalfabeteco, konservon de trezoroj de la tutmonda kulturo kaj multajn natur- kaj socisciencajn programojn. La plej supera gvidorgano de UNESKO estas la Ĝenerala Asembleo, kiu kutime kunsidas ĉiun duan jaron. En ĝi ĉiu membroŝtato estas reprezentata. Je ĉiuj voĉdonoj validas la demokratia principo „unu ŝtato – unu voĉo". La Ĝenerala Asembleo decidas la dujaran programon de la organizo kaj la buĝeton. Per deklaroj kaj rezolucioj ĝi prenas starpunkton pri fundamentaj problemoj de nia tempo el la vidpunkto de organizaĵo okupiĝanta pri spirita-kultura kunlaboro.

Inter la Ĝenerala Asembleo la aferojn prizorgas Plenuma Konsilantaro. Al ĝi apartenas 51 eminentuloj, kiu ekvilibrece reprezentas diversajn sociajn sistemojn kaj kulturojn. La Konsilantaro kunvenas dufoje jare. Ĝi konsilas pri la realigo de la programo kaj diskutas la projektojn de la ses- kaj dujaraj planoj. Krome en Parizo, la sidejo de la organizaĵo, laboras konstanta sekretariejo. Entute hodiaŭ UNESKO laborigas pli ol dumil dungitojn en la tuta mondo. De la sekretariejo unuopaj programeroj estas preparataj, kunordigataj kaj realigataj. Ĉefo de la sekretariejo estas ĝenerala direktoro. En 1974 unuafoje estis elektata afrikano kiel ĝenerala direktoro. Ĝis hodiaŭ la iama senegala ministro pri klerigo estas la unusola reprezentanto de nigra Afriko.

UNESKO elformis larĝan gamon de rimedoj kaj metodoj por la atingo de sia ĝenerala celo. Je plej diversaj fakoj ĝi aranĝas renkontiĝojn de ekspertoj, seminariojn, kongresojn, konferencojn kaj regule Interŝtatajn Registarajn Konferencojn pri scienca, kleriga, kultura kaj komunikada politiko. Ĝi subtenas multajn studojn, kiujn ĝi diskonatigas tutmonde, kaj delegas fakulojn por la realigo de projektoj al evoluaj landoj. Laŭ ĝiaj eblecoj tiaj projektoj ankaŭ estas financataj. Ĝi flegas la tutmondan kulturan heredaĵon kaj zorgas pri la eltrovo de ĝis nun nekonataj kulturoj.

UNESKO subtenas sciencajn institutojn aparte en kleriga fako kaj kunlaboras kun preskaŭ 600 neregistaraj internaciaj organizaĵoj cele al la realigo de siaj programoj. Ekzistas Internacia Geologia Kunlabora Programo, kiu akiris specialajn meritojn ĉe la prognozado de tertremoj, la interŝtata programo „Homo kaj Biosfero", Interŝtata Informatika Programo kaj aliaj. En la sepdekaj jaroj UNESKO komencis longdaŭran planadon de siaj programoj. La spertoj pri la unua sesjara programo, kiu validis ĝis 1982, pravigis tiun decidon. En la dua Mezdaŭra Programo valida ĝis 1989, eniris la jenaj fundamentaj problemoj de nia tempo:

| | |
|---|---|
| *I.* | *Tutmondaj Problemoj kaj studoj pri estonteco* |
| *II.* | *Klerigado por ĉiuj* |
| *III.* | *Komunikado serve al la homo* |
| *IV.* | *Vortumado kaj realigado de klerigaj paŝoj* |
| *V.* | *Edukado, klerigado kaj socio* |
| *VI.* | *Scienco kaj ĝia apliko por evoluo* |
| *VII.* | *Informaj sistemoj kaj aliro al scioj* |
| *VIII.* | *Principoj, metodoj kaj strategioj por evoluado* |

# UNESKO: akuzo aŭ ĉantaĝo?

| | |
|---|---|
| *IX.* | *Scienco, tekniko kaj socio* |
| *X.* | *Homa ĉirkaŭmondo, teraj kaj maraj fontoj* |
| *XI.* | *Kulturo kaj estonteco* |
| *XII.* | *Forigo de antaŭjuĝoj, netoleremo, rasismo kaj rasapartigo* |
| *XIII.* | *Paco, internacia kompreniĝo, homaj rajtoj kaj rajtoj de popoloj* |
| *XIV.* | *Stato de virino* |

Tiuj 14 ĉefprogramoj enhavas plurajn subprogramojn, kiuj estos realigataj per unuopaj projektoj. Pri tiuj estas decidate kadre de la dujaraj programoj deduktataj el la Mezdaŭra Programo fare de la Ĝenerala Asembleo.

**USONO kiel kunfondinto**

Usono apartenas al kunfondintoj de UNESKO. Kiam validiĝis en 1946 la Konstitucio de UNESKO, oni festis la fondon de tiu UNO-organizaĵo kiel sukceson de usona diplomatio. Post la Dua mondmilito la gvidaj usonaj politikistoj volis kompletigi la ekonomian ĉefrolon per ideologia kaj kultura ĉefrolo. Usonaj ideoj devis liberigi la vojon por usonaj varoj kaj armiloj. „Libera komercado" kaj „libera fluo de informoj" unuiĝu. Kompreneble la libera fluo de informoj kaj varoj devis esti unuavice libera fluo de usonaj informoj kaj usonaj varoj.

Je la fondiĝo de UNESKO la amaraj konsekvencoj post la furiozado de la faŝismo ankoraŭ estis forte senteblaj. Multaj fondintoj de UNESKO estis partoprenintaj la kontraŭfaŝisman batalon, estis spertintaj la limigon de kontraŭfaŝismaj kaj demokratiaj ideoj fare de la nazioj. El tiu vidpunkto ili emfazis la agadon de UNESKO kiel speciala organizajo por spirita-kultura kunlaboro, kiu progresigu liberan interŝanĝon de ideoj kaj scioj per vorto kaj bildo. Tiu principo estas vortumita en la antaŭparolo kaj en artikolo 1, paragrafo 2. Sed la internacia socio ankaŭ konsideris la misuzon de la eblecoj de internacia disvastigo de informoj por rasdiskriminacio kaj pormilita propagando fare de la nazioj. Tial la fondaj membroj de UNESKO aldonis, ke tiu libera fluo de informoj okazu konforme al la demokratiaj principoj de la konstitucio kaj kontribuu al konservado de paco kaj sekureco (artikolo 1, paragrafo 1).

Al kiu celo Usono intencis apliki tiujn rimedojn, ilustras deklaro akceptita en 1953 de la jarkunveno de UNESKO-komisiono de USONO:

„Kiun plipovan armilon Usono povus havi kontraŭ la komunismo ol organizaĵo, kiu diskonatigas en aliaj landoj tiujn idealojn kaj valorojn, kiuj formas la bazon de nia propra demokratio."

Dum la 18a Ĝenerala Asembleo 1974 estis akceptataj rezolucioj, kiuj postulis fari nerenversigebla la malstreĉigan proceson kaj kunvenigi tutmondan malarmadan konferencon. Oni kondamnis la malrespekton de homaj rajtoj en Ĉilio kaj Israelon pro ĝia krima traktado en la okupitaj teritorioj. Krome oni akuzis la agadon de transnaciaj konzernoj en la fakoj klerigado, scienco, kulturo kaj informado. La plej multaj el tiuj decidoj estiĝis pro iniciatoj de socialismaj landoj kaj evoluaj landoj. Tiuj du ŝtatogrupoj ofte tre rapide trovis komunan pozicion en UNESKO. Sed ankaŭ multaj kapitalismaj subtenas tiujn decidojn prenitajn en UNESKO. Ili konformis al la tiama tendenco de la internaciaj rilatoj, la malstreĉiga proceso.

Tamen ĉe la reakciaj fortoj en USONO kaj kelkaj aliaj kapitalismaj landoj tiu konsekvenca gagado de UNESKO kondukis al koleraj reagoj. Precipe en Vaŝingtono oni ne volis rekoni, ke la rilato de fortoj en UNESKO estis ŝanĝiĝinta. Kunlaboras ne dudeko de uson-obeaj landoj, sed pli ol 150 tre diversaj ŝtatoj. Komenciĝis kampanjo kontraŭ UNESKO. Oni akuze asertis, ke la senegala ĝenerala direktoro M'Bow novelektita en 1974 favoras domaĝan „politikigon". Portempe oni retenis financajn rimedojn kaj komencis fipremi la sekretariejon.

En somero 1976 en Colombo (Srilanko) okazis la 5a ĉefkonferenco de nealiancitaj landoj. En la fina dokumento la partoprenantoj postulis la starigon de nova internacia informa ordo, kiu ŝajnis al ili same grava kiel nova internacia ekonomia ordo. „Informada imperiismo" estis nomita la konstanta spirita kuratoreco kaj ideologia enmiksiĝo fare de la imperiismaj amaskomunikiloj. La propono pri kreo de nova internacia informa ordo devis esti prezentata al la 19a Ĝenerala Asembleo de UNESKO, oni decidis en Colombo.

La diskutoj pri la informada problemaro finiĝis per kompromiso dum la 19a Ĝenerala Asembleo en Nairobi, kiu decidis ankaŭ pri la Mezdaŭra Plano de UNESKO por la jaroj 1977 ĝis 1982.

Unuflanke la okcidentaj landoj ne povis refuti la postulojn pri nova informa ordo fortigita per konvinkaj faktoj. Aliflanke la okcidentaj landoj sukcesis malhelpi la akcepton de deklaro pri amaskomunikiloj. Samtempe oni decidis fondi Internacian Komisionon, kiu esploru la „totalecon de komunikadaj problemoj en la hodiaŭa mondo".

Tiu kompromiso de Nairobi ne estis facile juĝebla. Videbla kontraŭeco vekus plian radikalismon kontraŭ la evoluaj landoj, multaj ekspertoj konsilis al la novelektita prezidento Carter. Usono ne bezonas enplektiĝi en konfrontadon, ĝi prefere eluzu sian antaŭecon ĉe la evoluo de novaj komunikadaj teknologioj, estis unu el tiuj opinioj. Aliaj atentigis, ke la evoluaj landoj ja postulas novan informan ordon, sed pro tre diversaj kaŭzoj. Do iuj konsilis dispartigi la evoluajn landojn. Estus grave mem preni iniciaton. Per la aktivigo de la „privata sektoro" (do la transnaciaj konzernoj) oni povus renkonti la evoluajn landojn, disponigi komunikadajn rimedojn je la prezo de rezigno pri politika diskutado pri la rolo de amaskomunikiloj kaj la vortumado de principoj pri ties agado.

La „fleksebla" direktado de la Carter-administrado enhavis subtenajn kaj bridigajn elementojn. En 1978 dum la 20a Ĝenerala Asembleo la usona delegaciestro raportis, ke inter 1976 kaj 1978 Usono pagis entute 30 milionojn da dolaroj por 70 komunikadaj projektoj. Usono jesis kompromisan vortumadon pri la amaskomunikila deklaro. Aliflanke ekflamis gazetara kampanjo kontraŭ la MacBride-komisiono. Multiĝis paroloj, kiuj nomis la koncepton de nova internacia informa ordo neakceptebla por Usono.

**Usono deklaras eksiĝon**

La kvereloj pri la nova internacia informa ordo daŭris ĝis 1983. Intertempe Ronald Reagan estis transpreninta la oficon de usona prezidento. Tio ŝaltis ĉiujn signalojn al atako. La kulpiga, pli ĝuste kalumnia kampanjo kontraŭ UNESKO kaj ĝia ĝenerala sekretario M'Bow furiozis en la okcidentaj amaskomunikiloj. Kompreneble ankaŭ en Usono kaj la al ĝi aliancitaj landoj multaj personoj alte taksis kaj bontrovis la agadon de UNESKO, sed la registaro unuavice rekonis, kiun danĝeron prezentis pli ekvilibra komunikada sistemo por la disvastigo de okcidentaj ideoj en la batalo kontraŭ komunismo, por la vojiga funkcio de ideologio en komercado kaj la ĝendarma rolo de Usono. Tial en decembro 1983, malmultajn tagojn antaŭ Kristnasko, prezidento Reagan decidis la eksiĝon el UNESKO, validan ekde la 1a januaro de 1985.

La esperoj de Reagan, ke la manko de

(daŭrigo sur paĝo 21)

Amadou Mahtar M'Bow

## Internacia solidareco kun UNESKO

# La vivo mem decidas pri la laboro de UNESKO

### Antaŭ 40 jaroj, la 4-an de novembro 1946, fondiĝis UNESKO

*Amadou Mahtar M'Bow, Ĝenerala Direktoro de la Organizaĵo de la Unuiĝintaj Nacioj por Edukado, Scienco kaj Kulturo, respondis antaŭ nelonge al kelkaj demandoj de la gazeto „Sovetskaja Kultura" pri la nuntempa situacio en UNESKO kaj pri ĝiaj venontaj planoj.*
*La intervjuon, pri kiu petis la redaktoro de „Sovetskaja Kultura", faris J. Lopanin, pariza korespondanto laboranta por la sovetia novaĵagentejo TASS.*
*La intervjuo, kiu sekvas ĉi-sube, aperis la 21-an de majo 1985 en la sovetia gazeto.*

*Demando:* Sinjoro Ĝenerala Direktoro, kion vi opinias pri la nuntempa situacio en UNESKO?
*Respondo:* UNESKO estas interŝtata organizaĵo kun nuntempe 164 membroŝtatoj. Ĝi laboras surbaze de sia konstitucio, kaj ĝia sekretariato persistas labori laŭ la programo, akceptita dum la lasta Ĝenerala Konferenco de UNESKO. Ĵus ni preparis projekton de programo kaj de la buĝeto por la jaroj 1986–87. Ambaŭ estos prezentataj al la venonta Ĝenerala Konferenco en septembro–oktobro 1985 en Sofia por diskutado kaj konfirmo.

#### Minaco de eksiĝo el UNESKO

*Demando:* Kiel vi taksas la eksiĝon de Usono el UNESKO kaj la minacon de Grandbritio kaj kelkaj aliaj ŝtatoj agi same?
*Respondo:* La Unuiĝintaj Ŝtatoj de Ameriko ne plu estas membro de UNESKO. Ne estas mia tasko, taksi la fakton, ke iu ŝtato eksiĝis el la Organizaĵo. Mi nur povas bedaŭri tiun ĉi okazaĵon, ĉar ĝi malutilas al la principo de la universaleco de UNESKO. La universaleco estis akceptita kiel bazo por la fondiĝo de ĉiuj organizaĵoj interne de la UN-sistemo. Kio koncernas la aliajn landojn, kiuj intencas eksiĝi el UNESKO, ili povas agi laŭ sia propra opinio. Ne konvenas al la Ĝenerala Direktoro, pritaksi ilian restadon en UNESKO aŭ ilian eksiĝon. Ĉio, kion mi povas fari, estas esprimi mian bedaŭron. Kune kun ĉiuj aliaj membroj restantaj en la Organizaĵo, UNESKO daŭrigos plenumi sian mision. Ĝi estas kontraktorganizaĵo; ĉiuj ŝtatoj kiuj aliĝas al ĝi, akceptas la sindevigojn fundamentitajn en la konstitucio kaj partoprenas en la internacia kunlaboro en konformo kun tiu ĉi baza dokumento.
La granda plimulto de la membroŝtatoj subtenas UNESKOn. Oni povas prave aserti, ke post la eksiĝo de Usono kaj la anonco de Grandbritio, fari la saman, en la tuta mondo evoluis larĝa solidareckampanjo por subteni UNESKOn – kampanjo por konservi la principon de ĝia universaleco.
Dirante ĉi tie, ke Usono ne plu estas membro de UNESKO, mi tamen ankoraŭ ne perdis la esperon, ke ĝi revenos al la Organizaĵo. Jam okazis plurfoje, ke Usono forlasis aliajn internaciajn organizaĵojn kaj poste denove remembriĝis. Ankaŭ jam okazis, ke aliaj landoj forlasis UNESKOn kaj pli poste denove aliĝis. Mi volas ĉi tie konstati, ke la agantoj en la kultura kaj scienca sferoj kaj politikaj grupoj en ŝtatoj, kiuj intencas eksiĝi, trovas ĉiam pli multe da argumentoj favore al partopreno en la multflanka internacia kunlaboro. Konata estas ankaŭ la fakto, ke la decido pri eksiĝo de Usono staris en kontraŭdiro al la opinio de ĝia nacia UNESKO-komisiono, kiu konsideras la membrecon de Usono en la Organizaĵo utila.



*La Ĝenerala Direktoro de UNESCO, Amadou M. M'Bow* Foto: Zentralbild

#### Kampanjo kontraŭ UNESKO

*Demando:* Jam dum longa tempo la okcidentaj amasaj komunikiloj faras sisteman provokkampanjon, kiel ankaŭ atakojn kontraŭ UNESKO kaj kontraŭ vi persone, kiel ĝia Ĝenerala Direktoro. Kiel estas via opinio pri tio?
*Respondo:* Mi kredas, ke la kampanjo kontraŭ UNESKO kaj de tempo al tempo ankaŭ kontraŭ mi estas vere senekzempla en la sistemo de la Unuiĝintaj Nacioj kiel ankaŭ en la kutimoj kaj praktikoj, kiuj estas ĝenerale uzataj en la internaciaj rilatoj. La amasmedioj de kelkaj landoj disvastigis veran torenton da malveroj, rektaj mensogoj kaj kalumnioj pri UNESKO. Mi devas konfesi, ke ni – la Organizaĵo – ĉe la provo refuti falsajn deklarojn aŭ doni klarigojn, ofte estis konfrontitaj kun muro de silento aŭ ke niaj informoj estis falsigitaj kaj uzitaj kontraŭ UNESKO!
Tiu ĉi kampanjo klarigas cetere la signifon de UNESKO en la nuntempa mondo kaj en la internacia spirita kunlaboro kaj konfirmas la kapablon de ĝiaj membroŝtatoj, kaj mi aldonus, ankaŭ de ĝia sekretariato, elteni ĉiu ajn premon. Laŭ mia tute persona opinio tiu ĉi provokkampanjo celas ĉefe al tio, kalumnii la Organizaĵon, malbonfamigi ĝian laboron kaj eble kaŝi la verajn intencojn de unuopaj membroŝtatoj.
*Demando:* Malamikoj de UNESKO faris al ĝi krom aliaj ankaŭ la eĉ tro konatan riproĉon de „politigo" kaj de „regado" de tielnomata aŭtomata plimulto en ĝiaj organoj. Kion vi povas kontraŭdiri?
*Respondo:* La „politikigo" respektive „superpolitikigo" de UNESKO estas evidente tro sofisma akuzo, kiu baziĝas sur la fakto, ke la nuntempa konsistado de fortoj ene de la Organizaĵo malplaĉas al ĝiaj kritikistoj. Same kiel la demokratiaj rimedoj pri decidoj, ĝi malebligas la eblecon de diktato, inkluzive de financa diktato. Ellaborinte la Konstitucion de UNESKO antaŭ 40 jaroj, ĝiaj fondintoj, inter ili Usono, tuj post la finigo de la dua mondmilito, kreis la originon, el kiu evoluis la politika karaktero de la Organizaĵo. UNESKO estis fondita, „por kontribui al la fortigo de la paco kaj de la sekureco per plivastigita kunlaboro de la popoloj en la mondo". La agadsferoj de UNESKO – edukado, scienco, kulturo kaj komunikado – estas tiel forte ligitaj kun la politiko kaj ekonomio, ke neigado de ĝia politika karaktero estus pura hipokriteco.
Estas interese konstati, ke en la oficialaj

dokumentoj, kiujn sendis al mi la reprezentantoj de la Unuiĝintaj Ŝtatoj, neniel estas menciita „aŭtomata plimulto", kvankam en la usona gazetaro kiel ankaŭ en la amaskomunikiloj de kelkaj aliaj landoj oni multe raportis pri tio. Sincere dirite, mi tute ne komprenas, kion oni komprenas per tiu ĉi „aŭtomata plimulto". Ĉiu plimulto estas plimulto, ne pli kaj ne malpli. Eble oni provas esprimi per la vorto „aŭtomata" la malakcepton aŭ malrespektadon de la voĉdona proceso en la kadro de UNESKO kaj atentigi pri tio, ke iuj reprezentantoj senĉese estas instigataj voĉdoni laŭ antaŭdecidita maniero. Sed al tia aserto mankas ĉiu ajn bazo.

Konekse kun tio mi volas akcenti, ke almenaŭ de post 1976 ĉiuj gravaj decidoj de la Organizaĵo estis akceptitaj per konsento, tio signifas, ke ili estis subtenataj de ĉiuj membroŝtatoj, inkluzive de Usono, Grandbritio ktp.

La membroj de UNESKO estas suverenaj ŝtatoj, kies reprezentantoj en ĝiaj diversaj organoj montris altan respondecosenton ĉe trovado de decidoj. Kaj ĉar dum la debato estas esprimataj diversaj opinioj pri la plej diversaj temoj, tute ne eblas, ke tiu aŭ jena grupo de landoj ĉiam voĉdonas laŭ antaŭdecidita maniero. Mi volas ankoraŭ aldoni, ke la buĝeto de UNESKO por la kuranta jaro kaj same la programo por la jaroj 1984–85 estis akceptitaj per konsento. Sed kie konsento ne estas atingebla, ekzistas en demokrata organizaĵo nur unusola alternativo: eltrovi la plimulton pere de voĉdonado. Kio rilatas min, mi esperas, ke la membroŝtatoj ankaŭ estonte atingos konsenton.

*Demando:* Ĉu vi kredas, ke UNESKO, en la nuntempaj kondiĉoj, estos kapabla realigi ĉiujn akceptitajn programojn aŭ ĉu ĝi devos rezigni pri parto de ili?

*Respondo:* Oni ne povas nei, ke la eksiĝo de Usono kaj sekve la foresto de iliaj kotizoj elvokas certajn financajn malfacilaĵojn. Rilate la jam planitajn projektojn por 1985 ni devis iom malaltigi la elspezojn. Sed la situacio plifaciliĝis dank' al libervolaj kontribuoj de vico da membroŝtatoj, inter ili Sovetunio. Mi volas ĉefe al Sovetunio danki por tiu ĉi libervola kontribuo. Tiuj kromaj klopodoj kapabligis nin realigi la plej grandan parton de la programoj por tiu ĉi jaro.

Por la venonta periodo 1986–87 la membroŝtatoj devos ankoraŭ difini kaj konfirmi la programojn kaj la respektivan buĝeton dum la venonta Ĝenerala Konferenco de UNESKO. Tio estas ilia privilegio. La Ĝenerala Direktoro kaj la Sekretariato sekvos la direktivojn donitajn de ili. La membroŝtatoj decidas pri tio, ĉu kaj kiel limigi la projektojn de UNESKO en tiu aŭ alia sferoj.

Resumante oni povas diri, ke la vivo mem kaj la tutmondaj problemoj, kiujn la homaro kontraŭstaras, estas decidigaj por la plej gravaj agadsferoj de UNESKO. Al ili apartenas: la batalo kontraŭ malriĉeco kaj analfabeteco, la konservado kaj plimultigado de la kultura heredaĵo de la homaro kaj ankaŭ la defendado de la paco kaj de la rajtoj kaj liberecoj de la homo. La sukcesplena solvado de tiuj ĉi problemoj postulas la penon de la tuta internacia komunumo.

Kunlige kun la eksiĝo de Usono ekestis la demando, ĉu usonaj civitanoj restu en la stabo de kunlaborantoj de UNESKO. Post zorgema konsultiĝo la Ekzekutiva Konsilantaro de la Organizaĵo decidis, ke la menciitaj usonaj civitanoj daŭrigu plenumadi siajn taskojn, se ili agos strikte laŭ ĉiuj reguloj fiksitaj en la respektivaj kontraktoj kaj en la senco de UNESKO kaj ĝiaj membroŝtatoj. Tiu ĉi decido baziĝas sur la fakto, ke la internacia stabo de kunlaborantoj, al kiu apartenas ankaŭ usonaj civitanoj, estis fondita por plenumi specifajn kaj klare difinitajn taskojn. Sed ekde nun certe neniuj civitanoj de Usono estos enoficiigitaj kiel kunlaborantoj de la Organizaĵo.

*Demando:* La homaro solenis la 40-an datrevenon de la venko super la hitlera faŝismo. Kiel respeguliĝas tiu ĉi evento en la laboro de UNESKO?

*Respondo:* UNESKO solene festis la 40-an datrevenon de la finiĝo de la Dua Mondmilito. Por ni estas tiu ĉi dato des pli grava, ĉar ĝi koincidas kun la 40-a datreveno de akcepto de la Konstitucio de UNESKO. Kvankam UNESKO eklaboris nur en la jaro 1946, ĝia konstitucio estis akceptita jam pli frue, nome en novembro de 1945. La datreveno de la akcepto de la Konstitucio de UNESKO povas esti bona okazo por ankoraŭfoje ĝisfunde konsciiĝi pri ĉiuj problemoj de la internacia kunlaboro kaj ankoraŭfoje mediti pri la evoluado de tiu ĉi kunlaboro de post la fino de la Dua Mondmilito, ĉefe en la kadro de UNESKO. Mi esperas, ke tiu ĉi evento formos la elirpunkton por novaj klopodoj, plifortigi la internacian kunlaboron, necesan por la konservado de la paco kaj por la progreso kaj bonfarto de ĉiuj homoj en la mondo. Ĝuste en tio ekzistas la ĉefa celo, notita en la Ĉarto de UN kaj en la Konstitucio de UNESKO.

Mi volas speciale akcenti, ke ni ege aprezas la rolon, kiun ludis Sovetunio en la internacia kunlaborado sub la aŭspicio de UNESKO. Jam en la pasinta jaro, okaze de la 30-a datreveno de la membriĝo de USSR en la Organizaĵo, mi havis la eblecon, esprimi tiun altestimon. Sovetunio ĉiam aktive kontribuis al la efektivigo de ĉiuj internaciaj kaj interŝtataj programoj de UNESKO sur la kampo de scienco kaj tekniko, de edukado, kulturo kaj komunikado kaj sur aliaj kampoj. Konekse kun tio mi volas memorigi ekzemple la grandan sukceson, kiun havis la 4-a Konferenco de la Interŝtata Konsilantaro de la Internacia Programo por Evoluado de la Komunikado (IPDC), en 1983 en Taŝkent. La Ĝenerala Konferenco de UNESKO kaj la Ĝenerala Asambleo de UN tre alte taksis la rezultojn de tiu ĉi konferenco.

*(El „neue perspektiven" n-ro 5/85 tradukis Renate kaj Dieter Berndt)*

---

(daŭrigo de p. 19)

25 % el la UNESKO-buĝeto (40 milionoj da dolaroj jare) devigus UNESKOn ŝanĝi sian politikon kaj reveni en la usonan ĉirkaŭbrakiĝon, ne realiĝis.

Je la 11a januaro 1984 UNESKO-ĝenerala direktoro M'Bow respondis leteron de la usona ministro pri eksteraaj aferoj, George Shultz. Aferece li refutis la kulpigojn de Usono. Ekde 1976 ĉiuj gravaj rezolucioj de UNESKO estis akceptataj per konsento, do kun la voĉo de Usono, kiu ĉiam aktive partoprenis la ellaboron de la tekstoj. La aserto pri troa plialtigo de la buĝeto ne estas vera. La buĝeto por 1984/85 eĉ estas je 56 milionoj da dolaroj pli malalta ol tiu de 1982/83, kiam ĝi atingis 430 milionojn da dolaroj. Tiu estis la plej granda malpliigo de buĝeto iam ajn farata en buĝeto de speciala organizaĵo de UNO. La aktivadoj realigataj de UNESKO estis deciditaj ne de plimulto da ŝtatoj malrespektantaj la minoritaton, sed de ĉiuj ĉeestantaj ŝtatoj. UNESKO sukcesis resti loko de kunordigado kaj dialogo, kie ĉiuj partoprenantoj ĉiam havis la eblecon trovi komunaĵon, kiu povis servi kiel bazo por agado. UNESKO ĉiam estis politika. Siatempe Usono laborigis UNESKOn por sia korea agreso kaj kontrolis UNESKO-oficistojn antaŭ la McCarthy-komisiono pri kontraŭkomunisma pensmaniero. Fine de la letero M'Bow esprimis sian esperon, ke Usono ne lezas la principon de universaleco de UN-organizaĵo kaj nuligas sian decidon.

Malgraŭ ĉiuj penoj en Usono, UNESKO kaj UNO la decido, eliri el UNESKO, plenumiĝis. Tamen la financa ĉantaĝo ne sukcesis. Sovetunio, Francio, Meksikio, Hindio kaj aliaj ŝtatoj ĝiris kromajn kontribuojn al la konto de UNESKO. UNESKO plu vivas kaj agadas, plu plenumos siajn programojn por la bono de la homaro.

*(El la libreto „USA gegen UNESCO – Szenarium einer Erpressung", de Wolfgang Kleinwächter/Falko Raaz, Berlin 1985, trad. Michael Lennartz)*

# Interveno de la brava soldato Švejk en la mondmiliton

*La fama kontraŭmilita romano „La brava soldato Švejk" de Jaroslav H a š e k (1883–1923) oftege reaperas en la imago de siaj legantoj kune kun la praga gastejo „U kalicha". Pri ĝi aludas ankaŭ la enkonduka ĉapitro de la romano.*

„Aŭdu, oni mortigis nian Ferdinandon," diris la servistino al sinjoro Švejk, kiu antaŭ jaroj forlasis la militservon, post kiam kuracista komisiono definitive deklaris lin idioto, kaj kiu nun vivtenis sin per vendado de hundoj – abomenaj, aĉrasaj monstroj, kies genealogion li falsis.
Krom tiu ĉi okupo turmentis lin reŭmatismo. Ĝuste nun li ŝmiris siajn genuojn per kamfora tinkturo.
„Kiun Ferdinandon, sinjorino Müller?" demandis Švejk, ne ĉesante masaĝi la genuojn. „Mi konas du Ferdinandojn: tiun, kiu servas ĉe la drogisto Prusa kaj kiu foje pro eraro eltrinkis tie botelon da harkreskigaĵo; mi konas ankaŭ Ferdinandon Kokoska, kiu kolektas hundajn merdojn. Estas egale, kiun el ili oni mortigis. Nenia perdo."
„Ho ne, via sinjora moŝto – la sinjoron arkidukon el Konopiště, tiun grasan, pian."
„Jesuo Maria!" ekkriis Švejk. „Ja bela novaĵo! Kaj kie tio okazis?"
„Oni mortpafis lin en Sarajevo, via moŝto, per revolvero. Li veturis tie kun sia arkiduka edzino en aŭtomobilo."
„Jen vidu, s'jorino Müller, en aŭtomobilo. Nu jes – tia grandsinjoro povas tion fari eĉ ne pensante, kiel malfeliĉe povas la veturo finiĝi. Kaj en Sarajevo! Ĝi kuŝas en Bosnio, s'jorino Müller. Tion certe faris turkoj – ni ja ne devis preni al ili Bosnion kaj Hercegovinon. Jen vidu, la sinjoro arkiduko ripozas jam do en la sino de Dio. Ĉu li suferis longe?"
„Li tuj estingiĝis, via sinjora moŝto. Vi ja scias, revolvero ne estas ludilo. Antaŭ nelonge homo en nia kvartalo Nusle ankaŭ ludis per revolvero kaj mortigis tutan sian familion, eĉ la dommastron, kiu venis rigardi, kiu pafas en la tria etaĝo."
„Ekzistas revolveroj, kiuj ne funkcias, s'jorino Müller, eĉ se oni ĝisfreneze premus la ellasilon. Oni vendas multajn tiajn sistemojn; sed por mortigi la sinjoron arkidukon oni certe aĉetis iun pli altkvalitan markon – kaj mi vetus, s'jorino Müller, ke la homo, kiu tion faris,



bone sin vestis por tiu okazo. Sciu, mortpafi la sinjoron arkidukon estas ege malfacila laboro – io tute alia, ol se ŝtelĉasulo pafas kontraŭ forstisto. Temas pri tio, kiel al tia grandsinjoro proksimiĝi. Oni ne povas iri al li en ĉifona vesto; tia homo devas havi cilindran ĉapelon, por ke policisto ne kaptu lin jam antaŭ la faro."
„Laŭdire ili estis pluraj, via moŝto."
„Tio estas memkomprenebla afero; sinjorino Müller," respondis Švejk, finante la masaĝon de la genuoj. „Se vi intencus mortigi la arkidukon aŭ la sinjoron imperiestron, certe vi interkonsiliĝus kun iu. Ju pli da kapoj, des pli da ideoj. Unu konsilas tion, la alia ion alian kaj poste la afero sukcesos, kiel oni kantas en nia nacia habsburga himno. Ĉefa afero estas trafi la momenton, kiam tia grandsinjoro preterveturas. Ekzemple, ĉu vi rememoras sinjoron Luccheni, kiu trapikis nian Elizabetan per fajlilo? Ili promenis. Kredu poste al iu ajn! De tiu tempo neniu imperiestrino plu promenas. Kaj simila sorto atendas ankoraŭ multajn personojn. Vi vidos, s'jorino Müller, ke oni mortigos ankaŭ la caran paron, kaj povas okazi – Dio ne permesu! – eĉ la sinjoron imperiestron, se oni jam komencis per lia onklo. Li, la maljuna sinjoro, havas multajn malamikojn – ankoraŭ pli ol Ferdinando. Antaŭ nelonge diris iu sinjoro en gastejo, ke venos tempo, kiam imperiestroj estingiĝos unu post la alia kaj eĉ ŝtataj prokuroroj ilin ne savos. Poste li ne havis monon por pagi kaj la gastejestro devis lin arestigi, sed li donis al la gastejestro unu kaj al la policisto du vangobatojn. Oni lin forverturigis en ĉelveturilo, por ke li ekkonsciu sian konduton. Nu vidu, s'jorino Müller, kiaj aferoj okazas nuntempe! Aŭstrio suferis novan perdon. Kiam mi soldatis, infanteriano mortpafis kapitanon. Li ŝargis sian fusilon kaj iris en kancelarion. Tie oni al li diris, ke li ne rajtas eniri – sed la soldato gurdis, ke li devas paroli kun sinjoro kapitano. Tiu ĉi aperis kaj tuj lin ŝarĝis per karcero. La infanteriano prenis sian fusilon kaj pafis lin rekte en la koron. La kuglo elflugis tra la dorso de la kapitano kaj ankoraŭ faris difekton en la kancelario; ĝi frakasis botelon da inko, kaj tiu makulis oficajn dokumentojn."
„Kaj kio okazis al la soldato?" demandis sinjorino Müller post momento, dum Švejk sin vestis.
„Li pendumis sin per ŝelko," respondis Švejk, purigante sian malmolan ĉapelon. „Kaj la ŝelko eĉ ne estis lia. Ĝin li pruntis de provoso sub preteksto, ke lia pantalono emas degliti. Ĉu li atendu, ĝis oni lin pafekzekutos? En tia situacio neniu scias, kie li havas la kapon, s'jorino Müller. La provoson oni degradis kaj kondamnis al ses monatoj; sed li ne sidis ĝis fino de la puno, fuĝis al Svislando kaj nun vivtenas sin tie kiel predikisto de iu eklezio. En la nuna tempo nur malofte oni povas trovi honestulon, s'jorino Müller. Mi supozas, ke ankaŭ la sinjoro arkiduko Ferdinando havis falsan opinion pri tiu, kiu lin en Sarajevo mortpafis. Li vidis viron kaj pensis: jen, bonedukita homo, li al mi vivuas – dum tiu sinjoro lin mortigis. Ĉu li ekpafis unu aŭ plurfoje?"
„La gazetaro skribas, via moŝto, ke la sinjoro arkiduko aspektis kiel kribrilo. Tiu homo elpafis kontraŭ li ĉiujn kuglojn."
„Tio iras tre rapide, s'jorino Müller, ege rapide. Por tiu celo mi aĉetus aŭtomatan pistolon. Ĝi aspektas kiel ludilo – sed dum du minutoj eblas per ĝi mortpafi dudek arkidukojn, malgrasajn aŭ grasajn. Kvankam, dirite inter ni, s'jorino Müller, dikan arkidukon oni trafas pli

bone ol maldikan. Ĉu vi memoras, kiel antaŭ jaroj oni mortpafis sian reĝon en Portugalio? Li estis ankaŭ tiel grasa. Kompreneble, reĝo ja ne povas esti maldika. Do, nun mi iras en gastejon ‚U kalicha'; se iu venus kaj volus la rathundon, por kiu mi akceptis antaŭpagon, diru, ke mi havas ĝin en mia kampara hundejo, ke antaŭ nelonge mi pritranĉis ĝiajn orelojn kaj ke nun ne eblas la hundon transporti dum la oreloj ne cikatriĝos, por ke ili ne malvarmumu. La ŝlosilon donu al la dommastrino."

En la gastejo „U kalicha" sidis nur unu gasto – sekreta policisto Bretschneider, dungito de ŝtata polico. Gastejestro Palivec lavis bierajn subtasojn kaj Bretschneider vane klopodis komenci kun li seriozan konversacion.

Palivec estis konata maldeculo – ĉiu dua lia vorto estis pugo aŭ merdo; sed aliflanke temis pri sperta leganto, kiu atentigis ĉiun legi, kion aplikeblan al la aktuala situacio skribis Victor Hugo pri lasta respondo de la malnova gvardio de Napoleono al la angloj en la batalo ĉe Waterloo.

„Agrablan someron ni havas," komencis Bretschneider sian seriozan konversacion.

„Ĉio tio valoras merdon," respondis Palivec, metante la subtasojn en ŝrankon.

„Bonan kaĉon oni kuiris al ni en Sarajevo, vere," diris la policisto kun malforta espero en la voĉo.

„En kiu Sarajevo?" demandis Palivec. „Ĉu en tiu vinejo en la kvartalo Nusle? Tie oni interbatalas ĉiutage. Vi ja scias, Nusle!"

„En la bosnia Sarajevo, sinjoro gastejestro. Tie oni mortpafis la sinjoron arkidukon Ferdinando. Kion vi pri tio opinias?"

„En tiajn aferojn mi min ne miksas, kun tio ĉiu kisu al mi la pugon," dece respondis sinjoro Palivec, ekbruligante sian pipon.

„Hodiaŭ sin miksi en la okazaĵojn? Tio povus rompi la nukon al kiu ajn. Mi estas negocisto – mi kranos bieron al tiu, kiu venos kaj mendos ĝin; sed Sarajevo, politiko aŭ la mortinto-arkiduko min ne koncernas. El tio rezultus nenio alia ol la arestejo Pankrác." Bretschneider eksilentis kaj seniluziiĝinte ĉirkaŭrigardis la sengastan ejon.

„Ĉi tie iam pendis bildo de sinjoro imperiestro," li diris post momento, „ĝuste tie, kie nun troviĝas la spegulo."

„Jes, en tio vi pravas," konsentis sinjoro Palivec. „La bildo tie pendis kaj fekis sur ĝin muŝoj, tial mi metis ĝin en la subtegmenton. Vi ja scias, iu povus permesi al si eĉ aludon, el kiu rezultus malagrablaĵoj. Ĉu mi tion bezonas?"

„En Sarajevo ŝajne estis tre malbone, sinjoro gastejestro."

La ruze rektan komenton rebatis sinjoro Palivec neordinare singarde: „En tiu ĉi sezono en Bosnio kaj Hercegovino terure varmegas. Al nia ĉefleŭtenanto – kiam mi tie soldatis – ni devis meti glacion sur la kapon."

„Ĉe kiu regimento vi servis, sinjoro gastejestro?"

„Tian bagatelon mi ne memoras, pri tia idiotaĵo mi ne interesiĝis kaj neniam mi pri ĝi scivolis," respondis sinjoro Palivec. „Troa scivolemo malutilas."

La detektivo Bretschneider definitive eksilentis. Lia nubmieno pliboniĝis nur post alveno de Švejk, kiu eniris la gastejon kaj mendis nigran bieron kun jena rimarko:

„Ankaŭ en Vieno oni havas hodiaŭ funebron."

La okuloj de Bretschneider lumis plenaj da espero. Li diris koncize: „En Konopiště flirtas dek nigraj funebraj flagoj."

„Pli konvenus dek du flagoj," respondis Švejk post trinko.

„Kial dek du?" demandis la policisto.

„Por ke la nombro estu ronda, kompleta dekduo," klarigis Švejk.

„Po dekduoj eblas pli bone kalkuli kaj ankaŭ pli etpreze aĉeti."

Regis silento, kiun rompis Švejk mem per ĝemo:

„Li do jam ripozas en la sino de Dio, kaj eĉ ne ĝisvivis sian imperiestran kronadon. Dio donu al li eternan gloron! Kiam mi soldatis, generalo falis de sur la ĉevalo kaj mortis. Oni volis helpi, suprenigi lin sur la ĉevalon – kaj miras, ke li ne vivas. Ankaŭ li atendis sian avancon, al feldmarŝala rango. Tio okazis ĉe soldata parado; paradoj neniam kondukas al io bona. Ankaŭ en Sarajevo estis parado. Mi memoras, ke foje ĉe simila okazo mankis al mi dudek butonoj sur la uniformo, pro kio oni min arestis por dek kvar tagoj. Du tagojn mi kuŝis kiel Lazaro, kaŭre ligita. Sed en armeo devas regi disciplino, alie oni timus nenion. Nia ĉefleŭtenanto Makovec diradis al ni ĉiam: ‚Disciplino necesas, vi kretenaj uloj, ĉar alie vi grimpus sur arboj kiel simioj; sed soldatservo faros el vi homojn, vi stultaj idiotoj.' Ĉu li ne pravis? Imagu parkon, ekzemple tiun sur la placo de Karolo, kaj sur ĉiu arbo soldaton sen disciplino. Tion mi ĉiam plej multe timis."

„En Sarajevo faris tion serboj," intervenis Bretschneider.

„Vi eraras," refutis Švejk, „tion faris turkoj, pro Bosnio kaj Hercegovino." Kaj Švejk prezentis sian opinion pri la internacia politiko de Aŭstrio en Balkanio. En la jaro 1912 turkoj malvenkis en milito kontraŭ Serbio, Bulgario kaj Grekio. Ili volis, ke Aŭstrio al ili helpu; kaj ĉar tio ne okazis, ili mortpafis Ferdinandon.

„Ĉu vi amas turkojn?" li turnis sin al la gastejestro. „Ĉu vi amas tiujn paganajn hundojn? Certe ne, ĉu?"

„Gasto kiel gasto," respondis Palivec. „Eĉ la turko. Por ni negocistoj ne ekzistas politiko. Pagu vian bieron, sidu en gastejo kaj babilu, kion vi volas – jen mia principo. Min tute ne interesas, ĉu al nia Ferdinando faris tion serbo aŭ turko, katoliko aŭ mahometano, anarkisto aŭ ĉeĥa radikalulo."

„Bone, sinjoro mastro," diris Bretschneider, ree perdanta la esperon, ke iu el tiuj du lasos sin kapti, „sed vi devas konfesi, ke Aŭstrio suferis grandan perdon."

Anstataŭ la gastejestro respondis Švejk: „Perdo ĝi estas, tion oni ne povas nei. Terura perdo. Ferdinandon ne eblas anstataŭigi per kreteno. Domaĝe, ke li ne estis ankoraŭ pli grasa."

„Kion vi volas per tio diri?" viviĝis Bretschneider.

„Kion?" respondis Švejk kontente. „Nur ĉi tion: se li estus pli grasa, li ne mortus per tiel skandala maniero; ĉar certe trafus lin apopleksio jam tiam, kiam li forpeladis maljunulinojn, kolektantajn en arbaro de Konopiště – en lia ĉasregiono – sekajn branĉetojn kaj fungojn. Imagu – lin, onklon de nia sinjoro imperiestro, oni mortpafis! Kia honto! La gazetaro skribas nur pri tio. Antaŭ jaroj sur la foirejo en Budějovice oni mortpikis post sensignifa kverelo brutkomerciston Břetislav Ludvik. Li havis filon nomatan Timoteo, de kiu poste neniu aĉetis porkojn, kien ajn li venis por ilin vendi –



*„Švejk en la dua mondmilito" estas dramo de B. Brecht laŭ Hašek-originalo. Surscenigo de la Berlina Ensemblo (Brecht-teatro) 1962. De maldekstre dekstren Gisela May kiel s-ino Kopicka, Wolfgang Arnst kiel Baloun kaj Martin Flörchinger kiel Švejk.*

Foto: Zentralbild

ĉiu diris: ‚Jen la filo de tiu mortpikito – certe ankaŭ li estas bela fripono!' Li ne havis alian elekton ol en Krumlov salti en la riveron Vltava. Oni lin savis, revivigis, ĉerpis el li akvon – kaj li mortis en brakoj de kuracisto post injekto."
„Vi havas ja strangajn komparojn," diris Bretschneider signifoplene. – „Unue vi parolas pri Ferdinando kaj poste pri brutkomercisto."
„Ho ne," defendis sin Švejk. „Dio min gardu, ke mi volu iun ajn kompari kun iu alia. Sinjoro gastejestro min konas. Diru, ĉu iam mi komparis iun kun iu alia? Mi nur ne volus esti en la haŭto de la vidvino post la arkiduko. Kion ŝi nun faros? La infanoj orfiĝis, la bienaro en Konopiště restis sen mastro. Ĉu edziniĝi al alia arkiduko? Kion ŝi gajnus? Ŝi veturus kun li denove al Sarajevo kaj vidviniĝus la duan fojon. Antaŭ jaroj en Zliv ĉe Hluboká vivis forstisto, kiu havis malbelan nomon Kaco. Mortpafis lin ŝtelĉasuloj. Li postlasis vidvinon kun du infanoj, kiu post unu jaro edziniĝis denove al forstisto, Josef Šavel el Mydlovary; kaj ankaŭ tiun ĉi oni mortpafis. Poste ŝi prenis al si trian edzon, denove forstiston, kaj diris: ‚Feliĉon oni provu trifoje. Se nun mi ne sukcesos, mi ne scios, kion fari.' Kompreneble – ankaŭ lin oni mortpafis; tiam ŝi havis kun ĉiuj tiuj forstistoj jam ses infanojn. Ŝi eĉ iris en kancelarion de princo en Hluboká kaj plendis, kian turmenton ŝi havis kun forstistoj. Oni do rekomendis al ŝi fiŝgardiston Jareš el bastiono de Ražice; kaj imagu – iu lin dronigis dum fiŝado. Kun li ŝi havis du infanojn. Poste ŝi edziniĝis al kastristo de porkoj el Vodňany, kiu mortigis ŝin foje nokte per hakilo kaj denuncis sin. Antaŭ sia pendumo ĉe distrikta juĝejo en Pisek li formordis la nazon al pastro, proklamis, ke li pentas neniom kaj diris ankoraŭ ion tre malbelan pri sinjoro imperiestro."
„Ĉu vi ne scias, kion li proklamis?" esperplene demandis Bretschneider.
„Tion mi ne povas al vi diri, ĉar neniu kuraĝis tiujn frazojn ripeti; sed laŭdire temis pri tiel teruraj kaj aŭdacaj vortoj, ke la ĉeestanta juĝeja konsilanto pro tio freneziĝis kaj ankoraŭ nun oni tenas lin en izolejo, por ke la afero ne diskoniĝu. Tio ne estis nur simpla ofendo de sinjoro imperiestro, kian oni faras en ebrio."
„Kaj kiel oni ofendas sinjoron imperiestron en ebrio?" demandis Bretschneider.
„Sinjoroj, mi petas, ŝanĝu la temon," interrompis ilin gastejestro Palivec. „Mi ne ŝatas tiajn parolojn. Vorton el la buŝo oni ellasas facile – kaj poste oni tion bedaŭras."
„Kiel oni ofendas sinjoron imperiestron en ebrio?" ripetis Švejk. „Diversmaniere. Ebriiĝu, lasu al vi ludi la aŭstrian himnon kaj aŭskultu, kion vi parolos. Vi elpensos pri nia sinjoro imperiestro tiom da aferoj, ke nur duono – se ĝi estus vera – sufiĉus, ke li devu honti dum la tuta vivo. Sed tion la maljuna sinjoro vere ne meritas. Pripensu jenon: kiel matura viro li perdis sian junan filon Rudolfo. Lian edzinon Elizabeta oni mortpikis per fajlilo, poste perdiĝis Johano Orth. Lian fraton, imperiestron de Meksikio, oni pafekzekutis ĉe muro de fortikaĵo – kaj nun liaj malnovaj ostoj ĝisvivis, ke oni mortpafis lian onklon. Por tio oni ja devus havi ferajn nervojn! Kaj en tia situacio kiu ajn ebriulo intencas lin insulti. Se nun eksplodus la milito, mi irus kiel volontulo kaj servus al sinjoro imperiestro ĝis la lasta spiro." Li faris profundan gluton kaj daŭrigis: „Ĉu vi opinias, ke la sinjoro imperiestro ne reagos? Malbone vi lin konas. La milito kontraŭ turkoj estas neevitebla. Vi mortigis mian onklon – jen do estu punbatita. La milito estas certa. Serbio kaj Rusio nin helpos. Oni interbatalos."
En tiu profeta momento Švejk aspektis bele. Lia naiva vizaĝo, ridetanta kiel plenluno, entuziasme brilis. Por li ĉio estis klara.
„Povas esti," li daŭrigis, prezentante la estonton de Aŭstrio, „ke en la okazo de milito kontraŭ turkoj atakos nin germanoj, kiuj kun turkoj interfratiĝas – kanajloj, al kiuj ne eblas trovi egalajn en la mondo. Sed ni povas ligi kontaktojn kun Francio, kiu soifas venĝon kontraŭ germanoj jam ekde la sepdek unua jaro. Kaj jam ĉio komenciĝos. La milito eksplodos, mi ne diros al vi pli."
Bretschneider leviĝis kaj solene deklaris: „Pli vi ne devas diri. Iru kun mi malantaŭ la pordon, tie mi diros ion al vi."
Švejk sekvis la detektivon en la koridoron, kie lin atendis eta surprizo: lia bierkunulo montris al li insignon de sekretaj policistoj kaj proklamis, ke li lin arestas kaj tuj forkondukos al polica direkcio. Švejk klopodis klarigi, ke tiu sinjoro ŝajne eraras, ke li estas tute senkulpa kaj ne diris eĉ unu vorton, kiu povus iun ofendi; sed Bretschneider substrekis, ke Švejk vere kulpas pri kelkaj punindaj agoj, inter kiuj brilas la krimo de ŝtatperfido.
Poste ili revenis en la gastejon kaj Švejk diris al sinjoro Palivec:
„Mi havis kvin bierojn kaj bulkon kun kolbaso. Nun donu al mi ankoraŭ glaseton da brando ‚slivovice'. Mi devas jam iri, ĉar oni min arestis."
Bretschneider montris la insignon al sinjoro Palivec, momenton lin observis kaj poste demandis:
„Ĉu vi estas edzo?" „Jes."
„Kaj ĉu via edzino kapablas estri la gastejon dum via foresto?" „Jes, ŝi kapablas." „Tio do estas en ordo, sinjoro mastro," ĝojis Bretschneider. „Alvoku vian edzinon kaj ĉion al ŝi transdonu, vespere oni vin forveturigos."
„Ne malĝoju pro tio," konsolis lin Švejk, „mi iras tien nur pro ŝtatperfido."
„Sed kial mi?" lamentis sinjoro Palivec. „Mi kondutis ja tiel singarde."
Bretschneider ridetis kaj triumfe diris: „Pro viaj vortoj, ke muŝoj fekis sur sinjoron imperiestron. Oni jam elpelos el via kapo maldecajn rimarkigojn kontraŭ nia imperiestro."
Švejk forlasis la gastejon „U kalicha" en akompano de la detektivo, rigardis lian vizaĝon kaj bonule ridetis. Kiam ili eliris sur la straton, Švejk demandis:
„Ĉu mi deiru de sur la trotuaro?" „Kial?"
„Mi opinias, ke arestito ne rajtas sur ĝi paŝi."
Kiam ili eniris pordegon de la polica direkcio, Švejk diris: „Bone pasis al ni la tempo. Ĉu vi ofte venas en la gastejon ‚U kalicha'?" Dum oni lin kondukis en akceptan kancelarion, sinjoro Palivec estis transdonanta la gastejon al sia ploranta edzino kaj konsolis ŝin per sia kurioza maniero:
„Ne ploru, ne bleku, kion oni povas fari al mi pro surfekita bildo de sinjoro imperiestro?"
Kaj tiel intervenis la brava soldato Švejk en la mondmiliton per sia agrabla, ĉarma maniero. Historiistojn interesos, ke li antaŭvidis foran estontecon. Se la situacio disvolviĝis poste alie, ol kiel li prezentis ĝin en la gastejo „U kalicha", ni konsciu, ke li ne havis antaŭan diplomatan klerigon.

*Tradukis Vladimir Váňa*

## Klarigoj:

– Aŭdu, oni mortigis nian Ferdinandon: la arkidukon Ferdinando d'Este (1863–1914) kaj lian edzinon oni murdis la 28an de junio 1914 en Sarajevo, ĉefurbo de Bosnio. Post unu monato Aŭstri-Hungario proklamis militon al Serbio, kaj tiel komenciĝis la unua mondmilito
– Konopiště: kastelo ĉe la urbo Benesov en centra Bohemio, kie loĝis la arkiduko Ferdinando
– Luccheni: Luccheni mortpikis aŭstrian imperiestrinon Elizabeta (1837–1898), edzinon de Francisko Jozefo la unua
– se oni jam komencis per lia onklo: la aŭtoro eraras – Ferdinando d'Este estis ne onklo, sed nevo de Francisko Jozefo la unua
– lasta respondo de la malnova gvardio de Napoleono al la angloj en la batalo ĉe Waterloo: kiam la komandanto de angla armeo admonis francojn, ke ili kapitulacu, franca generalo Cambronne laŭdire respondis: „Merdon – gvardio povas morti, sed ne kapitulaci."
– li perdis sian junan filon Rudolfo: sola filo de Francisko Jozefo la unua perdis subite sian vivon en la j. 1889 pro nekonataj kaŭzoj
– Johano Orth: eksarkiduko Johano, kiu rezignis sian titolon kaj akceptis civilan nomon Orth. Li perdiĝis en la j. 1890
– Lian fraton, imperiestron de Meksikio, oni pafekzekutis . . .: la arkidukon Ferdinando Maksimiliano oni pafekzekutis en la j. 1867
– . . . Francio, kiu soifas venĝon kontraŭ la germanoj jam ekde la sepdek unua jaro: pro malvenko en la franca-germana milito 1870–1871

*(„Paco", 2/1973, ĈSSR, eksterseria)*

Amadou-Mahtar M'Bow

# La rajto je komunikado

*En la raporto pri la rajto je komunikado, kiun prezentis la Ĝenerala Direktoro de UNESKO, Amadou-Mahtar M'Bow, al la Ĝenerala Konferenco de la organizaĵo dum ĝia 23-a kunveno en la jaro 1985 en Sofio, li analizis la diversajn aspektojn de la estiĝanta koncepto pri la rajto je komunikado.*
*En sia raporto la Ĝenerala Direktoro akcentis, ke „ĝis la hodiaŭa tago ankoraŭ ne ekzistas tute klara unuanimeco pri la preciza enhavo de la rajto je komunikado kaj tiom malpli pri la maniero de ĝia enkonduko kaj realigo". Sed li ankaŭ deklaris, ke „la fundamenta signifo de la rajto je komunikado baziĝas sur la fakto, ke ĉiuj gravaj establitaj homaj rajtoj povas esti nelimigite praktikataj kaj respektataj nur sur la bazo de vera kaj ampleksa komunikado – komprenata kiel neforprenebla rajto de ĉiu individuo. Tiu ĉi dependeco inter la establitaj homaj rajtoj kaj la ĝis nun ankoraŭ ne definita rajto je komunikado postulas pluajn penojn en tiu ĉi sfero.*
*Sekvas kelkaj eltiraĵoj el la raporto de la Ĝenerala Direktoro de UNESKO pri la rajto je komunikado:*

Favoraj kondiĉoj je nacia kaj internacia niveloj devas ekzisti por konvene realigi ĉiujn homajn rajtojn. La grado, en kiu ili estas uzataj, siaflanke influas la kvaliton de tiuj ĉi kondiĉoj. Kreante la modernan sistemon de la internacia kunlaboro, oni fiksis en la Ĉarto de la Unuiĝintaj Nacioj konsidere al tiu ĉi interrilato la jenan: „ŝirmi la venontajn generaciojn kontraŭ la skurĝo de la milito . . ., fortigi la kredon pri la bazaj rajtoj de la homo, pri la digno kaj valoro de la homa personeco . . ., stimuli la socialan progreson kaj pli bonajn vivkondiĉojn ĉe pli granda libereco" kaj devigi la popolojn de la Unuiĝintaj Nacioj „praktiki toleremon kaj vivi kune en paco kiel bonaj najbaroj . . ., unuigi niajn fortojn por konservi la mondan pacon kaj la internacian sekurecon . . . kaj uzi internaciajn instituciojn por akceli la ekonomian kaj socialan progreson de ĉiuj popoloj".
Tial unu el la taskoj de UNESKO estas „stimuli la reciprokan sinkonadon kaj komprenon de la popoloj per partopreno en la agado de la amasinformiloj kaj tiucele rekomendi internaciajn interkonsentojn, kiujn ĝi rigardas necesaj por plialtigi la liberan interŝanĝon de ideoj per vortoj kaj bildoj" (Artikolo 1 de la Konstitucio).

## Informadaj socioj

Nun jam de kvar jardekoj estas observebla senekzempla movado rilate la konceptojn pri homaj rajtoj kaj ilia aplikado al tiuj, kiujn ili koncernas. Sed ankoraŭ pli grava ol la progreso en la kodigo de la homaj rajtoj estas la atingaĵoj en la evoluo de scienco kaj tekniko. Kun la evoluo de la homa socio ili fariĝis gravaj faktoroj, ĉar ili prezentas kreskantajn ŝancojn por plibonigi la ekzistadkondiĉojn de landoj kaj popoloj. Kiel tion montris ankaŭ la rezultoj de la simpozio pri la konsekvencoj de novaj teknologioj de komunikado en kulturo, socio kaj ekonomio, kunvokita de UNESKO kaj de la Instituto della Enciclopedia Italiana al Romo de la 12-a ĝis la 16-a de decembro 1983, la socisciencistoj ekkonas pli kaj pli, ke la modernaj industriaj socioj iom post iom fariĝas informadaj socioj sub la premo de radikalaj ŝanĝoj en la teknologioj de komunikado. La rapideco de tiu ŝanĝo certe diferencas de lando al lando kaj de regiono al regiono kaj sendube la ŝanĝo okazas ankaŭ en diversaj formoj. Tamen temas pri nehaltigebla fenomeno. Pli ol la duono de la laboruloj en la progresintaj landoj jam nun praktikas aktivecojn, kiuj estas en esenca interrilato kun la kolektado, uzado kaj disvastigado de datumoj kaj informoj.

## La informada-komunikada industrio

La informada-komunikada industrio estas hodiaŭ unu el la movigaj fortoj de la moderna ekonomio kaj en ĝia kadro evidente la plej dinamika sektoro, kiu plej rapide kreskas. La interligo inter komputiloj kaj telekomunikilaj sistemoj en formo de telematiko konsiderinde plivastigas la kapaciton de la kolektado, prilaborado, stokado kaj disvastigado de informoj kaj scioj. El tiu ĉi laŭkvanta kreskado nepre rezultos laŭkvalitaj ŝanĝoj, kiuj siavice koncernas la komunikadan proceson mem.

## Nova aliro al la komunikado

Jam en la jaro 1969 la tiama Direktoro de la Radia kaj Televida Servo en la UN-oficejo por Publikaj Informoj kaj pli posta prezidanto de la Internacia Instituto por Komunikado, Jean d'Arcy, proponis novan homan rajton: la rajton de la homo je komunikado. Konsidere al la rapida evoluado de modernaj teknologioj de komunikado li motivigis tiun ĉi novan rajton per jena konstato: „Necesas novaj konsideroj. Nova koncepto kaj nova aliro al la problemoj de la komunikado kondukus al studaĵoj pri novformigo kaj de naciaj kaj de internaciaj strukturoj de komunikado. Propono, farita jam en tiu ĉi fazo, pri la estonta respektado de tiu ĉi rajto de homoj kaj nacioj je komunikado plivigligus la esploradon pri tiaj problemoj, kiaj ili nuntempe estas diskutataj en la Unuiĝintaj Nacioj, ekzemple la deklaracio kaj konvencio pri la rajto je aliro kaj partopreno al informado, pri la multflanka informfluo kaj la konservado de la kultura heredaĵo." (Jean d'Arcy, „The Right of Man to Communicate", en „Right to Communicate: Collected Papers", eldoninto L. S. Harms, Jim Richstad kaj K. A. Kie, Honolulu, Universitato Hawaii, Manao, 1977.)
Aliaj ekkaptis la ideon, kaj multaj traktatoj estis skribitaj pri tio. Ekde 1974 ĝi estas parto de la UNESKO-programo. Vico da raportoj kaj aliaj dokumentoj estis ellaboritaj kaj okazis simpozioj kaj kunvenoj.

## Necesa unuanimeco pri la rajto je komunikado

Estas vere, ke ĝis nun ne eblis atingi iun klaran konsenton pri la preciza enhavo de tiu ĉi „rajto aŭ de la plej bonaj eblecoj por ĝia enkonduko kaj realigo". Tiu ĉi manko je konsento rezultas el diversaj faktoroj. Unue temas pri la tempo, kiu devas pasi, antaŭ ol origine ankoraŭ neklara koncepto konturiĝas per iom mezureblaj kaj praktikeblaj formoj. Plua faktoro estas la politika klimato, kiu dum la lastaj jaroj regis en la mondo kaj kiu nur malmulte utilis por atingi konsenton pri novaj internacijuraj konceptoj. Trie oni devas nomi daŭrantajn miskomprenojn en iuj rondoj rilate la egaligon de la rajto je komunikado al la koncepto de „nova internacia ordo pri informado kaj komunikado", kiemontriĝis, ke iuj aspektoj kaŭzis disputojn inter diversaj ŝtatogrupoj. Kaj fine oni parte timas, ke el tio rezultus aktivecoj kun normigaj konsekvencoj – kiel ekzemple la postulo pri internacia kodekso. Sed dumtempe klariĝis almenaŭ la plej gravaj demandoj, kiujn la koncepto de la rajto je komunikado enhavas:
Al ili apartenas:
1) Kiel oni prezentu au difinu la koncepton – ĉu kiel estiĝantan koncepton aŭ kiel larĝan proklamitan, sed ankoraŭ ne establitan koncepton aŭ kiel koncepton, en kiu jam establitaj elementoj devas esti nur kunigataj?
2) Kiel ĝi estas realigebla post sia establigo?
3) En kiu rilato al iuj aliaj konceptoj ĝi estas, ekzemple en rilato al la rajto je evoluado kaj ĉefe al la ideo de nova internacia ordo en la sfero de informado?
Rilate al la unua demando tuŝanta la in-

ternacian juron utilas diferencigi inter la principoj, establitaj laŭkontrakte aŭ laŭ kutima rajto, inter ankoraŭ ne establitaj, sed proklamitaj konceptoj (ekzemple en sendevigaj internaciaj dokumentoj) kaj inter konceptoj, kiuj ĉiam ankoraŭ troviĝas nur en komenca stadio. Depende de la pozicio, kiun oni defendas, la rajto je komunikado povas esti rigardata el la vidpunkto de unu el tiuj eblecoj. Ekzistas voĉoj, laŭ kiuj ĝi troviĝas en komenca stadio kaj laŭ kiuj ĝi do estas tiom nova kaj entranĉa, ke ĝi finfine alportos ŝanĝojn eĉ por tiaj bazaj dokumentoj kiel la Ĝenerala Deklaracio de la Homaj Rajtoj. Aliaj atentigas pri tio, ke ĝia enhavo estas fiksita jam unuanime – aŭ kategorie aŭ incidente – en tiaj dokumentoj kiel la Ĝenerala Deklaracio de la Homaj Rajtoj (UDHR) aŭ la Internacia Konvencio pri Civilaj kaj Politikaj Rajtoj (ICCPR).

Fine ekzistas ankoraŭ tiuj, kiuj defendas la opinion, ke la rajto je komunikado estas jam agnoskita de la internacia juro kiel homa rajto, eĉ se ne sub tiu ĉi nomo. Ĝia kerno jam estas parto de la rajto je libera opiniesprimo – ankrita en art. 19 de UDHR kaj art. 19 de ICCPR – kaj pliaj ĝiaj fundamentaj elementoj eniĝis en aliajn artikolojn de UDHR, de la supre nomita konvencio, de la Konvencio pri ekonomiaj, socialaj kaj kulturaj rajtoj (ICESCR) kiel ankaŭ en pliajn homrajtajn kontraktojn. Laŭ tiuj ĉi opinioj sufiĉas kunigi tiujn ĉi elementojn, prezenti ilin en nova, konvena formo, plenigi hazardajn mankojn kaj tiel trovi novan nomon por nova rajto: la rajto je komunikado.

La aldona adopto de tiu ĉi nova rajto tial nek forstrekos ion el la internacijure jam establitaj homaj rajtoj nek aldonos ion al ili. Ĝia unika kaj nova enhavo estos aktuala sintezo de kunigita rajto – kunigita el ekzistantaj, sed novaranĝitaj elementoj de la establita katalogo de civilaj, politikaj, ekonomiaj, socialaj kaj kulturaj rajtoj.

### La signifo de la rajto je komunikado

La fundamenta signifo de la rajto je komunikado devenas el la fakto, ke evidente ne temas pri unuopa rajto el la vico de establitaj rajtoj, inkluzive de la homa rajto je vivo aŭ la rajto je memdetermino de la popoloj, kiu povas plene realiĝi kaj esti praktikata sen komunikado inter siaj uzantoj. Sen ampleksa komunikado estus eĉ neeble, praktiki aŭ uzi unu el la sekvantaj establitaj homaj rajtoj:

- la rajto je libera opiniesprimo; tiu ĉi rajto ampleksas la liberecon neatakate diskuti opiniojn kaj senkonsidere al landlimoj serĉi, ricevi kaj disvastigi informojn kaj ideojn per ĉiuj komunikiloj (UDHR, Art. 19);
- la rajto je partopreno en la gvidado de publikaj aferoj (ICCPR, Art. 25);
- la rajto je libereco kunveni kaj unuiĝi (UDHR, Art. 20);
- la rajto je fondo de sindikatoj kaj aliĝo al ili (UDHR, Art. 23/4);
- la rajto je libera elekto de la loĝloko (UDHR, Art. 19; ICCPR, Art. 12);
- la rajto je kleriĝo (UDHR, Art. 26; ICESCR, Art. 13);
- la rajto je sano (UDHR, Art. 25/1; ICESCR, Art. 12);
- la rajto je libereco de ideoj, konscienco kaj religio (UDHR, Art. 18; ICCPR, Art. 18);
- la rajto je partopreno en la kultura vivo (UDHR, Art. 27; ICESCR, Art. 15);
- la rajto je utiligo de la scienca progreso kaj partopreno en ĝia aplikado (UDHR, Art. 18; ICESCR, Art. 15).

Komunikado povas ankaŭ esti grava aspekto de la rajto je laboro. La artikoloj, kiuj regulas tiujn specifajn rajtojn, estas partoj kaj de UDHR kaj ankaŭ de ambaŭ UN-konvencioj. Kelkaj de tiuj rajtoj eniĝis ankaŭ en aliajn kontraktojn. La neĝenata realigo kaj praktikado de ĉiuj tiuj establitaj rajtoj nepre inkluzivas la rajton je komunikado. Plue oni povas konstati, ke la bezonataj elementoj de fundamenta rajto je komunikado por ĉiuj tiuj celoj estas jam fiksitaj kaj en tiuj ĉi dokumentoj kaj en aliaj kontraktoj pri homaj rajtoj – se ne eĉ kategorie, almenaŭ kiel neevitebla konsekvenco.

### Limoj de la rajto je komunikado

La rajtoj fiksitaj en la menciitaj artikoloj – kaj sekve ankaŭ la koncernata rajto je komunikado – estas reduktitaj helpe de specifaj, limigaj difinoj en tiuj dokumentoj. Iuj – ĉefe la limigaj klaŭzoj pri la rajtoj aŭ pri la apelacio al aliaj, pri protekto de la nacia sekureco, de la publika ordo, de la publika sanservo, de la publika moralo ktp. – estas aldonaĵoj al la unuopaj artikoloj.

Aliaj limigoj fiksiĝis en apartaj artikoloj, ekzemple la malpermeso de

- arbitra aŭ neleĝa interveno en la privatan vivon, la familion, la hejmon aŭ la korespondadon (UDHR, Art. 12);
- neleĝa atako kontraŭ honoro kaj reputacio (UDHR, Art. 12);
- milita propagando (ICCPR, Art. 20);
- pledo por nacia, rasa aŭ religia malamikeco, kiu instigas al diskriminado, malamikeco kaj perforto (ICCPR, Art. 20).

Menciindaj estas plue la artikoloj 29 kaj 30 de UDHR, kiuj ĝenerale okupiĝas pri devoj kaj limoj, kiel ankaŭ la artikoloj 24 kaj 25 de ICESCR kaj la artikoloj 46 kaj 47 de ICCPR. (Inter ili tiuj artikoloj kontribuas ankaŭ al tio, skizi la limojn de la rajto je komunikado.)

Ĉi tie ni akcentu: Limigante la homajn rajtojn por garantii ilian uzon al ĉiuj, la ŝtatoj devas zorge gardi sin, ke ili ne nuligu tion, kion tiuj artikoloj tute speciale koncesias. En la sama maniero la ŝtatoj devas fidele respekti ankaŭ tiujn limigojn rilate al la propraj aktivecoj – ĉefe en la sfero de la publika komunikado. Oni devas konsideri, ke per tiuj ĉi dokumentoj la ŝtatoj estas devigataj respekti, garantii respektive sekurigi la praktikadon de ĉiu unuopa el tiuj rajtoj por ĉiuj homoj – sen diferenco aŭ diskriminado rilate al raso, haŭtkoloro, sekso, lingvo, religio, politika aŭ alia opinioj, havaĵo, deveno aŭ alia stato. Tiu ĉi postulo validas en sama maniero por la rajto je komunikado.

Se oni resumas la nuntempan staton rilate la rajton je komunikado, estas videbla jeno: Ĝis la hodiaŭa tago ne ekzistas klara unuanimeco pri la preciza enhavo de la rajto je komunikado kaj tiom malpli pri la rimedoj por ĝia enkonduko kaj realigo. Male, la multeco da opinioj – de firma malakcepto ĝis entuziasma subteno – enbruligis la makulon de kontestata demando al tiu ĉi temo, kies pluevoluado riskas lamiĝi en tempo, kiam ĝi estas urĝe bezonata. Ĉefe tio montriĝas ĝusta, se oni konsideras la rapidan evoluon de novaj teknologioj de komunikado kaj la eblecojn, kiujn ili prezentas en la intereso de pli bona komunikado en ĉiuj sferoj de la socio. Aliflanke same evidentiĝas, ke la fundamenta signifo de la rajto je komunikado baziĝas sur la faktoj, ke ĉiuj gravaj establitaj homaj rajtoj povas esti nelimigite uzataj kaj praktikataj nur sur la bazo de vera kaj ampleksa komunikado – komprenata kiel neforprenebla rajto de ĉiu homo. Tiu ĉi dependeco inter la establitaj homaj rajtoj kaj la ĝis nun nedifinita rajto je komunikado postulas pluajn penadojn en tiu ĉi sfero.

*El „neue perspektiven" n-ro 1/86*
*Tradukis Renate kaj Dieter Berndt*

## Printempo surtera

**Se la ŝercoj gaje flugos,**
**tamen per la am' lanugos,**
**brulos hela lamp'**
**sur la verda kamp'.**
**Se la sento gaje trilos**
**kaj la mens' jubile brilos**
**venos la printemp',**
**tiu ĉarma temp'.**
**Se la homoj sin komprenos**
**kaj sin ĉe la manoj tenos**
**venos fine romp'**
**al milita pomp'.**
**Se printempo tia venos**
**kaj la teron pace benos**
**venos fin' de'l tromp'**
**pri la superbomb'.**

*H.-G. Kaiser*

**Werner Ilberg**

## Kristnaska legendo

La infano estis naskita, kaj tio estis la mesaĝo, kiun ĝi alportis: pacon sur la Tero kaj al la homoj plezuron. Paŝtistoj kaj kamparanoj aŭdis ĝin, kaj iliaj koroj ŝvelis pro espero, ĉar la tempoj estis premaj, kaj malmole kuŝis la mano de la mastroj sur ili. En la templo festis la uzuristoj, donis festojn kaj dancis ĉirkaŭ la ora bovido. La ŝvito de la malriĉuloj ŝanĝiĝis al dolĉa vino por la uzuristoj. Kiam ili eksciis pri la infano, kiu alportis al la malriĉuloj la mesaĝon pri la ĉielo sur la Tero kaj pri la eterna paco, ili iris al la viro, kiu estis la anstataŭulo de ilia dio sur la Tero, kaj akuzis la infanon elŝositan ĵus el la patrina ventro, ke ĝi ĝenus la publikan kvieton kaj ordon. La guberniestro ja demandis, kia infano estus tio, kiajn apartajn signojn ĝi havus, kie ĝi loĝus, por ke liaj anoj povu kapti ĝin. Ĉe tio montriĝis, ke la akuzantoj nur sciis, ke ĝi estus la filo de iu malriĉa viro, de iu vaganta ĉarpentisto, kiu kelkfoje ankaŭ plugis la kampojn kaj paŝtis la gregojn.
Sed, tiel ili diris, se la viro kaj liaj idoj ankaŭ estus nekonataj, tiel do ĝuste pro tio ili estus des pli danĝeraj. Sekve de tio la guberniestro ordonis, ke ĉiuj novnaskitaj infanoj estu mortigotaj.
Baldaŭ jam venis la unuaj raportoj en la urbon, sed stranga estis la sciigo, kiun ili alportis. Ili rakontis, ke ĉiuj ĉi novnaskitaj infanoj subite kaj neatendite posedis la talenton de la parolo, kaj la diro, kun kiu ĉiuj samgrade mortis, estis la sama, kiun la filo de la ĉarpentisto estis parolinta, la permeso: „Pacon sur la Tero kaj al la homoj plezuron."
Sekve de tio la uzuristoj tremis kaj mortotimo kaptis ilin. Pro tio ili do venis denove al la viro kaj postulis de li, ke li daŭrigu la agadon de la mortigado. Sed tiu ĉi ridetis lace kaj parolis: „Bone, miaj amikoj, mi komprenas vian timon kaj eĉ konsentas ĝin. Ankaŭ vi ne rajtas kredi, ke maloportuna sentimentaleco malhelpas min daŭrigi la persekuton kun tuta rigoreco. Sed, se mi, por trovi la ĝustan infanon, devas mortigi ĉiujn aliajn, kies ŝvito, tiam estonte ŝanĝiĝu al vino por vi? Kaj kiu tiam alportu la oferaĵojn, kiuj estas plaĉaj al la Sinjoro? Post tio la uzuristoj estis mallaŭtaj kaj ne sciis, kion ili diros kaj kion ili rekomendos agi. Kaj al ili ankoraŭ eĉ ne estis konate, kion ni hodiaŭ do scias: ke la infano havas la potencon, releviĝi de la mortintoj, kaj ke ĝi estas renaskata en ĉiu generacio.

*El „Wunderweiße Nacht", Berlin 1983*
*trad. Hans Rogazewski*

# Centjariĝo de George Topîrceanu (1886–1937)

*George Topîrceanu (elp. Ĝorĝe Topirĉanu) kulturis lirikon elvokanta kareseme kaj humure, iufoje eĉ memironie, la mondon de la etaj estaĵoj („Gajaj kaj malgajaj baladoj", „Maldolĉaj migdaloj"); li verkis ankaŭ parodiojn („Originalaj parodioj"), humurajn prozverkojn („La mirakloj de la Sanktulo Sisoo"), memoraĵojn („Rememoroj el la bataloj ĉe Turtukaja", „Pirin-Planina"). Nacipremiito en 1926, li estis korespondа akademiano.*
*La ĉi-suba* ***Balado de l' morto****, konsiderata lia ĉefverko, apartas disde aliaj poeziaĵoj el lia plumo, pro serioza sinteno antaŭ la morto kaj pro la kontraŭstariĝo de la eterna kaj indiferenta naturo al la rapide kaj neatendite pasanta vivo de la homo. Same en la traduko de Jozefo Nagy, nia revuo (GDR-eld. de „Paco" 1981) presis la* ***Balado-n de l' korvoj****, kontraŭmilita poeziaĵo de G. Topîrceanu.*

## LA BALADO DE L' MORTO

Venis li laŭ la river',
El montar' al valo
Kaj ĉe l'ombro de acer'
Estis lia falo.

En somer' de kiu jar'?
Jar' post jaro flugas . . .
Li – simplulo el montar',
Kiu l' teron plugas.

Homoj enterigis lin
le, arbarrande,
Kie etendigas sin
La vojet' rubande.

Kaj de tiam, en silent',
Super tombo lia
Tremas laŭ facila vent'
Poplo rarfolia.

Dum la sun' direktas sin
Al subir', sen ĉeso,
Tag' post tago kovris lin
Tempo kaj forgeso.

Kiel fumo, la maten'
El la voj' sin levas,
Bru' de voĉoj, jen kaj jen,
Apud lin alvenas.

Super pintoj, en arĝent',
Ŝvebas agloparo;
Ektremetas la silent'
De la praarbaro . . .

Tie nur, en flava lum',
En branĉaro penda,
Mute en l' arbara zum'
Sidas birdo fremda.

Sidas kvazaŭ por deĵor',
Kvazaŭ ĝi mezuras,
Kiel l' ombro, hor' post hor',
For de l' suno kuras . . .

Tiel, ĉiam pli kaj pli
Al profund' interna
Ŝtelas lin, sen sign', sen sci',
La natur' eterna.

Jen, forpasas la somer'.
La velkaj' abundas.
Funebrece, post vesper',
Luna nokt' profundas.

Kaj se nubojn postas ĝi,
Blanka Noktprincino,
Longe siblas super li
Vent' de l' aŭtunfino . . .

*El la rumana tradukis: Jozefo Nagy*



# V. I. LENIN PRI LINGVOJ

**B. V. Tokarev**

Rilato de V. I. Lenin al Esperanto ĉiam tre interesis esperantistojn. Estis tempo, kiam cirkulis diversaj legendoj kaj onidiroj, bedaŭrinde ankaŭ gazetare. La finon de tiu periodo signis artikolo de S. N. Podkaminer „Lenin kaj Esperanto"[1]). Nun ni scias, ke Lenin eĉ ne unufoje menciis Esperanton en siaj studoj, artikoloj, leteroj kaj malnetaj notoj kaj neniam parolis pri ĝi publike. Tamen estas interese, kiel Lenin rilatis al lingvaj problemoj ĝenerale; kaj en liaj verkoj kaj notoj oni povas trovi multon interesan kaj instruan ankaŭ por esperantistoj.

Lingvoj estis menciitaj en lia verkaro iom pli ol kvindekfoje, kio estas, kompare kun multaj aliaj aferoj, tute ne granda kvanto. Iuj el tiuj mencioj estas pli-malpli hazardaj, kaj fakte ne rilatas al lingvaj problemoj, enhavo de la aliaj ripetiĝas po kelkfoje, ekzemple, lia fama eldiro: „La nacia programo de la laborista demokratio estas: neniujn senkondiĉe privilegiojn, al neniu nacio, al neniu lingvo" – ripetiĝas en diversaj variaĵoj multfoje [rig. ekzemple Lenin, **24**, 118; **23**, 425[2])]. La leninajn menciojn pri lingvoj ni povas dividi laŭ jenaj temoj:

1. Nepra foresto de iu ajn altrudo, devigo en afero de disvastigo de la rusa lingvo, kaj, lige kun tio – egalrajteco de la nacioj kaj lingvoj, ekonomia rolo de komuna lingvo. Tiun temon Lenin pritraktis plej vaste.
2. Rolo de la lingvoj en kunligo kaj disigado de la popoloj.
3. Filozofiaj rimarkoj pri la lingvoj, ilia ĝeneraliga karaktero, kaj
4. Unusola mencio pri „tutmonda lingvo".

Ni pridiskutos tiujn temojn en la sama ordo.

**I.**

Do, Lenin pli ol unufoje insistis pri la egalrajteco de nacioj kaj lingvoj, kaj elpaŝis kontraŭ oficiala, deviga ŝtata lingvo. La plej grava lia tiutema artikolo estas „Ĉu estas bezonata deviga ŝtata lingvo" (L. **24**, 291–295). Jen estas la citaĵo.

„Ni ne volas nur la solan aferon: elementon de **devigo**. Ni ne volas peli onin en paradizon per klabo. Ĉar kiom ajn da belaj frazoj pri ‚kulturo' vi dirus, la **deviga** ŝtata lingvo neeviteble estas ligita kun altrudo, enbatado. Ni opinias, ke la granda kaj potenca rusa lingvo ne bezonas, ke iu ajn ĝin lernu **subbastone.** Ni estas konvinkitaj, ke la evoluo de la kapitalismo en Rusio, ĝenerale la tuta procedo de la ekonomia vivo kondukas al reciproka proksimiĝo de la nacioj. Centmiloj da homoj estas ĵetataj de unu flanko de Rusio al la alia, la nacia konsisto de la loĝantaro intermiksiĝas. Aparteco kaj nacia durobstino devas forfali. Sed la devigeco (bastono) kondukas nur al la sola sekvo: ĝi malfaciligos al la granda kaj potenca rusa lingvo eniron al aliaj naciaj grupoj, kaj ĉefe – pliakrigos malamikecon, kreos milionon da novaj malkonkordaĵoj, plifortigos incitecon, reciprokan nekomprenemon k.t.p. Kiu tion bezonas? La rusa popolo, la rusa demokratio tion ne bezonas. Ĝi agnoskas **nenian** nacian premadon, eĉ en interesoj de la rusa kulturo kaj ŝtateco.

Jen tial la rusaj marksistoj diras, ke necesas **foresto** de la deviga ŝtata lingvo, kun garantio al la loĝantaro pri lernejoj, kun instruado en ĉiuj lokaj lingvoj, kaj kun enigo en la konstitucion bazan leĝon, kiu proklamas nuligitaj iujn ajn privilegiojn de unu el la nacioj, kaj iun ajn malobservon de rajtoj de nacia minoritato."

Kaj jen estas la sekvo de la politiko de la ŝtata lingvo (L. **30**, 323):

„En decembro 1905 en centoj da lernejoj polaj lernejanoj bruligis ĉiujn rusajn librojn, bildojn kaj carajn portretojn, batis kaj forpelis el la lernejoj rusajn instruistojn kaj rusajn kamaradojn kun krioj: ‚Iru for, en Rusion!' "

Do, insistante pri **la plena libero** de naciaj lingvoj, Lenin ĝuste **en tio** vidis gravan rimedon por disvastigo de **komuna lingvo**, la rusa. Multfoje en siaj verkoj Lenin citis ekzemplon de Svisio, kie ekzistas tri ŝtataj lingvoj, kiel en lia artikolo „Kritikaj notoj pri la nacia problemo" (L. **24**, 112). Jen ankaŭ kion li skribis en artikolo „Liberaluloj kaj demokratoj pri la lingva problemo" (L. **23**, 423):

„Ĵurnaloj notis pli ol unufoje raporton de kaŭkazia reganto, distingiĝanta per ne reakcinigra, sed timida liberalismo. Interalie, la reganto pledis kontraŭ artefarita rusigo de nerusaj popoloj. En Kaŭkazio nerusoj mem penas lernigi al la infanoj rusan lingvon, ekzemple en armenaj ekleziaj lernejoj, kie la lernado de la rusa lingvo ne estas deviga"

Indikante al tio, unu el la plej disvastigitaj en Rusio ĵurnalo „Russkoje slovo" (n-ro 198) faras tiun ĝustan konkludon, ke malamika rilato en Rusio al la rusa lingvo „aperas ekskluzive" pro „artefarita" (oni devus diri „perforta") enkonduko de la rusa lingvo.

„Pri la sorto de la rusa lingvo oni ne devas maltrankviliĝi. Ĝi mem konkeros por si agnoskon en la tuta Rusio" – skribas la ĵurnalo. Kaj tio estas ĝusta, ĉar bezonoj de la ekonomia spezado ĉiam igos loĝantajn en unu ŝtato naciojn (dum ili volas vivi kune) lerni la lingvon de la plimulto. Ju pli demokratia estos la ŝtaranĝo de Rusio, des pli forte, pli rapide kaj pli vaste disvolviĝos la kapitalismo, des pli insiste bezonoj de la ekonomia spezado puŝos diversajn naciojn al la lernado de la lingvo, pleje oportuna por la komunaj merkataj interrilatoj."

Kaj dum la civila milito Lenin sendis al Stalin jenan telegramon (L. **51**, 141–142, de 1920-02-22):

„Necesas tuj ekhavi tradukistojn en ĉiuj staboj kaj militaj oficejoj, devigante ilin ĉiujn senescepte akcepti petskribojn kaj paperojn en la ukraina lingvo. Tio estas nepre necesa – rilate la lingvon – ĉiajn cedojn kaj maksimumon de la egalrajteco."

Ne ĉiuj social-demokratoj komprenis tion. Jen, ekzemple, kion skribis V. I. Lenin al S. G. Ŝaum'an (L. **48**, 234, de 1913-12-06):

„La progresan signifon **la rusa lingvo** havis por multego da etaj kaj postrestintaj nacioj – sendube. Sed ĉu Vi ne vidas, ke ĝi **havus** progresan signifon eĉ pli grandan, se ne estus la devigo? Ĉu ‚la ŝtata lingvo' ne estas bastono, forbatanta de la rusa lingvo?? Kial Vi ne volas kompreni tiun psikologion, kiu aparte estas grava en la nacia problemo, kaj kiu je la plej eta devigo aĉiĝas, neniigas la senduban progresan signifon de centrigo de grandaj ŝtatoj, de la unueca lingvo?? Sed eĉ pli gravas ekonomio, **ol** la psikologio; en Rusio jam ekzistas **kapitalisma** ekonomio, faranta la rusan lingvon necesa. Sed Vi ne kredas je la forto de la ekonomio, kaj volas per lambastonoj de polica fiularo ‚plifirmigi' la ekonomion? Ĉu Vi ne vidas, ke per tio Vi **kripligas** la ekonomion, bremsas ĝin?? Ĉu la forfalo de la aĉa policeco ne dekobligos (‚milobligos') liberajn unuiĝojn de la gardado kaj disvastigado de la rusa lingvo??"

Kaj tial en 1914 Lenin proponis leĝan fiksadon de la naciaj rajtoj en „Projekto de la leĝo pri egalrajteco de la nacioj kaj pri defendo de rajtoj de naciaj minorita-

toj" (L. **25**, 136). Tamen necesis la Granda Oktobra revolucio, por ke leninaj principoj estu efektivigitaj praktike. Ili trovis sian lokon kaj en la Konstitucio de USSR, kaj en la Programo de la Partio, pri kio ekzistas sufiĉe ampleksa literaturo. Lenin ankaŭ ĉiam zorgis pri la disvolviĝo kaj pureco de la rusa lingvo (rig. ekzemple, lian artikolon „Pri purigo de la rusa lingvo", L. **40**, 49, kiu iĝis jam krestomatia). Konatiĝinte kun la vortaro de Dal', li iniciatis kompiladon de „Vortaro de la nuntempa rusa lingvo" – „de Puŝkin ĝis Gor'kij", kaj atente observis, kiel statas la afero (L. **51**, 121–122; 141–142; **52**, 178; 182 ĝis 183; 199; **53**, 95; 250).

Do, la lenina ideo estas jena: se vi volas disvastigi lingvon (temas pri la rusa), devas esti nenia devigo, eĉ ne la plej eta altrudo, por ne forpuŝi homojn de tiu lingvo; se la ekonomia vivo bezonas tion, la popoloj akceptos la lingvon memvole. Ĉu tio ne rilatas plene Esperanton?

Vere, ni ankaŭ ne devas „peli en paradizon per klabo". Tial en la nuna etapo de la movado ni devas esti **kontraŭ** deviga instruado de Esperanto. Kiam la popoloj, pro la vivbezono, ekonomiaj kaŭzoj k.t.p., komence en apartaj landoj, kaj poste en la tuta mondo, memvole akceptos Esperanton, tiam ĝia deviga enkonduko estos **postulata** de la popoloj, kaj pasos laŭ la plej natura kaj sendolora vojo. Deviga instruado de lingvo ne estas altrudo ja nur tiam, kiam oni bone **konscias** pri neceso de ties studado kaj ĝin postulas, dum antaŭtempa deviga instruado de Esperanto povas esti konsiderata kiel **altrudo**, kaj elvoki protestojn, kiuj ege malutilos al la disvastigo de la lingvo.

Bedaŭrinde multaj niaj kamaradoj ne povas disiĝi de certa speco de la bastono, kaj postulas neprajn ekzamenojn post elementa kurso. Certe, la scioj de la kursfinintoj ofte estas tute ne brilaj, ili timas kaj hontas ekzameniĝi, sed oni ja ilin **devigas**! Kaj tiuj kursfinintoj malaperas el la movado, sed se ne estus la ekzameno, ili eble restus kaj poste bone spertiĝus en la lingvo, kaj farus al la movado multajn utilajn servojn. Certe oni devas ekzameni nur tiam, kiam oni **deziras** ekzameniĝi.

La ekzameno havas sencon kaj necesas nur tiam, kiam ĝi donas certajn rajtojn, ekzemple la rajton instrui Esperanton. La ekzameno, aŭ prefere studkontrolo, havas sencon post **oficialaj** fakultativaj kursoj, ĉar tiam oni prinotas la rezultojn en la atestiloj kaj aldonoj al la diplomoj. Sed post la elementa kurso en neoficialaj rondetoj, kiuj povas doni neniujn rajtojn, ĝi povas nur forpuŝi homojn de Esperanto. Kaj ja por pruvi scion de iu ajn lingvo estas bezonata neniu ekzameno, la grado de la lingvoposedo estas tuj videbla post du – tri frazoj. Oni povas ankaŭ kontroli la sciojn alimaniere, aranĝante amatorajn koncertojn, kvizojn k.t.p.

Objektive tiuj, kiuj enkondukas devigajn ekzamenojn post elementa kurso, laboras **por** Esperanto, kiam ili instruas, kaj **kontraŭ** Esperanto, kiam ili ekzamenas.

## II.

V. I. Lenin, ĉiam elpaŝante por la egalrajteco de la nacioj kaj lingvoj, samtempe opiniis asimiladon de la popoloj progresa fenomeno (L. **24**, 128) kaj nomis ĝin „unu el plejaj movigiloj, transformantaj kapitalismon en socialismon" (L. **24**, 125). Ja lingvo povas ne nur kunigi, sed ankaŭ dividi la homojn. Jen estas citaĵo el la artikolo „Ankoraŭfoje pri la divido de la lerneja afero laŭ naciecoj" (L. **24**, 237–238; rig. ankaŭ **24**, 130–137; 174–178):

„Ni luktas por plena demokratio, plena libero kaj egalrajteco de la lingvoj, neniel defendante per tio ‚transdonadon de la lerneja afero al nacioj', ‚divido de la lerneja afero laŭ naciecoj' ... Disdivido de nacioj en limoj de unu ŝtato estas malutila, kaj ni, marksistoj, aspiras **alproksimigi** kaj **kunfluigi** ilin. Ne ‚disdivido' de la nacioj estas nia celo, sed garantiado pere de plena demokratio de ilia egalrajteco kaj de same paca (kompare) kunvivado kiel en Svisio."

Tial li estis decide kontraŭ la t.n. „kultur-nacia aŭtonomio". En „Tezoj pri la nacia problemo" (1913) Lenin skribis (L. **23**, 317):

„7. Social-demokratio rilatas negative al slogano de ‚kultur-nacia' (aŭ simple ‚nacia') ‚aŭtonomio', kaj al projektoj de ties efektivigo, ĉar tiu slogano (1) sendube kontraŭas al internacismo de klasa lukto de la proletaro, – (2) faciligas enfluigon de la proletaro kaj laborulaj amasoj en sferon de influo de ideoj de burĝa naciismo, – (3) kapablas forlogi de tasko de konsekvencaj demokratiaj transformoj de la ŝtato entute, kiuj transformoj la solaj nur garantias (kiomgrade tio ĝenerale eblas dum kapitalismo) la nacian pacon."

Kiom tio estas vera ankaŭ nun, montras la atesto de angla sociologo Jan Knappert[3]):

„Por ne doni al popoloj de certa lando eblecon unuiĝi en lukto kontraŭ regantaj rondoj, la regantoj provis disigi diverslingvajn komunumojn, limiginte ĉiun el ili per ĝia propra lingvo. Evidente, ne eblas altrudi lingvon, absolute nesciatan de popolo, ĉar la lingvo estas kunaĵo de scipovoj, kiujn oni ne povas akiri en daŭro de unu nokto. Tial la plej efika rimedo de la disigo de popoloj lingve estas uzo de ekzistantaj diversaj lingvoj kaj kreo de neeblaj kondiĉoj por uzado de iu komuna lingvo.

En sudafrikaj loĝlokoj ĉiu gento havas sian propran lingvon kun siaj propraj lernejoj, kie la instruado estas efektivigata en la gepatra lingvo. En plimulto da urboj la loĝantaro bantua havas iaspecan komunan lingvon, kiu povus esti la lingvo de instruado en lernejoj, kvankam la plej kleraj bantuoj volas, ke iliaj gefiloj lernu en la angla. La deveno de homo el certa regiono en la lando aŭtomate aligas lin al parolantoj nur de tiu lingvaĵo. Li devas loĝi en urboparto, disponigita por tiu gento, se ĝenerale li volas loĝi en la urbo.

En Kenjo la instruado en komencaj lernejoj estis efektivigata ĉefe en svahilo. Tamen raporto de 1949 pri problemoj de klerigo mirigis ĉiujn per aserto, ke la afrikanoj ne havas komunan por diversaj gentoj lingvon kaj ke ĉiu gento devas organizi instruadon en sia lingvo. Dum tagoj de Maŭ-Maŭ la registaro komprenis, kian danĝeron prezentas svahilo kiel potenciala faktoro de unuiĝo de la gentoj. La registaro decidis, ke pli bone estas enkonduki instruadon por ĉiu gento en ĝia propra lingvo, kaj ĝenerale ne instrui svahilon."

Kaj nature aperas la demando: ĉu povas Esperanto por laboruloj de l' tutmondo ludi la saman kunligan rolon, kiel svahilo por kenjanoj?

Ankaŭ atentindas ekzemple, menciita de Lenin:

„Ne seninterese estas noti ĉi tie apartan ĵargonon de krasnoselanoj; tio estas karaktera trajto de teritoria fermiteco, propra al la manufakturoj ... Nur grandskala maŝina manufakturo plene detruas lokecan karakteron de sociaj ligoj kaj metas sur ilian lokon naciajn (kaj internaciajn) ligojn." (L. **3**, 392).

## III.

„La lingvo, – skribis Lenin (L. **25**, 258), – estas la plej grava rimedo de homa interkomunikado", kaj ĝi interesis lin ankaŭ kiel la objekto de filozofia pritrakto. Kelkajn fojojn Lenin mencias la vorton „lingvo" en la „Filozofiaj kajeroj". Kompendiante „Sciencon de logiko" de Hegel, li skribis (L. **29**, 81): „Ligo de pensado kun lingvo (la ĉina lingvo interalie, kaj ĝia neevoluinteco: 11), formiĝo de substantivoj kaj verboj (11). En la germana lingvo iam vortoj havas malan signifon (12) (ne nur ‚diversajn', sed ankaŭ ‚malajn') – ĝojo por penso" ... Kaj sur la marĝenoj: „historio de l' pensado = historio de lingvo??"

Kompendiante libron de Hegel „Lekcioj pri historio de la filozofio" Lenin notas (L. **29**, 246): „Ĉiu vorto (parolo) jam ĝeneraligas. Komp. Feuerbach, sentoj montras realecon; penso kaj vorto – ĝeneralaĵon." Kaj poste (L. **29**, 249): „En la lingvo estas nur la ĝenerala." Kompendiante la saman libron Lenin citas Hegelon (L. **29**, 281): „Paroloj ... estas agoj, okazantaj inter homoj ..." (sekve,

tiuj paroloj ne estas babilado). Al penso de Hegel (L. **29**, 283): ke „La lingvo estas pli riĉa en neevoluinta, praa stato de popoloj, – la lingvo malriĉiĝas kun civilizo kaj formiĝo de gramatiko" Lenin metas demandsignon, tio al li ne ŝajnas ĝusta, same kiel al ni. Al kompendio de „Metafiziko" de Aristotelo li notas (L. **29**, 325): „ofte filozofio erarvojas al **difinoj** de vortoj k.t.p." Tre ĝusta kaj profunda penso!
Sed tiuj rimarkoj ne formas iun sisteman tutaĵon. Lenin ne okupiĝis speciale pri filozofio de lingvistiko kaj ne lasis iun studon rilate al lingvistiko.

## IV.

En sia sola malneta noto pri „tutmonda lingvo" Lenin montris ŝanĝiĝon de kvanto da portantoj (en mln) de la ĉefaj eŭropaj lingvoj – la angla, franca kaj germana de 1800 ĝis 1900 sub emfaza titolo –

„Forpuŝado.

| | | angl. | franca | germ. | |
|---|---|---|---|---|---|
| Ekzemplo | 1800 | 20 | 30 | 30 | ( = 80) |
| | 1900 | 125 | 40 | 70 | ( = 235)" |

Kaj konkludas: „(la tutmonda lingvo, eble, estos la angla, kaj eble, + la rusa)" (L. **24**, 387).
Sed kio estas ĉi tie „la tutmonda lingvo" („vsemirnyj jazyk")? La difinon li ne postlasis. Estas klare, ke temas ne pri sola lingvo de la homaro kaj ne pri dua lingvo de ĉiu kultura homo (je kia rolo pretendas Esperanto). Plej bone taŭgas la difino, donita de Kuznecov por „monda lingvo": „La plej grandaj naturaj (t.e. naciaj – B.T.) lingvoj, regule uzataj dum internaciaj rilatoj kiel lingvoj-perantoj; ordinare ili ricevas rajton de ‚oficialaj lingvoj' de tutmondaj organizaĵoj."[4])
Kaj tiu antaŭdiro de V. I. Lenin ĉefe efektiviĝas. Ni ne povas ĉi tie doni plenajn informojn pri la tuta monda literaturo, sed jen estas la statistiko pri publikaĵoj ĥemiaj, ricevita pere de kalkulado laŭ referaj gazetoj je kelkaj lastaj jaroj.
Tiuj rezultoj montras, kiel kun paso de tempo ŝanĝiĝas „gvidaj lingvoj" en ĥemio. Estas sciate, ke ĝis la unua mondmilito la ĉefa lingvo de ĥemio estis la germana. Nun, laŭ la kvanto da publikaĵoj, ĝi jam cedis al la japana. La diverseco estas eĉ plia, ĉar tre granda parto da germanaj patentoj estas anoncita de japanoj. La franca tute postrestis, kaj nuntempe ĝia scio fakte ne estas necesa por ĥemiisto. Nun la japana lingvo daŭras impeti supren, kaj en certaj branĉoj (kiel ĥemia teĥnologio kaj plastoj) kvanto da publikaĵoj jam superis tiujn en la rusa. Tamen la angla lingvo restas en la plej favora situacio, ĉar en ĝi siajn studojn oni verkas kaj publikigas en la tuta mondo, dume en la aliaj lingvoj – preskaŭ ekskluzive en limoj de la koncernaj landoj. Plene dominas la angla en biologia ĥemio (de 69 % en 1976 ĝis 83,5 % en 1980). En astronomio kaj studado de kosma spaco – 70 % da publikaĵoj estas anglalingvaj, kaj 23 % – ruslingvaj (1978).

## V.

V. I. Lenin starigis antaŭ si grandiozan vivtaskon – krei la unuan socialisman ŝtaton. Inter pluraj problemoj, kiujn li devis solvi, estis ankaŭ tiu de plifirmigo de pozicio de lingvo por interpopolaj rilatoj en tiu ŝtato. Kiu lingvo – la demando ne staris, ĉar estis kaj restas nun la sola ebla tia lingvo – la rusa. Pri la problemo de la pontolingvo en la tutmonda skalo li fakte ne okupiĝis. Al la sama konkludo venis ankaŭ Beloded: „Do, kiel montras la studado de leninaj verkoj pri la lingva demando en ĝia multfaceta komplekso, la problemon de ebla tutmonda lingvo (aŭ lingvoj) V. I. Lenin ne prilaboris, koncentriginte sian atenton je problemoj de evoluo de naciaj lingvoj de popoloj, de revolucia lukto por ilia egalrajteco." (La citita libro, p. 44.)
Antaŭ la esperantistoj staras alia tasko: enkonduki la pontolingvon, sed jam ne en unu ŝtato, en la tuta mondo. Kiun lingvon, – ni, almenaŭ provizore, por ni elektis. Sed aliaj homoj havas aliajn opiniojn, la granda plimulto estas tute ne informita pri la stato de la afero. Ĝuste tial la problemo estas – ne plifirmigi la pozicion, sed **enkonduki** la lingvon. Kaj por tio ni devas labori laŭ tri ĉefaj direktoj – **informi, instrui dezirantojn** kaj **daŭre kreadi la esperantan kulturon.** Kaj **kiel** tion fari, ni povas multe lerni de Lenin, antaŭ ĉio – eviti eĉ la plej molan altrudon, kio ege faciligos la disvastigon de la neŭtrala Internacia Lingvo.

La tabelo.

| La fonto | Chemical Abstracts | | | | Referativnyj ĵurnal „Ĥimija" |
|---|---|---|---|---|---|
| Jaro | 1958* | 1976 | 1978 | 1979 | 1980 |
| Kvanto da kalkulitaj referaĵoj | 9 552 | 12 160 | 15 597 | 15 829 | 10 990 |
| La lingvoj: | | | | | |
| angla | 50,49 | 52,23 | 59,04 | 56,10 | 54,12 |
| rusa | 16,80 | 23,80 | 17,54 | 18,13 | 17,23 |
| japana | 6,10 | 8,91 | 8,71 | 10,14 | 12,98 |
| germana | 9,72 | 8,06 | 6,45 | 6,97 | 7,29 |
| franca | 5,48 | 2,52 | 2,27 | 2,00 | 2,56 |
| sume | 88,59 | 95,52 | 94,01 | 93,34 | 94,18 |

*) Laŭ artikolo de prof. R. F. Trimble, „Esperanto", 1963, n-ro 11, p. 184; sen patentoj. Por ĉiuj aliaj jaroj – kun patentoj.

### Notoj:

[1]) Der Esperantist, 5, n-ro 42, Juni–August, 1970, p. 2–8; 17–20; rig. ankaŭ la libron „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado", Budapest, 1978, p. 31–49.

[2]) Ĉiuj citajoj laŭ – V. I. Lenin, Polnoje sobranije soĉinenij, Izdatel'stvo politiĉeskoj literatury, vol 155, Moskva, div. eldonoj 1958–1980; la unua nombro – volumo (substrekite), poste – paĝoj.
Ĉiuj rusaj vortoj estas transliteritaj laŭ sistemo de Akademio de Sciencoj de USSR, rig. „Scienca Revuo", vol. 33, n-ro 1 (139), p. 29–30 (1982).

[3]) Jan Knappert, „The function of Language in a Political Situation", Lingvistics, n-ro 39, 1968, May, p. 63. Estas citata laŭ la libro: I. K. Beloded, „Leninskaja teorija nacional'no-jazykovogo stroitel'stva v socialistiĉeskom obŝĉestve", Moskva, „Nauka", 1972, str. 59 („La lenina teorio de naci-lingva konstruado en la socialisma socio").

[4]) S. N. Kuznecov, Osnovnyje pon'atija i terminy interlingvistiki; Universitet drujby narodov, Moskva, 1982, p. 55 (Ĉefaj nocioj kaj terminoj de interlingvistiko).

Fritz Wollenberg

# La korektita Zamenhof

## Pri la Zamenhof-kompreno de Ito Kanzi

*„Vi diras, ke ni naive esperas, ke la homaranismo donos al la homaro plenan pacon kaj feliĉon! Tion ĉi saman oni antaŭ 18–19 jaroj diris ankaŭ pri la esperantistoj. Sed kredu al ni, ke ni tute ne estas tiel naivaj, kiaj vi nin prezentas al la legantoj."*

L. L. Zamenhof, 1906[1])

La japano Ito Kanzi, pli bone konata sub la nomo Ludovikito,[2]) famiĝis en la lastaj jaroj per unike ampleksa eldonado de zamenhofaj kaj prizamenhofaj verkoj. La fruktoj de lia en 1963/64 komencita esplorlaboro[3]) estas: 8-voluma japan lingva Zamenhof-biografio kun 5 259 paĝoj,[4]) 9-voluma „iam kompletigota plena verkaro de l. l. zamenhof" (pvz),[5]) 2 kromkajeroj al pvz.[6]) Pluaj eldonaĵoj estas anoncitaj.[7]) Tiu ĉi entrepreno trovis diversflankan atenton, omaĝon kaj efikon. La aŭtoro jam en 1977 ricevis de Japana Esperanto-Instituto la Ossaka-premion. Antaŭnelonge en 1985 la Fondaĵo Grabowski[8]) subtenis la eldonejon „Ludovikito" per monsumo de ĉ 500 US-dolaroj. La riĉaĵo de la esplorrezultoj – faktoj, legendoj, opinioj ktp. envicigitaj en pvz parte ricevitaj per korespondado kun aliaj Zamenhof-historiografoj, ekzemple Waringhien kaj Maimon,[9]) instigis la konatan historiiston Ulrich Lins al la juĝo: „. . . oni devas enprofundiĝi en la volumojn por povi kompreni, kia trezorejo ili estas . . ."[10])
Ito Kanzi rekomendas sian „senlegendan biografion de l. l. zamenhof" kiel „enkondukon al la pvz".[11]) Pro tio mi tre atente legis tiun novan Zamenhof-biografion por eltrovi, kian Zamenhof-bildon li prezentas al ni, kiujn tradiciajn liniojn li per tio daŭrigas kaj kian efikon tia Zamenhof-bildo havas en la hodiaŭa mondo.

### 1. Pretendoj de la „senlegenda biografio"

„Senlegenda biografio" – kion la aŭtoro promesas per tia titolo? Ĉu legendoj ne estas natura ornamo de ĉiu populara biografio pri iu ajn grava homo, supoze ke por la leganto estas ekkoneble, kio estas certaj faktoj kaj kio estas necerta tradicia rerakontaĵo? Al legendoj enestas racia kerno. Oni devas trovi ĝin kaj science priskribi. Ito Kanzi ne ignoras tion. Li ne malestimas la prizamenhofajn legendojn, kontraŭe, li esprimas sian „respektoplenan dankon al ĉiuj tiuj ĉi ludovikologoj[12]), kiuj fervore penis malkovri kaj konservi la faktojn kaj legendojn pri nia amata ludoviko".[13])
La pretendo esprimita en la titolo estas montri la personecon de Zamenhof, lian pensadon, agadon kaj efikadon historie ekzakte sen simpla rerakontado de legendoj, kiujn kreis aŭ rerakontis la ĝistiamaj Zamenhof-biografoj.
Legante la biografion oni rimarkas, ke Kanzi eĉ pretendas je malkaŝo de tiuj legendoj, kiujn Zamenhof mem kreis. Zamenhof estas por li „lerta legendumisto"[14]) kaj „legendofaristo", kiu „brile sukcesis lanĉi la historion de esperanto".[15]) Kanzian distanciĝon de Zamenhof ankaŭ Lins konstatas koncernante la „superbordiĝantan entuziasmon, kiun la esperantistoj ofte montris al la Majstro" kaj la „religiemon".[16]) La konstato de distanciĝo mirigas la atenteman leganton, kiu scias, ke aliflanke Kanzi montras identiĝon kun Zamenhof per la elekto de la pseŭdonomo Ludovikito, kiu prezentas kunmetaĵon de la antaŭnomoj de Zamenhof kaj Kanzi (Ludoviko kaj Ito) sed krome signifas Ludovik-inflamon. Samtempe Ito Kanzi volas konvinki la legantojn kaj pri senlegendeco kaj pri objektiveco de sia biografia verko kaj pri la adapteco de ĝia aŭtoro al tiuj ideoj, kiujn li prezentas kiel Zamenhofaj. Rikardo Ŝulco en recenzo konfirmas la sukceson. Lia impreso estas: „Ludovikito, . . ., estas unu el la eble ne tro multaj homoj, kiuj fariĝis adeptoj de Zamenhofo en la plej vasta senco de preskaŭ ĉiuj ties aspiroj, . . ."[17]) Tamen Kanzi substrekas la objektivecon per la certigo, ke lia „deziro estas, ke vi ĉiuj mem ĉerpu el la aŭtenta fonto kaj mem formu vian propran opinion." Li emfazas la aŭtentecon per la indiko, ke li „kiom eble penis ĉiam eviti priskribojn senfontajn", „pri la priskriboj bazitaj sur la neludovikaĵoj" „kiel eble provis referenci la originajn fontojn".[18])
Aŭtenteco, objektiveco, senlegendeco kaj adapteco al Zamenhofaj ideoj – tio ankoraŭ ne estas ĉiuj pretendoj. Aliĝas la neatendita pretendo de naiveco. Naiva estas laŭ Ito Kanzi la Zamenhofa idealo, naivulo estas li mem kaj per la formulo „ni naivuloj" li inkluzivas la legantojn en la rondon de tiuj, kiuj rigardas la mondon same naiva kvazaŭ per normala prudento.
Nun estas ekkonebla la artifiko, unuflanke fondi la pretendon je senlegendeco, objektiveco kaj aŭtenteco kaj aliflanke identigi la proprajn konvinkojn kun la Zamenhofaj kaj altrudi al la legantoj tiujn konvinkojn kiel la Zamenhofajn – kiel konvinkojn de normala prudento.
Ni rigardu tiujn „naivajn konvinkojn"!

### 2. La naiveco de Ito Kanzi

Estas rara ekzemplo en la historio de burĝa Zamenhofologio, ke la aŭtoro jam en la antaŭklarigo de Zamenhof-biografio malkaŝas, por kiuj politikaj celoj li volas uzi la Zamenhofan pensadon kiel ideologian bazon. Ito Kanzi faras tion. Kiu ne konsentas kun li pri la neceso „ke mondo havu eternan pacon, ke homaro ne militu reciproke",[19]) ke oni „forigu la armilojn"[20]), kontraŭbatalu la glorigon de milito kaj kondamnu minacigon per milita agreso? Ankaŭ mi konsentas tiujn postulojn. Mi ankaŭ kune kun Ito Kanzi sentas la zorgon pri la danĝero de nuklea milito kaj la indignon pri imperiismaj agoj. Sed la esenco de la Kanzia naiva idealo nur estas komprenebla, se oni scias kiamaniere li karakterizas la kaŭzojn de milito, la porpacajn kaj kontraŭpacajn fortojn kaj la vojon al eterna paco.
Kion ekzemple Ito Kanzi diras pri la mondpaca movado? Nenion! Aŭ eble sekva citaĵo rilatas al la mondpaca movado: „homoj ne ekpensas senigi al si la armilojn".[21]) Tiu aserto signifas ignoradon ne nur de porpacaj penoj de socialismaj ŝtatoj, ĝi ankaŭ ignoras la batalon de la mondvasta porpaca movado inkluzive la Mondpacan Esperantistan Mo-

vadon. Ĝia multflanka batalado por Ito Kanzi eĉ ne signifas „ekpenso". Ĉu vere oni povas pretervidi tiun vastan kaj tre diversan laŭ mondkoncepto, nacio, lingvo ktp. pacmovadon. En Japanio la teruraj sekvoj de la bombado de Hiroshima kaj Nagasaki per atombomboj fare de USONO kaŭzis fortan kontraŭmilitan movadon, en kiu esperantistoj kunagadas. La impresa libro pri Hiroshima estas mondvaste konata. La iniciatoj de la Japana Pacdefenda Esperantista Asocio mondvaste estas ŝatataj. Japanaj esperantistoj ekzemple instigis la celebradon de „Tago de la paco" enkadre de la UEA-kongreso en Augsburg 1985. Mi ne povas kredi, ke Ito Kanzi nenion scias pri la porpaca agado almenaŭ de la japanaj MEM-anoj. Monstra estas lia aserto: „homoj deziradas, ke la mondo estu paca, kaj tamen oni ja haltas tie, kaj neniam volas agi en tiu direkto, kvazaŭ ĉiuj interkonsentis, ke ili neniel agos krom diradi kaj deziradi."[22])
El tiuj vortoj ne nur parolas la malpacienco pri la ne sufiĉe sukcesa procedo de malarmado, el tiuj vortoj parolas la malkapableco diferencigi homojn, sociajn fortojn, kiuj respondecas pri la instigo de la vetarmado kaj homojn, sociajn fortojn, kiuj batalas ofereme por la paco kaj same ne registarojn de ambaŭ specoj. Al la demando „do, kial homoj ne ekpensas senigi al si la armilojn ĉiun detruontajn?" la vivo mem ĉiutage respondas. Eble ekzistas homoj, kiuj ne ekpensas. Certe ekzistas homoj, registaroj, kiuj pripensas la kontraŭon, la pliamasigon de armiloj, la evoluigon de novspecaj, novkvalitaj armiloj. Mi nur memorigas pri la tiel nomata strategia defenda iniciato de la US-prezidento, pri kiu la internacie rekonata GDR-sciencisto Manfred von Ardenne skribis: „Ĉi tiu kiel ‚Astromilita programo' konata intenco de la plej agresivaj rondoj de imperiismo prezentas hodiaŭ la plej grandan provokon de la mondkonscienco."[23]) Sed ankaŭ ne pertervidebla estas la koncepto de malarmado. Espereble Ito Kanzi sciiĝis pri la aktuala porpaca programo de Sovetunio, deklarita de Miĥail Gorbaĉov kiu montras realisman vojon por liberigo de nia mondo de nukleaj armiloj ankoraŭ antaŭ la jaro 2000.
En sia libro Ito Kanzi ignoras la ĝistiaman pacpolitikon de Sovetunio. Li nur parolas pri „egŝtatoj", kiujn li same kondamnas. Mi rekomendas al li la informilon „La pacaktivulo". En numero 141 (1985) Clement Tholet klarigas la pozicion de MEM al esperantisto-pacaktivulo el Nederlando.
Li evidentigas: „Kvankam MEM havas statute plenan absolutan sendependan konsiston, kaj ne deziras subteni iun apartan superregadon, ĝi ne situas abstrakte laŭdogme inter ‚blokoj'. Laŭ nia sciencmetoda analizo, ni ne konsideras nin inter du similaj imperiismoj, usona kaj sovetia. Tion asertas la antisovetia kampanjo de la inform-medioj en Okcidenta Eŭropo . . . En USONO regas monavidaj aferistoj super diversaspekta, sed respektinda kaj simpatia popolo. En Sovetio regas senkapitalista ordo laŭ konstitucio kaj demokrata sistemo malsimila al la nia . . .
El objektiva analizo sekvas: USONO ade transiras al novaj pli teruraj armiloj, pliampleksigas ties detruan potencon, eĉ proksimigas siajn planojn al ‚stelara milito' . . .
Do, batali por la paco ankaŭ signifas klarigi la faktojn kaj rifuzi ĉiun ajn helpon al psiĥa preparo de antisovetia krucmilito nuna plej grava politika danĝero."[24])
Tio estas faktoj kaj ne legendoj. Sed kiujn rimedojn la naivulo Ito Kanzi proponas por konservi pacon kaj atingi malarmadon, kiuj laŭ li „estus tre facile realigeblaj, se oni ilin nur volus efektivigi."?[25]) Kiel kaŭzojn de la milito kaj vetarmado Kanzi rigardas „fantaziaĵojn kiel nacioj, gentoj, lingvoj aŭ kulturoj k.t.p."[26]) kaj li konkludas „se ni nur forigus de nia kapo tiajn fantaziaĵojn, kies nomo estas religio, ideologio, nacio aŭ gento, kaj se ni ĉiuj interparolus reciproke kiel homo kun homo, ni certe iom post iom komencos senti nin kiel homaron, . . ."[27]) Danĝera naiveco! Ito Kanzi ekkonigas nekomprenemon de tiuj historiaj procedoj, kiuj ekzistigis tiujn realaĵojn, kiujn li nomas fantaziaĵoj. Kiu ignoras tiujn sociajn fenomenojn, tiu ne analizas ilin kaj memkompreneble ne povas ekkoni la fortojn de paco kaj de progreso kaj ne povas distingi ilin de la fortoj de vetarmado. Tiu malscienca traktado de la plej gravaj problemoj de la homaro estas danĝera en tempo, kiam la batalo por la paco nedisigeble estas ligita kun la batalo por socia progreso, por nacia sendependeco, por demokratio kaj socialismo.
Fakte pruviĝas efektivigata la pretendo de naiveco. Sed la provo citi Zamenhof kiel ĉefatestanton de tiuj politikaj konvinkoj malsukcesis.

### La realismo de Zamenhof

Legante la 31 ĉapitrojn de la „senlegenda biografio" ni travivas la renkontiĝon de du etburĝaj intelektuloj el diversaj tempoj. Spite la provon alkonfirmigi la Zamenhofan pozicion al la Kanzia evidentiĝas la diversaj pensmanieroj. La esperplena demokrata antiimperiisma pozicio de Zamenhof ne estas alkonfirmigebla al la pesimisma izoliĝema pozicio de malagrablaj sentoj rilate al la tuta evoluo de la homaro. La kulmino de tiu renkontiĝo estas la prezento de „homaranismo reviziita post $^3/_4$ jarcento". Kiu atendas, ke Ito Kanzi konsideras la vivspertojn de Zamenhof kaj la instruojn de la historio depost lia morto, tiu seniluziiĝas post legado de tiu Kanzia homaranismo. Ĝi ne akordiĝas al la Zamenhofaj sed al la jam skizitaj Kanziaj pensoj.
La kolizio de Kanzi kaj Zamenhof estas neevitebla. Kanzi ekzemple korektas la respondon de Zamenhof al la pastro Dombrovski, malnova esperantisto, kiu riproĉis, ke hilelismo, volante esti sistemo supernacia kaj superreligia, fariĝos bedaŭrinde kontraŭnacia kaj kontraŭreligia. Zamenhof skribis en 1906 longan respondleteron al Dombrovski[28]) por klarigi, ke homaranismo tute ne estas kontraŭ ekzistado de gentoj, nacioj, lingvoj ktp. Li skribis: „La homaranismo, kies unu el la plej ĉefaj dogmoj estas batalado por la plena rajto de ekzistado de ĉiuj lingvoj kaj dialektoj, t.e. de ĉiuj nacioj kaj nacietoj, – la homaranismo, kiu ĉian englutemecon de nacioj kaj lingvoj fortaj kontraŭ nacioj kaj lingvoj malfortaj nomas ‚barbareco', kontraŭ kiu la batalado estas unu el la ĉefaj celoj de la kreiĝo de la homaranismo, . . . Per kio la homaranismo batalas kontraŭ la ekzistantaj lingvoj? Ĝi ja ne sole p e r m e s a s al ĉiu uzi sian lingvon aŭ dialekton, sed ĝi eĉ rekte, per speciala kaj klara dogmo, p o s t u l a s tiun ĉi rajton por ĉiu homo."
Tiu Zamenhof-letero klare montras, ke la realisto Zamenhof rigardas la lingvon kiel ekzistantan socian fenomenon kaj intencas nek ignori nek kontraŭbatali tiun realaĵon, sed defendi ilian liberan evoluon. Ne alie rigardas Zamenhof la aliajn sociajn fenomenojn, kiujn Kanzi nomas „fantaziaĵojn". Li skribis en la sama letero al Dombrovski: „. . . la homaranismo absolute ne intencas batali kontraŭ la interna vivo de la gentoj, sed ĝi batalas nur kontraŭ la maljusta regado de unu patruja gento kontraŭ la aliaj."[29]) Tiu realismo estas por Kanzi neakceptebla. Lia respondo al Dombrovski tekstas jene: „– tamen al ni ŝajnas, ke, se la hilelismo povus fariĝi kontraŭnacia kaj kontraŭreligia, tio ĉi estus tre bonvena afero."[30]) Bonvena afero por kiu? Mi ne povas skizi ĉiujn fatalajn sekvojn de tiu korektado de Zamenhofaj ideoj. Ni konas ilin. Rimarko de Gaston Waringhien montras la spuron al la radikoj de tiu pensado. En unu el la eseoj de „1887 kaj la sekvo . . ." li demandas: „. . ., ĉu la profunda aspiro de Zamenhof, se ĝi malprosperis sub la formo de Hilelismo aŭ Homaranismo, tamen efektive ne supervivis; ĉu ĝi ja ne revekiĝis sub la formo de la Sennaciismo? Kaj ĉu de tiu vidpunkto Zamenhof ne trovis en Lanti sian veran idean heredinton?"[31]) Waringhien dubas pri tio? Mi estas certa, ke la Lantiismo ne daŭrigas Zamenhofajn idealojn, sed Ito Kanzi daŭrigas Lantiismajn idealojn kaj, por elparoli ilin en Zamenhof-biografio devas korekti la biografiiton. Árpád Rátkai karakterizis la sennaciistan movadon kiel movadon kon-

traŭ la internacia Lingvo kaj la Sennaciismon kiel teorio kontraŭ la teorio de Komensky kaj Zamenhof kiel teorio kontraŭ internaciismo.[32]) Transdonu ni ankoraŭfoje la vorton al Zamenhof: „Dum la pseudopatriotismo, t.e. la genta ŝovinismo, estas parto de tiu komuna malamo, kiu ĉion en la mondo detruas, la vera patriotismo estas parto de tiu granda tutmonda amo, kiu ĉion konstruas, konservas kaj feliĉigas."
Patriotismo por Kanzi nenion bonan enhavas. Nur unu ekzemplo ankoraŭ por la danĝeraj sekvoj de la Kanzia korekto. Kanzi ĝenerale atakas la suverenecon de la ŝtatoj. Li forgesas, ke tiu principo de suvereneco nun estas la bazo de mondpaco kaj ke la militoj komenciĝas per rompo de la suvereneco de aliaj ŝtatoj. Al tiaj danĝeraj konkludoj venas Kanzi. La submeto de tiuj ideoj al Zamenhof estas senbazaj. Do Zamenhof pruviĝas spite sia idealisma mondkoncepto, spite siaj iluzioj pri la eblecoj de la burĝa socio, spite sia neklara koncepto pri la vojo al paco kaj al nova socia ordo, al kiu Kanzi provas nodiĝi, kiel multe pli realisma ol lia biografo.

**Progresemaj tradicioj montras la vojon al la estonteco**

Mi nur montris unu pruvon de neadepteco de Kanzi al Zamenhof. Ĉu li per tio detruis legendojn? Tute ne. Kontraŭe, li kreis novan legendon. Alian legendon de liaj antaŭantaj Zamenhof-biografoj li ripetas. Edmond Privat jam nomis Zamenhof „Genio la plej pura".[33]) Post multaj aliaj nun ankaŭ Kanzi daŭrigas spite siaj diversaj distancigoj de prizamenhofaj legendoj la genikulton. „Ni volas rakonti pri tiuj unikaj laboro kaj idealo de tiu malrealista viro, ĉar ni forte konscias, ke sen liaj simpla lingvo kaj naiva idealo la homaro neniam povos esperi luman estontecon sur tiu ĉi minacoplena terglobo."[34]) Tiu troigo de la rolo de Zamenhof en la historio ne servas al la realigo de liaj veraj idealoj kaj al la rekono de la Esperanto-movado. Ni bezonas Zamenhof-bildon – sed realisman. Kvankam la riĉeco de la „senlegenda biografio" je faktoj estas granda – speciale utila kaj grava estas du kronologiaj tabeloj pri vivo kaj agado de Zamenhof kaj pri apero de la unuaj Esperanto-libroj – la biografio ne kontentigas ĉiujn postulojn je moderna Zamenhof-bildo. Antaŭ ĉio tia biografio devus doni al la esperantistaro orientigon al la estonteco per la kritika priskribo de la pasinteco.
En vere Zamenhofa spirito UEA ja ne orientigas al izoliĝemo, la UNESKO-rezolucio pruvas tion.[35]) En vere Zamenhofa spirito MEM partoprenas la internacian mondpacan movadon, Romesh Chandra plurfoje agnoskis tion.
La geesperantistoj atendas de Zamenhof-biografio entuziasmigon por la per- kaj poresperanta laboro. Memkompreneble ili havas la rajton ricevi historie ekzaktajn informojn science esploritajn kaj prilaboritajn verkojn, sed Zamenhof-biografio, kiu nur priskribas faktojn ankaŭ ne kontentigas la postulojn de la esperantistaro. La speciala signifo de Zamenhof, lia aŭtoritateco kaj rolo kiel iniciatinto de la lingvo kaj de la Esperanto-movado, pri kiu li mem diris: „Prave aŭ malprave la mondo vidas en mi ĉiam la naturan reprezentanton de la anaro esperantista"[36]) tiu signifo postulas specialan respondecon de liaj biografoj. Waringhien poezie priskribis la optimismon pri la estonteco de Esperanto, kiun ankaŭ Zamenhof sentis: „Kaj tamen, li pravis en sia fido, ke Esperanto venkos ĉiujn barojn, kiel ajn minacaj ili estos, kaj ĉe ĉiu nova intertempo de paco obstine refortikiĝos, simila al tiuj fruaj floroj, kiuj boras al si vojon tra neĝa tavolo kaj, ĉe la blovo de l' printempo, brave levas la kapon, en nedetruebla volo al la suno kaj al la vivo..."[37]) Tiu poezia bildo nur estas kompleta kun tiuj ĝardenistoj, kiuj zorgas pri la necesaj kondiĉoj por la florado. Al tiuj apartenas jenaj Zamenhof-biografoj, kiuj konservas la bonajn semojn de la humanisto Zamenhof kaj de liaj progresemaj posteuloj, kiuj uzas Esperanton en la servo de socia progreso.

**Literaturo, fontoj kaj rimarkoj**

1) L. L. Zamenhof, Nefermita letero al s-ro de Beaufront, „Ruslanda Esperantisto" II, 1906, n-roj 6/7 (Junio/Julio), en: OV, p. 336
Zamenhof subskribis la leteron per la pseŭdonomo d-ro Aleksandro Naumann, sekretario de la Unua Grupo Homarana.
2) Sub tiu ĉi pseŭdonomo Ito Kanzi eldonis siajn verkojn. Same nomiĝas lia eldonejo.
3) Ulrich Lins, Ludovikito – la gaja mizantropo, Pri eldonisto, kiu redonacas al ni la Zamenhofan heredaĵon, en: esperanto, Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio, n-ro 912 (12), 1981, decembro, p. 203
4) ito kanzi, zamenhof, volumoj 1–8, nagasue, kioto, 1967–1978 (indiko en: SB, p. 211)
5) Iam kompletigota plena verkaro de l. l. zamenhof (pvz):
1 unuaj libroj por esperantistoj (1887–1888)
1bis la inkunabloj de esperanto (1887–1889)
2 ni laboru kaj esperu! (1887–1891)
3 antaŭen al la laboro! (1892–1895)
4 tamen la afero progresas! (1896–1900)
5 hebreo el la geto (1859–1901)
6 kun gradaj paŝoj eksterlanden! (1901–1904)
7 klopodis organizi, sed vane! (1905–1906)
8 por kaj kontraŭ reformoj! (1907–1908)
9 mortinta, sed senmorta! (1909–1917)
Laŭ anonco en: esperanto, n-ro 912, kovrilpaĝo
6) kromkajeroj al pvz:
1 senlegenda biografio de l. l. zamenhof, tokio, 1982 (SB)
2 korespondaĵo ludovikologia, tokio en: SB, p. 309
7) Anoncataj estis en SB, p. 309
pvz – volumo 10 postrikolto de ludovikaĵoj
Tradukaĵoj:
1 de patronia al ŝekspir
2 de mickieviĉ al goethe
3 de molière al ŝalom-alejĥem
4 de moseo al andersen
8) Pri la disdono de monsumoj el tiu fondaĵo de privata persono decidas UEA.
9) korespondaĵo ludovikologia, Tokio
10) U. Lins, Ludovikito . . ., p. 203
11) SB, p. 209
12) Per la nocio „zamenhofologoj" ofte estas nomataj esploristoj de la vivo kaj verko de Zamenhof. Ito Kanzi uzas la nocion „ludovikologoj".
13) SB, p. 286–87
14) SB, p. 100
15) SB, p. 53
16) U. Lins, Ludovikito . . ., p. 204
17) Rikardo Ŝulco, Recenzo pri Ito Kanzi, en: vestfaliaj flugfolioj, n-ro 53, 1983/11, p. 209
18) SB, p. 209 kaj sekvaj
19) SB, p. 1
20) SB, p. 4
21) SB, p. 1
22) SB, p. 2
23) Prof. Dr. rer. nat. h. c. Dr. med. h. c. paed. h. c. Manfred von Ardenne, „Sternenkriege – Himmelfahrtskommando, das gestoppt werden sollte", Dietz-Verlag, 1985, p. 9
24) Clement Tholet, Libera tribuno, en: La pacaktivulo, informilo por komitatanoj kaj aktivuloj de MEM, n-ro 141, 1985, p. 18
25) SB, p. 1
26) SB, p. 4
27) SB, p. 3
28) OV, p. 329–338
29) OV, p. 334
30) SB, p. 141
31) Gaston Waringhien, 1887 kaj la sekvo, eseoj IV, Antverpeno, la Laguna, 1980
32) Árpád Rátkai, Ĉapitroj el la historio de la internacilingva movado, 8 – Sennaciismo senmaske, en: Hungara Vivo, n-ro 2, 1983, p. 56/57
33) Edmond Privat, Vivo de Zamenhof, Rickmansworth, 1957 (4a eldono)
34) SB, p. 10
35) Tibor Sekelj, Historia rezolucio, en: Budapeŝta Informilo, januaro, 1986, p. 8
36) OV, p. 390
37) Leteroj de L. L. Zamenhof, Eld. de G. Waringhien, parto II, Paris 1948, p. 350/351

OV = L. L. Zamenhof, Originala Verkaro, Eld. J. Dietterle, Leipzig 1929
SB = Ludovikito (= Ito Kanzi), Senlegenda biografio de L. L. Zamenhof, Tokio, 1982

# Denove pri la Marx-teksto

## Traduka ĥaoso

Sur paĝoj de „der esperantist", n-ro 122/1983, n-ro 129/1985, kaj „Paco", GDR-eldonoj 1981, 1983 kaj 1984; n-ro 3 de 1984, (Sofio) organo de MEM, ni havis eblecon observi interesan fenomenon: 8 personoj en 9 variantoj tradukis la faman eldiron de K. Marx kaj F. Engels pri evoluo de lingvo. La naŭa persono kaj deka varianto estas tiu de N. Nekrasov en „Enciklopedio de Esperanto", 360 p., de la unua eldono, Budapest 1933–1934.
La kaŭzo, kiu instigis enmiksiĝi en la aferon ankoraŭ la dekan personon, nome min, estas tio, ke kvin el tiuj tradukoj ne havas logikan sencon, la sesa transdonas la tezojn neprecize. Tiamaniere la grava al esperantistoj eldiro de la geniaj esplorantoj de homa socio estis misprezentita.
Iuj el la tradukintoj mem ne komprenis la sencon kaj tion pruvis al legantoj de la supre menciitaj materialoj per detala analizo de apartaj vortoj, de diversaj iliaj signifoj laŭvortaraj. Tio estas tute senbezona kaj neniam farata, se la tradukata teksto estas klara al la tradukanto. La dua pruvo – diversaj kulpigoj, adresitaj al Marx kaj Engels: ke ili uzis dialektajn vortojn, ke ili senatente konstruis siajn frazojn, eĉ, ke ili ne sciis, kion signifas „nacio"; unu tradukinto aŭdacis instrui Marx'on kaj Engels'on pri germana interpunkcia gramatiko . . .
Kio faras la tradukojn senlogikaj kaj nekompreneblaj?
Plej grave – la aserto de kvin tradukintoj, ke lingvo dum sia evoluo ĉesis kreski aŭ tiu kreskado estis nuligita, konservita, eĉ refutita. Tamen ĉiu pli-malpli klera homo scias, se ne teorie, do praktike (dum legado de diversepokaj skribaĵoj), ke ĉiu lingvo konstante evoluas, ke neniu neniam tion povas ĉesigi, nuligi, konservigi kaj refuti. La tradukintoj skribis al la plej profundaj teoriuloj de evoluo de la homa socio, ke tiuj proklamis nome la kontraŭon! Due, la senco de la vortoj „kreskiteco", „kreskinteco", „diskreskemeco" (de lingvo) ne estas deĉifreblaj, kvankam la konsistigaj elementoj estas prenitaj el Esperanto. Plue, „unuopulo" ne estas „individuo" laŭ la senco de la originalo. Malhelpas la komprenon ankaŭ enŝovitaj senbezonaj vortoj, mankantaj en la originalo, kiel: alia, kiel tia, ilia fundamento, ĝisnuna, evolugrado, atestita, hibridigo k.a. En la traduko de R. Deprez la lasta frazo, kiu estas la plej grava por esperantistoj, ĉar ĝi konkludas pri kapablo de homo kontroli evoluon de lingvo, havas jam nenion komunan kun lingvo: „Memkompreneble, la gentoj mem je ilia epoko plene konsistigas la produkton de ties evolugrado" (do, la produkto estas ili mem – la gentoj!).
Kiel aperis tiaj mistradukoj?
La plej grava kaŭzo – troa memfido pri sia kono de la lingvoj, el kiu kaj al kiu oni tradukas. Konkrete, por traduki la esencan por la tezoj vorton „aufgehoben" estis prenita ne la unua, do la plej ofte uzata senco (= levita, laŭ ĉiuj de mi kontrolitaj 8 vortaroj, inklude la klariga „Der Sprach-Brockhaus"), sed iu el aliaj 7 sencoj (verŝajne laŭ la individua uzado de la tradukintoj). Kvankam A. Hanke tiun ĉi vorton tradukis laŭ la senco de la originalo, tamen limigis ĝian efikon nur al unu maniero de formiĝo de nacia lingvo. Laŭ K. Marx kaj F. Engels natura evoluo de lingvo leviĝas al la nacia per diversaj manieroj (almenaŭ per tri). Dua kaŭzo de la misa tradukado estas la deziro formi tre precizan analogon de la rara germana vorto „Sprachwüchsigkeit". Trie, la strebo fari „pli klara" la tekston, nekompreneblan al la tradukintoj, per enŝovado de „desimemaĵoj" (t.e. vortoj aŭ pensoj de tradukinto mem, ne tiuj de la aŭtoroj de originalo).
Kial la tradukoj de E. Spiridoviĉ, E. Drezen kaj A. Skupas, prezentitaj en „Paco" (GDR-eldonoj de 1983 kaj 1984) ankaŭ tiu de N. Nekrasov estas kompreneblaj (la kritikitaj tradukintoj bonvolu konvinkiĝi pri tio per atenta legado) kaj konformaj al la originalo? Unu el la kaŭzoj estas tio, ke ili havis eblecon sian tradukon kompari kun la ruslingva traduko. Tiun ĉi lastan faris kunlaborantoj de Instituto por Marksismo-Leninismo ĉe Centra Komitato de Komunista Partio de Sovetunio. Ili ne nur tradukis 50-voluman Plenan Verkaron de K. Marx kaj F. Engels, sed ankaŭ studas ĝin dum jardekoj. Do, pri kvalito de la rusa traduko ne povas esti ajna dubo. Dua kaŭzo: en Sovetunio principoj de marksismo-leninismo estas instruataj en diversgradaj lernejoj, tial por sovetiaj tradukintoj estis pli facile digesti la tezojn.
Ĉu ĉi tiuj tradukoj en Esperanton jam estas perfektaj? Perfekteco onidire ne havas limojn. En la tradukoj de E. Spiridoviĉ kaj E. Drezen estas iom da „desimemaĵoj", evitindaj en traduko de pensoj de tiel altaj filozofoj. En ĉiuj tradukoj ne al ĉiuj legantoj estas klara senco de la vorto „individuoj", per kiu tie ĉi estas esprimataj reprezentantoj de sia gento. Iuj tradukintoj pensas, ke la germana vorto „Kontrolle" ne estas analoga al la Esperanta „kontrolo" kaj tradukis ĝin per „rego", per „reguligo", eĉ per „konsistigo". Tamen „regi lingvon" kutime estas komprenata kiel „scipovi lingvon", „ellerni ĝis uzebla grado". Tial la traduko „. . . prenos . . . sub sian regon" gvidas al maskigo de la tezo, ke naturan evoluon de lingvo homo en futuro plenamplekse kontrolos. Verŝajne en neniu lingvo „kontroli" estas nur termino de kontistoj. Tion neas ankaŭ PIV per sia 3a signifo. La franca „contrôler" inter aliaj signifoj havas ankaŭ la sencojn „mastri" kaj „domini". „Reguligo" anstataŭ „kontrolo" malgrandigas la rolon de homo en evoluigo de lingvo.
En la traduko de E. Spiridoviĉ estas kelkaj erare tradukitaj vortoj (alia, natureco, siavice), tamen ili ne malhelpas la komprenon de la ĝenerala senco.
Malgraŭ tio, ke la traduko de A. Skupas estas precize konforma al la originalo kaj ĝin havis antaŭ si kelkaj el la tradukintoj, ĝi restis nekomprenita de ili, same kiel la originalo. Evidentas la bezono de populara interpreto. Ĝi povus esti jena (se iu ne eltrovos pli klaran):
Natura tendenco de primitiva lingvo progresi transiris al formiĝo de nacinivela lingvo laŭ diversaj vojoj. En latinidaj kaj ĝermanaj lingvoj tio okazis plejparte per historia evoluo de lingvo el la antaŭe kreita literatura materialo, en la angla – pleje per kruciĝo kaj miksiĝo de nacioj. Interne de unu nacio tiu formiĝo iras per koncentriĝo de dialektoj, kaŭzita de ekonomia kaj politika koncentriĝo. Tiuj ĉi procedoj en diversa grado estas karakteraj, interalie, al ĉiu nuntempa evoluinta lingvo. Ke reprezentantoj de homa gento ankaŭ tiun ĉi kreitaĵon de homo estonte prenos plene sub sian kontrolon, tio estas memkomprenebla.

## La moralaĵo

Konsiderante facilecon de la lingvo multaj esperantistoj imagas, ke ili jam ĝisfunde ĝin konas. Tamen la facileco estas relativa. Dum tradukado al iu nacia lingvo ni devas zorgi, ke la traduko estu komprenebla nur al tiu unu nacio. Traduko al Esperanto devas esti komprenebla al reprezentantoj de dekoj kaj centoj da diversaj lingvoj kun ilia influo al ĉies diferenca pensmaniero.
La „traduka ĥaoso" montras, ke eĉ denaskan lingvon ni konas nesufiĉe. Ĉiu persono posedas en la kapo limigitan vortaron de sia propra lingvo kun pli aŭ malpli multaj „preseraroj". Tial tradukante ni devas ofte foliumi ne nur la fremdlingvan, sed ankaŭ propralingvan vortaron. Se io en la tradukota teksto ne klaras, ni devas turni nin al aliaj konantoj de la lingvoj kaj de la priskribata branĉo de scienco aŭ arto.

*A. Vaitilaviĉius, Litovio, USSR*

**Bernard Golden**

# Ankoraŭ du tradukoj de „la Marx-teksto"

En **La Germana Ideologio** de Karl Marx kaj Friedrich Engels (M/E) aperas mallonga teksto temanta pri la lingvo, kies elgermanigo prezentas problemojn por tradukantoj – esperantistoj kaj ne-esperantistoj. P. Levssen (1983) levis la demandon per komparo de tri tradukoj en Esperanto: E. Drezen (1931/1967), A. Skupas (1971), kaj D. Blanke (1971). Lastatempe Blanke (1983) reviziis sian version, kaj D. Gregor (1985), post profunda gramatika kaj semantika analizo, proponis ankoraŭ unu esperantigon de la germana teksto. Se oni komparas tiujn kvin tradukojn, la diferencoj inter ili estas facile rimarkeblaj. Ĉu temas pri la laikeco de la tradukintoj, aŭ ĉu la teksto vere estas malfacila? Miaopinie estas nur du punktoj, kiuj malhelpas unuaniman kaj, sekve de tio, ĝustan interpreton de la peco. Antaŭ ol konkuri kontraŭ la aliaj tradukintoj per ankoraŭ unu esperantlingva versio, mi proponas komparon de la germana originalo kun du etnolingvaj tradukoj, franca kaj hungara. Sekvas la germana teksto, en kiu mi substrekas la du stumbligilojn.

> Die Naturwüchsigkeit der Sprache ist übrigens in jeder modernen ausgebildeten Sprache, teils durch die Geschichte der Sprachenentwicklung aus vorgefundenem Material, wie bei den romanischen und germanischen Sprachen, teils durch die Kreuzung und Mischung von Nationen, wie im Englischen, teils auf ökonomischer und politischer Konzentration bestehende Konzentration der Dialekte innerhalb einer Nation zur Nationalsprache a u f g e h o b e n. Daß die Individuen ihrerzeit auch dies Produkt der Gattung vollständig unter ihre K o n t r o l l e nehmen werden, versteht sich von selbst. (Blanke, 1983, pĝ. 125)

**Aufheben,** kies pasiva participo estas **aufgehoben**, havas du signifojn; la unua estas „nuligi, ĉesigi", la dua „levi, konservi". **Aufgehoben** estas tradukita per „leviĝis" fare de Drezen kaj Skupas, dum Gregor uzas la verbon „ĉesis". En sia unua traduko Blanke skribis „nuligita" sed en la dua li provis elturniĝi, esprimante ambaŭ kontraŭajn nociojn per „nuligita kaj konservita". Mi trovas tiun ĉi rimedon neakceptebla, ĉar mi apenaŭ povas imagi, ke M/E intence elektis la verbon **aufheben** kun la celo unuvorte prezenti du malsamajn ideojn, kiujn ili volis esprimi. En la altraduka teksto devas stari nur unu ekvivalento de la germana vorto. La tradukanto cerbumu pri la ĝusta elekto.

La dua malfacilaĵo temas pri la substantivo **Kontrolle.** En ĉiuj germanaj vortaroj, kiujn mi konsultis, la primara signifo de la verbo **kontrollieren** estas (1) **überwachen** „prigardi, observadi, inspekt(ad)i", (2) **nachprüfen** „kontroli, revizii", (3) **inspizieren** „ekzameni". Nur sekundare ĝi havas la signifon **beherrschen** „regi, estri, majstri". Neniu konsult-libro registras kiel sinonimon verbon kiel **regieren** „direkti" aŭ **leiten** „gvidi". En siaj Esperantaj tradukoj Drezen, Skupas kaj Blanke (en 1971) uzas kiel ekvivalenton de **Kontrolle** la Esperantan substantivon „kontrolo". En 1983 Blanke ŝanĝis „kontrolo" al „rego", kaj en la versio de Gregor troviĝas la verbo „gvidos". Jen du diversaj interpretoj de la germana **Kontrolle.** Se oni uzas la Esperantan vorton „kontrolo", tiu ĉi povas traduki nur la signifon „esplorado, ekzameno". Laŭ **Plena Ilustrita Vortaro** (PIV) „kontroli" neniam havas la anglan sencon „regi, direkti". Sed ĝuste tiel tradukis **Kontrolle** Blanke kaj Gregor, kaj mi suspektas, ke tiuj, kiuj uzis „kontrolo", opiniis, kontraŭe al la admono en PIV, ke ĝi povas signifi ankaŭ „regi". Ni nun rigardu la francan kaj hungaran tradukojn.

> Le language a d'ailleurs p e r d u le caractère de phénomène naturel dans toutes les langues modernes hautement développée; ou bien c'est le résultat de l'histoire de l'évolution du langage à partir des matériaux de base comme pour les langues romanes et germaniques, ou du croisement et du mélange des nationalités comme pour l'anglais, ou encore celui de la fusion des dialectes, qui donne une langue nationale dans le cadre d'une nation, fusion linguistique reposant sur la fusion économique et politique. Il va de soi, que les individus c o n t r ô l e r o n t un jour totalement ce produit du genre comme les autres. (Marx, Engels, Lafargue, Staline, 1977, pĝ. 49 ĝis 50)

> A nyelv természetadtasága egyébként minden kialakult modern nyelven m e g s z ű n t – m e g s z ü n t e t t e részben a készentalált anyagból kiinduló nyelvfejlődés-történet, mint a román és germán nyelveknél, részben nemzetek kereszteződése és keveredése, mint az angolban, részben a dialektusoknak a gazdasági és politikai koncentrálodáson nyugvó koncentrálódása egy nemzeten belül nemzeti nyelvvé. Hogy az egyének annak idején a nemnek ezt a termékét is teljesen e l l e n ő r z é s ü k alá fogják venni, az magától értetődik. (**Karl Marx és Friedrich Engels Müvei**, 1976, 3-a volumo, pĝ. 419–420)

La franca traduko estis farita de kvar homoj; la hungara estas anonima, do plej probable ankaŭ ĝi estas la rezulto de kolektiva laboro. Rilate **aufgehoben**, la hungara traduko akordas kun tiu de Gregor. La hungara verbo **megszűnt** signifas „ĉesis"; tuj poste estas aldonita la transitiva formo **megszüntette** por faciligi la tradukon: „la lingvo-evolua historio ĉesigis la naturan kreskon ..." En la franca versio tiu koncepto estas esprimita per la verbo **a perdu** „perdis": „la lingvo perdis sian karakteron de natura fenomeno ..." Neniu tradukisto elektis „konservita" kiel ekvivalenton de **aufgehoben**, ĉar la senco de la frazo ne permesas tiun signifon.

Ni turnu nin nun al la elgermanigo de **unter ihre Kontrolle nehmen.** En la franca versio staras la verbo **contrôleront** „ili kontrolos", sed ĝi ne povas helpi solvi la problemon, ĉar, same kiel la germana verbo **kontrollieren**, ĝi estas polisemia kaj povas signifi ne nur „kontroli" sed ankaŭ „regi". Male, la hungaraj tradukistoj elektis hungaran substantivon, **ellenőrzés**, kiu havas nur unu signifon: kontrolo, inspektado, ekzameno. Por esprimi „regado" aŭ „direktado" estas uzenda **vezetés** aŭ **iranyitás.** En tiu ĉi kazo estas evidente, ke ne sufiĉas nur traduki vortojn; estas necese unue **interpreti** la tradukotan tekston por provi ekscii, kion la aŭtoroj volis diri: ĉu la homo ekzamenos kaj esploros la lingvon, aŭ ĉu li regos kaj gvidos ĝin?

Ankoraŭ unu punkto estas pridiskutinda. Se oni komparas la tradukojn de Drezen kaj Skupas kun la aliaj, oni trovas, ke la frazero **zur Nationalsprache** ne okupas la saman lokon. Tiuj du tradukintoj opiniis, ke la vortoj dependas de la verbo **ist aufgehoben**, kiun ili tradukis per „leviĝis".

a. „... la pratempe elemente naskiĝinta parolo leviĝis al la nivelo de nacia lingvo ..." (Drezen)

b. „Natura lingva kreskado ... leviĝis al nacia lingvo ..." (Skupas)

La aliaj tradukintoj interpretis „nacia lingvo" kiel rezulton de kunfandiĝo aŭ koncentriĝo de dialektoj. Kiuj pravas?

Mi nun prezentos mian tradukon, kiu ne estas tute originala; pli ĝuste ĝi estas kunfando de la diversaj tradukoj citita ĉi-supre, konforme al mia propra interpreto de la signifo de la teksto.

> Cetere, la natura kreskado de la lingvo en ĉiu moderna alte disvolvinta lingvo ĉesis. Tio estas la rezulto parte de la historio de lingvoevoluo el antaŭe ekzistinta materialo kiel ĉe la latinidaj kaj ĝermanaj lingvoj, parte de la interkruciĝo kaj miksiĝo de nacioj kiel en la angla, kaj parte de kunfandiĝo de dialektoj en nacian lingvon interne de nacio surbaze de koncentriĝo ekonomia kaj politika. Ke individuoj siatempe plene esploros ankaŭ tiun produktaĵon de la genro, estas memkompreneble.

Nur du homoj sciis la veran signifon de la koncerna teksto – Karl Marx kaj Friedrich Engels. Dum ili verkis tiun parton de **La Germana Ideologio** ili sendube pridiskutis parole nociojn kaj temojn antaŭ ol surpaperigi ilin. Ĉiu inter-

preto de aliaj homoj estas nur spekulativo. La aserto de Gregor, ke la teksto estas „korupta aŭ almenaŭ konfuzita" estas senbaza. Kiu koruptis ĝin? Ne estas iu ajn indiko, ke iu tria persono intervenis kiel kopianto por ellasi parton de la teksto, enŝovi siajn proprajn ideojn aŭ simple ŝanĝi la vortordon. La fonto de la publikigita teksto de **La Germana Ideologio** estas la originala aŭtografa manuskripto de M/E. Ĉu, do, ni konkludu, ke ili mem verkis konfuzitan tekston? Plej probable Gregor volas diri, ke M/E konfuzis tradukontojn de sia verko, ĉar ili ne esprimis siajn ideojn sufiĉe klare, uzante dufojojn en la sama alineo polisemiajn germanajn vortojn. Nu, temas pri manuskripta versio de verko, kiu sendube estis rapide skribita laŭ la fluo de ideoj. Fotografaĵoj de paĝoj de la manuskripto atestas, ke ĝi estas en tre malneta formo. Ĝi, do, montras la unuan stadion de verkado de **La Germana Ideologio**. Eble post reverkado kaj relegado aŭ en la stadio de kontrolo de la unuaj presprovaĵoj M/E estus povintaj rimarki la dubsencajn vortojn kaj anstataŭigi ilin per pli precizaj esprimoj.

Estas signifoplena, ke M/E ne uzis, anstataŭ **Kontrolle**, substantivon kiel **Beherrschung** „regado" aŭ **Führung** „gvidado" aŭ **Leitung** „gvidado". Pro tio mi elektas la bazan signifon de **Kontrolle** (ekzameno, esploro, kontrolo) kaj interpretas la citaĵon jene: kulturaj faktoroj – lingvohistoriaj, demografiaj, ekonomiaj kaj politikaj – ĉesigis aŭ starigis limojn al la libera disvolviĝo de la lingvoj de modernaj altevoluintaj kulturoj. En tiuj cirkonstancoj la lingvo povos esti observita same kiel aliaj produktaĵoj de la homa kulturo kaj socio. Eble tio kondukos al la formulado de reguloj kaj principoj de lingvoevoluo, sed tio ne signifas, ke individuoj partoprenos aŭ enmiksiĝos en tiun evoluon.

Tia superrigardo de lingva disvolviĝo estas tre malsimila al lingvogvidado, lingvoplanado aŭ kreo de artefarita internacia planlingvo. Nek la kunteksto antaŭ la pritraktita citaĵo, nek la sekvaj frazoj aludas al lingvoplanado. La samo estas direbla pri la aliaj kvar lingvotemaj citaĵoj de M/E inkluditaj en la franclingva libro menciita ĉi-supre. Oni, do, devas rezisti tenton legi tro en tiu mallonga citaĵo ĉerpita el la multvoluma verkaro de M/E. Efektive, lingvaj temoj ludis tre malgrandan kaj malgravan rolon ĉe ili. Ĉu, do, estas konsilinde tiel persiste alkroĉi al nur unu citaĵo, kiu ne estas kristal-klara kaj malfacile tradukebla? Kion oni povas pruvi per ĝi?

### Konsultitaj verkoj

BLANKE, DETLEV. 1971. Kelkaj konsideroj pri argumentado kaj argumentoj. GDR-eldono de **Paco**, 4/71, pĝ. 34.

(fino p. 38, 2-a kolumno)

Canko Murgin

# Rompu la murojn inter la nacioj kaj rekonstruu la homaron!

La unua en la mondo kontraŭimperiisma revolucio en carisma Rusio (1905–1907) vekis ĉe D-ro L.-L. Zamenhof grandegajn esperojn[1]) pri alvenontaj, pli favoraj cirkonstancoj kaj instigis lin ne nur malkaŝi sian simpation al ĝi, sed ankaŭ imperative alvoki: „Rompu, rompu la murojn inter la popoloj ... kaj nur tiam povos malaperi tiuj bestaĵoj, kiujn ni nun vidas en diversaj lokoj"[2]) (Ĝenevo, 1906).

En Kembriĝo, dum la III-a Universala Kongreso de Esperanto (1907), ŝajne ne sufiĉis la dufoje ripetita alvoko pri „rompado de la muroj inter la gentoj"[3]), tial li eĉ trian fojon vivuas pri „ĉio, kio rompas la murojn inter la gentoj"[4]). Ĝis nun oni povis nur supozi, kion Zamenhof vualas sub la figura esprimo „rompu la murojn inter" la nacioj. Tamen en la fino de sia vivo Zamenhof verkis artikolon, kiu donas al ni ŝlosilon por precize kompreni la enhavon de la ‚detruendaj muroj'. Tre verŝajne ĝi estas verkita en 1915–1916. Amiko de Zamenhof ĝin eligis el sia arkivo en la komenco de la Dua Mondmilito (septembre 1939) kaj ĝi aperis en decembro 1939[5]).

Pro furiozanta kaj rapide kreskanta mondmilito la poŝtaj komunikoj ne funkciis normale. Tial la „ŝlosila" artikolo restis preskaŭ nekonata al la historiistoj de Esperanto-movado kaj al biografoj de Zamenhof. En la menciita artikolo Zamenhof eksplikas trankvile: „La veraj muroj inter la homoj estas nur (a) malsameco de la lingvoj; (b) la religiaj, (c) ekonomikaj kaj (ĉ) klasaj diferencoj"[6]). Havante tiun ŝlosilon ni jam povas ‚traduki' la esprimon „rompu la murojn ..." tute precize: „Solvu la lingvan problemon en la internacia sfero, forigu la religiajn, ekonomikajn kaj klasajn diferencojn el la vivo de ĉiu nacio kaj la nova epoko de la homaro alvenos.

La trijara periodo (1905–1907) de skuado, krakado, bruado kaj rompado de la muroj inter la nacioj estas kronita per nevelkanta optimisma prognozo pri pereo de la maljusta, subprema, kontraŭpopola sociordo kaj sagaca aludo pri kreo de la necesaj cirkonstancoj por alveno de tute nova epoko en la vivo de la homaro, kiam ne plu ekzistos naciaj, internaciaj, interŝtataj kaj interklasaj problemoj, kiam la tuta unuigita homaro batalos ne inter si, sed komune kontraŭ la fortoj de la naturo por perlabori siajn panon kaj feliĉon: „**Longe daŭros** ankoraŭ **malluma nokto** sur la tero, **sed ne eterne** ĝi daŭros. Venos iam la tempo **kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj**. Anstataŭ konstante batali inter si ... ili vivos inter si pace kaj frate, **en plena interkonsento ili laboros sur la tero**, sur kiu ili vivas kaj (batalos – C. M.) **kontraŭ tiuj krudaj fortoj de la naturo, kiuj ilin ĉiujn egale atakas.** Kaj kune kaj interkonsente **ili celados al unu vero, al unu feliĉo**"[7]) (Londono, 1907; elstarigoj miaj: C. M.).

Tiu optimisma bildo pri la funkcianta aspekto de la estonta homaro malkaŝas al ni minimume tri menciindajn aferojn: (1) ke la fabla enigmo pri „rompado de la muroj" Zamenhof mem tre precize deĉifris ne nur per solvo de la lingva problemo en la internaciaj rilatoj kaj efika brido de la religia fanatismo, sed ankaŭ per forigo de la ekonomika malegaleco kaj detruo de la interklasa antagonismo interne de ĉiu nacio. Tion oni atingos per neniigo de kapitalismo (t.e. „kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj") kaj per esenca rekonstruo de la socio laŭ principoj de socialismo-komunismo; (2) ke Zamenhof pentris la bildon de la estonta socio sub la inspira influo de komunismaj ideologoj Karlo Marks kaj Frederiko Engels; (3) ke Zamenhof estis kapabla kompreni jam antaŭ 80 jaroj tion, kion eĉ la nuntempaj filozofoj kaj politikistoj de imperiismo – adeptoj de senbrida individuismo kaj disiga pluralismo – ne emas kaj ne ŝatas kompreni, nome: ke la mondo estiĝos pli bona, pli bela kaj pli riĉa, se ĉiuj homoj havos nur unu intereson, nur unu veron, nur unu feliĉon.

Efektive la vivo en la landoj de reala socialismo konfirmas ĉiam pli kaj pli evidente tiun tendencon en la disvolvo de la homaro, pri kiu Zamenhof ofte, libere kaj senbride revis, sed nur rare, alude kaj eĉ enigme (li) povis paroli al la publiko.

### Notoj

1) Canko Murgin: Pensiga Momento en la Poezio de D-ro L.-L. Zamenhof, p. 10–11, Bulgara Esperantisto, LII, 12, dec. 1983.
2) Joh. Dietterle (red.): L.-L. Zamenhof – Originala Verkaro, Leipzig, 1929, p. 370.
3) Same, p. 379, p. 380.
4) Same, p. 381.
5) L.-L. Zamenhof: Pri la Homaranismo, p. 3. Litova Stelo, III-a periodo, V, 6 (30), nov.–dec. 1939.
6) Same, p. 3.
7) Noto 2, p. 383.

### Rimarko de la redaktoro:

La artikolo estas certe diskutinstiga, i.a. pro la supozeble tro kuraĝaj interpretoj.

Günter kaj Johanna Braun

# Viro kun gitaro

Ĝuste en nian vilaĝon venis iun tagon artisto. Li elbusiĝis tute modeste, portis sur la ŝultro kvadratitan saketon kaj en la vizaĝo fokbarbon. Post kiam la buso veturis plu, la viro staris kelkan tempon sur la sabla placo antaŭ la kooperativa kontoro kaj palpebrumis en la suno.
Ni tenis nin flanke kaj observis lin, ĝis li alpaŝis al unu el ni kaj deklaris per mallaŭta voĉo, ke li estas Fred Staplinski. Ĉu ni jam aŭdis pri li.
„Ne", ni diris, ĉar kial ni mensogu.
„Ne gravas", li diris afable, li ja estas nun ĉi tie, kaj ni certe konatiĝos kun li. Li propre veturis el la ĉefurbo al ni, por kolekti artajn impresojn en nia vilaĝo. Tiuokaze li veturis en la malĝustan vilaĝon, ni diris, ĉe ni arte okazas nenio. Ekzistas nek kino nek danco nek preĝejo.
„Tion mi ne celas", diris la artisto, „mi volas studi ĉi tie la realon."
„La realo estas tiel, ke ni estas forlasita vilaĝaĉo. Ni situas ĉe ŝoseo de la lasta ordo. Sed vere: Agrokulturan kooperativon kaj drinkejon, tiujn ni havas."
„Tio estas grandioza", diris la artisto, „ekzakte tiel mi imagis tion. La nova apud la malnova. Belega bildo."
Ni demandis lin, ĉu li eble estas pentristo.
„Ne", li diris, li estas lirozofo. Poste li rigardis al la brakhorloĝo kaj demandis: „Kie oni povas ion manĝi ĉi tie?"
Ni ne volis sendi lin en la drinkejon, tie oni ricevas nur ledhaŭtan brogokolbason. Estis mi, kiu unua diris: „Venu al mi."
Li forte regalis sin. Post kiam li enkuleris la supon, mia edzino fritis por li dek du ovojn kun lardo. Tion li englutis, kvazaŭ estus nenio. Ni ĝojis pri lia senĝena preno. Tio estis pruvo, ke ni homoj en la vilaĝo la solaj scias, kiel bona nutraĵo devas aspekti. Do ni krome invitis lin por la vespermanĝo. Mi malsupreniris en la kelon kaj alportis memfaritan grosvinon.
La artisto, tiu lirozofo Fred Staplinski, eltenis multon. Post la unua botelo li komencis deklami poemojn, kaj kvankam en tiuj la vortoj estis strange aranĝitaj, tiel, kiel en realo neniu homo aranĝus ilin, tio tamen plaĉis al ni. Kiu eble ridas pri tio, tiun mi volas demandi, ĉu li loĝas en forlasita vilaĝaĉo kaj ĉu en lia kuirejo jam foje sidis artisto el la ĉefurbo. Se ne, tiuokaze li tute ne rajtas kunparoli, tiuokaze li ne konas la senton, kiun oni havas ĉe tio. Kiam la artisto finis la poemojn, mi diris al li, ke nun, dum ni estas ankoraŭ klaraj en la kapoj, mi volas montri al li lian liton. Kiam mi kondukis lin en la ĉambreton, li malkovris en angulo la malnovan gitaron, kiun iu lasis ĉe mi mallonge post la milito. Tiam ĝi kostis korbon da terpomoj; neniu el ni povis ludi ĝin. La artisto forblovis la polvon kaj komencis muziki en la kuirejo kaj kanti, belajn, sentimentalajn kantojn. Kiam la dua botelo finiĝis, la kantoj fariĝis iomete maldecaj, sed tio tre plaĉis al ni, ĉar de artisto oni ne nepre volas aŭdi preĝejajn kantojn. Matene, kiam ni iris al la kampoj, Fred Staplinski dormis ankoraŭ. Vespere, kiam ni venis hejmen, li purigis al si la dentojn. „Hodiaŭ vi ree ludos", mi diris, sed montriĝis, ke Gustav jam invitis lin, kaj por la sekva vespero Staplinski estis gasto ĉe Willi. Nome, la duona vilaĝo aŭskultis antaŭ mia kuireja fenestro, kiam la artisto ludis la malnovan gitaron.
Mi diris al Gustav: „Vi havas televidon, vi ne bezonas la artiston."
Gustav respondis: „Artiston el karno kaj sango vi ne povas kompari al la televidaj ombroj."
„Estas mia gitaro, kiun li ludas", mi diris, „ĝi kostis iam korbon da terpomoj."
„Tiuokaze venu al mi", diris Gustav, kaj mi kuniris, kaj fariĝis tre bela vespero. Ĉar estis mia gitaro, mi akompanis Fred Staplinski la sekvan vesperon al Willi kaj la sekvajn vesperojn al la aliaj kamparanoj, ĉar ĉiu volis unu fojon aŭdi la ludadon de la artisto en sia kuirejo.
Sed speciale la knabinoj estis sovaĝaj pro li, ili zumis ĉirkaŭ li kvazaŭ abeloj. En ĉiun kuirejon, en kiu li kantis, enpremiĝis kelkaj knabinoj, aŭ ili staris antaŭ la fenestro kaj enrigardis per grandaj, brilaj okuloj. Pleje mi devis miri pri Irmjo, kiu prizorgis niajn kooperativajn kokojn. Tiu Irmjo ĉiam estis silenta knabino, ankoraŭ tute infaneca. Mi ne sciis pri iu bubaĉo, kiu iam havis feliĉon ĉe ŝi. Sed nian artiston ŝi alradiis, kaj iun vesperon mi vidis lin malaperi malantaŭ pajlostako kun la gitaro kaj Irmjo. Mi restis en la proksimo, por aŭskulti lian ludadon, sed ĝi ne daŭris longe, la gitaro mutiĝis post kelkaj sentoplenaj kantoj.
Tiujn knabinojn, kiuj pensas malbone pri Irmjo, mi nun volas demandi: Ĉu vi vivas en forlasita vilaĝaĉo kaj ĉu jam foje artisto el la ĉefurbo, lirozofo, kia estas Fred Staplinski, diris al vi, ke li amas vin kaj ke li neniam renkontis knabinon de via speco, kvankam li konas multajn kaj tre belajn ĉefurbajn virinojn? Kaj ĉu li dume ludis la gitaron? Mi ne kredas, ĉar alie vi devus kompreni Irmjon. Poste ŝi rakontis al mi, mi ja havis rajton ekscii tion, jam ĉar la gitaro apartenis al mi, ke ŝi estis tre feliĉa malantaŭ la pajlostako, ke la stako kaj nia vilaĝeto kaj la ŝoseo de lasta ordo estis for por kelka tempo. Dum mallonga tempo Irmjo troviĝis en la granda, bunta mondo, kaj ĉiuj ombrecaj artistoj el la televida kesto, pri kiuj Irmjo revis, estis venintaj en la figuro de Fred Staplinski al ŝi, nome tute sole al Irmjo.
Post du semajnoj la artisto surŝultrigis sian kvadratitan saketon kaj ree forveturis. Ni tre bedaŭris tion: Li estis viro, kiu povis manĝi, la ovoj, kiujn li englutis ĉe ni, ne estas nombreblaj, kaj li eltenis multon, ĉu estis grosvino aŭ grenbrando, kaj krome li estis granda artisto. Jes, li diris, li havigis al si belegajn artajn impresojn. Lia arta akumulatoro estas kvazaŭ renove ŝargita. Poste li enbusiĝis. Lia vizaĝo kun la fokbarbo estis iomete pala, nu jes, ni postulis multon de li; mi iris en la ĉambreton kaj ree metis la gitaron en la angulon.
Ankoraŭ longe ni rakontis pri Fred Staplinski, sed ni neniam ree aŭdis ion pri li. Lian infanon ni edukos kune. Finfine ne estas iu inter ni, en kies kuirejo li ne ludis.

*El la novelaro*
*„Bettina pflückt wilde Narzissen"*
*(Bettina plukas sovaĝajn narcisojn)*
*trad. d-ro Karl Schulze*

---

Uwe Werner

# Alia pacokanto

Estis mateno, mi staris apudtende, estis parto de la mondo. Mi staris kaj la mondo dormis vigle en lumo pala. Ĝi spiris, la mondospiro tre profunda tuŝis vivigante la vizaĝon, flirtigis la hararon; la maro murmuris eternece. Lace flustris betulo, kiu balancis la branĉaron. Susuretis folietoj. Ĉiele: la nuboj vetkuris, fuĝis tra blua inko. Vokis la silenta tero, l'aero movoplena, freŝa herbo kaj la muĝanta granda ondaro senfina.
Ĝin mi alpaŝis . . . Ĉu ensalti? Malvarmaĉis la akvo, dum vento sub la haŭto ekflugis. Unu, du kaj tri kaj . . .
. . . salt'! Kia friskaj'; furiozas la mar', la mar' furiozas kaj same do mi. Ĝi ĵetas ĉielen, tiras profunden. Mi naĝas, naĝas tra l' valo, flugas petole al l'onda supraĵ'! Jen mevo! Hej, birdo, saluton! Ĝi kantas kaj akompanas ĝin mi. Kantas ni kune laŭ „Ni vivas" – melodi'. Muzikas la vento, akvoj kaj la sala odor'. Jubilas la stranga, la gaja marĥor'.

